## LA PREĜO DE LA SINJORO

*Patro nia, kiu estas en la ĉielo. Sanktigata estu via nomo. Venu via regno. Fariĝu via volo; kiel en la ĉielo, tiel ankaŭ sur la tero. Nian panon ĉiutagan donu al ni hodiaŭ. Kaj pardonu al ni niajn ŝuldojn, kiel ankaŭ ni pardonas al niaj ŝuldantoj. Kaj ne konduku nin en tenton; sed liberigu nin de la malbono; ĉar via estas la regno, kaj la potenco, kaj la gloro, eterne. Amen.*

---

## KOMUNA KONFESO

*Patro ĉiopova kaj kompatema. Ni eraris, kaj forvagis de viaj vojoj kiel perditaj ŝafoj. Ni sekvis tro multe la delogojn kaj dezirojn de la propra koro. Ni pekis kontraŭ viaj sanktaj leĝoj. Ni lasis nefarita tion, kion ni devis fari; kaj ni faris tion, kion ni devis ne fari; kaj al ni mankas la sano. Tamen, ho Sinjoro, kompatu nin, mizerajn pekulojn. Indulgu tiujn, kiuj konfesas siajn kulpojn. Akceptu la pekintojn, laŭ viaj promesoj al la homaro per Jesuo Kristo, nia Sinjoro. Kaj donu, ho Patro kompatega, ke de nun ni vivadu pie, juste, kaj sobre, por la gloro de via sankta nomo. Amen.*

---

## PREĜO POR LA PACO

*Dio, de kiu venas ĉiu sankta deziro, ĉiu bona intenco, kaj ĉiu justa ago. Donu al viaj servantoj tiun pacon, kiun la mondo ne povas doni; por ke ni tutkore celu obei viajn ordonojn, kaj ankaŭ, ke, defendate de vi kontraŭ timo antaŭ niaj malamikoj, ni travivu nian tempon kviete kaj trankvile; per la meritoj de Jesuo Kristo nia Savanto. Amen.*

# HIMNARO ESPERANTA



VENU, NI KANTU AL LA ETERNULO
(Ps. 95.1)

# HIMNARO ESPERANTA

Kompilita de

MONTAGU C. BUTLER

L.R.A.M.

---

**KVINA ELDONO**

*Reviziita kaj pligrandigita*

Prezo £1 Sterlinga
(Unu pundo Sterlinga)
Plus pakada kaj poŝta kostoj

---

Eldonita de la Kuratoroj de la Himnara Kaso
Adreso ĉe
British Esperanta Association (Incorporated) Ltd.

---

Mendebla ĉe
BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION
(Incorporated) LTD.
140 Holland Park Avenue, London, W11 4UF

---

1966

# ANTAŬPAROLO

En *The British Esperantist*, 1909, aperis la jena alvoko: "Kelkaj Londonaj Esperantistoj celas la fondon de Kristana Rondo, kiu, uzante nur Esperanton, kunvenus por Biblia studo, preĝado, himnado, kaj pripenso de religiaj temoj. La afero estus tute nesekta: ĉiuj, kiuj amas Jesuon kaj adoras lin kiel Dion, povus per Esperanto kuniĝi por servo al la komuna Sinjoro, kaj por reciproka helpo sur la vojo Cionen. Ni uzas nian lingvon por aliaj celoj, gravaj-negravaj: kial ne ankaŭ por ĉi tiu, la plej grava? Ĉu ni ne nutru la esperon, ke tiumaniere Esperanto servu kiel unuigilo ne nur internacia, sed ankaŭ religia?"

Sekve de tiu alvoko stariĝis en Londono serio de ĉiumonataj Diservoj, daŭrinta de Oktobro, 1912, ĝis nun. Similaj Diservoj nun okazas regule ankaŭ en Bristol, Bournemouth, kaj Manchester, kaj aliloke neregule. La Diservo estas definitive Kristana, sur la bazo de la Biblio kaj la Apostola Kredkonfeso, sed nesekta. Memorante, ke partoprenas Kristanoj el diversaj konfesioj, oni celas pritrakti la aferojn komunajn, kaj eviti temojn polemikajn. Tiumaniere ĉiuj, restante tute lojalaj al la propra konfesio, tamen povas momente forgesi la sektajn barilojn, kaj kunveni sur neŭtrala tero por kunadoro al la komuna Patro. Tiel plenumiĝas la sopiro de la romkatolika pastro Dombrowski en *Malgrandaj Pensoj pri Grandaj Demandoj*, kaj la vortoj de la kvakera poeto Whittier:

*Ni malsame vidas, aŭdas,*
*preĝas, sur la tero;*
*sed vin same amas, laŭdas;*
*Vivo, Vojo, Vero!*

*Polemiko silentiĝos*
*antaŭ Dia trono.*
*En ĉielo nur aŭdiĝos*
*sankta unisono.*

Por tiuj Diservoj, ĉe kongresoj, kaj aliloke, la *Himnaro* montriĝis nepra necesaĵo. Ĝi naskiĝis en 1907, en la Cambridge *Ordo de Diservo*, kun 26 himnoj. La dua eldono (104 himnoj) aperis en 1910. La tria (erare nomita la dua) aperis en 1921, kun 212 himnoj; la kvara en 1954, kun 236 himnoj. La nuna eldono, reviziita, enhavas 280 himnojn, kun 56 muzikaj kliŝoj.

Oni kompilis la verkon laŭ la jenaj principoj:

(*a*) Ĝi estu nesekta, kaj uzebla de ĉiu Kristano; Greka, Protestanta, aŭ Roma.

(*b*) La lingvo estu Fundamenta, simpla, kaj natura, sen haltigaj inversioj kaj hiatoj.

(*c*) Oni evitu diskuteblajn neologismojn. Ni tamen iom hezite permesis al ni la unufojan uzon de la vortoj *febla*, *redempto*, kaj *stiri*.

(*d*) Oni ne enpermesu lingvajn erarojn aŭ stilajn krudaĵojn per pledo de "poezia libereco".

(*e*) Traduko kiom eble sekvu la originalon sence, ritme, kaj rime. La akcentoj vortaj kaj muzikaj plene koincidu.

(*f*) Oni evitu kiom eble la elizion. Ni klarigu!

La poezio Angla estas esence *vira*: t.e., la linioj emas finiĝi per silabo akcentita. Sed (pro malmulteco de unusilabaj vortoj) Esperanto estas lingvo esence *ina*: t.e., la linioj emas finiĝi per silabo ne akcentita. Tial, uzante en Esperanto metrikon viran, oni devas aŭ libere uzi apostrofojn eliziajn (kiuj kripligas la vortojn kaj malagrable impresas la okulojn), aŭ kontentiĝi per monotona ripetado de pronomoj aŭ aliaj vortoj unusilabaj.

Sendube, anstataŭ Prokruste perforti Esperanton por laŭigi ĝin al netaŭga metriko alilingva, pli bone estas elekti metrikon konforman al la spirito de Esperanto mem. Eĉ Zamenhof ne sukcesis fari inspiran tradukon de *God Save the King*! Kompreneble, mi ne fermis la pordon al kelkaj Anglaj himnoj tre amataj, tamen ne kontentige tradukeblaj laŭ la sama metriko. Sed prefere mi serĉis himnojn kun ritmoj inaj, kiuj ne necesigas vortkripligon. El tiaj neoftaj ritmoj oni trovos en la *Himnaro* riĉan sortimenton. Bedaŭrinde, tamen, ĝuste ĉe tiuj inaj metrikoj tro ofte okazas, ke en la Britaj himnaroj konvena melodio ne estas facile trovebla.

Eldono kun muziko por ĉiu himno estas dezirinda, tamen por ni tute neebla, ĉar (*a*) Multaj melodioj estas kopirajtaj. (*b*) Presigo de muziko estas multekosta, kaj la necesan monon ni ne posedas. (*c*) Eĉ se ni povus tion fari, la prezo de la libro fariĝus multege pli alta. Ni tamen presigis muzikon malfacile troveblan aliloke—kaj samtempe savis kelkajn belajn melodiojn el forgeseco. Super ĉiu himno ni metis la nomon de taŭga muziko trovebla en himnaroj konataj, kiujn ni indikis per litero, jene:

*A Hymns Ancient and Modern (Revised), 1950
*B Baptist Hymn-book, 1962
*C Congregational Praise, 1951
*E English Hymnal, 1933

F Fellowship Hymn-book, 1933
*G Hymns of Faith, 1964
H (Haleluja!) Salvation Army Tune-book, 1953
*I (Irish) Church Hymnal, 1960
*J (Junula) School Hymn-book (Metodista)
K (Karoloj) Carols for Choirs, 1961
*L AngLican Hymn-book, 1965
*M Methodist Hymn-book, 1933
N Christian ENdeavour Hymnal (Revised), 1933
O Oxford Book of Carols, 1956
*P (Presbiteriana) Church Hymnary, 1927
*R (Radia) B.B.C. Hymn-book, 1950
*S Songs of Praise, 1932
U Christian Praise, 1957
V UniVersity Carol Book, 1961
W Westminster Hymnal, 1949
Y HYmns for Church and School, 1964
Z Sacred Songs and Solos

*Tre ampleksa. Kun libro stelita oni havos muzikon por la granda plimulto de niaj himnoj. Iufoje, ĉe diversaj libroj troviĝas variantoj de sama teksto aŭ melodio. Cetere, iufoje unu melodio havas plurajn nomojn, aŭ sama nomo estas donita al pluraj melodioj.

La plimulton el niaj himnoj ni ŝuldas al la plumo de 64 Esperantistoj, plejparte Britaj. Tial, ke preskaŭ ĉiu verkinto estas Brito, kaj ke nur en Britujo okazas regulaj Diservoj en Esperanto, kaj ke la *Himnaro* naskiĝis el la bezonoj de tiuj Diservoj, ĝi nature havas karakteron Britan. Oni eĉ nomas ĝin la "Brita Himnaro"! Tion ni ne celis komence. Sed post diligenta serĉado en la tuta Esperanta Kristana literaturo, ni trovis nur malmultajn himnojn konformaj al niaj kriterioj (pp. iii-iv). Tamen ni prenis (kiom eble kun permeso) la jenajn himnojn el diversaj fontoj:

*Dia Regno*, 106; *Espero Katolika*, 140; *Evangelia Kantaro*, 151; *Finna Kristana Kantareto*, 137; *Katolika Kantikareto*, 210; *Kristana Esperanta Kantareto*, 16, 99, 224; *Kristana Revuo*, 11; *La Eklezia Revuo*, 32, 100, 176, 191, 196, 229; *The British Esperantist*, 112, 204, 207, 253; *The Esperanto Monthly*, 228.

La kondukanto de Diservo nature emas elekti himnojn naciajn, al li jam konatajn, kaj ignori la ceterajn. Fakto bedaŭrinda: ĉar ofte la plej belaj himnoj estas ĝuste la originalaj, ne la tradukitaj.

## ANTAŬPAROLO

Kun la celo servi al ĉies gusto kaj bezono, ni intence akceptis himnojn tre diversajn laŭ stilo kaj enhavo. Kelkaj estas pene elgurditaj tradukoj de vortoj ritme ne konvenaj por Esperanto, tamen multaj estas poemoj de alta literatura valoro.

Se himno alilanda havas tre konatan Anglan tradukon, ni indeksis tiun tradukon.

Se ekzistis pluraj tradukoj de unu himno, mi kunfandis ilin en mozaikon, super ties nomo, kies tradukon mi plejparte sekvis. La teksto presita do ne ĉiam estas precize tiu, kiun verkis la nomita aŭtoro. Cetere, ĉiun himnon kritike tralegis diversaj homoj, kaj laŭ donita permeso mi ne hezitis aliigi vortojn, se (laŭ la principoj supre listitaj) ŝanĝo ŝajnis efektiva plibonigo. Tial, ke la fina decido restis al mi, mi sola responsas pri kritikindaĵoj. Mi invitas proponojn por la plibonigo de estonta eldono.

Al la multaj amikoj kiuj kunlaboris verke, traduke, aŭ kritike, elkoran dankon: kaj ne malpli al tiuj, kies manuskriptojn ni ne povis uzi.

Ni ŝuldas apartan dankon al S-ro Leonard I. Gentle, kiu ne nur riĉigis la libron per novaj himnoj originalaj kaj tradukitaj, sed, mem sperta himnologo, kaj multjare orgenisto ĉe la Londona Diservo, provizis la konsilan rubrikon ĉe la kapo de ĉiu himno en la libro.

Diversaj homoj pli-malpli grandskale kopiis himnojn el la *Himnaro*. Pri tiu atesto al ĝia utileco ni ĝojas. Tamen ni rajtas postuli, ke, ĉerpante materialon el ĝi, oni represu ĝin senŝanĝe; kaj nepre citu la *Himnaron* kiel fonton: ĝentilaĵoj, kiujn oni ofte malatentas.

La nunan volumon ni povis eldoni nur dank' al mondonacoj de multaj helpemuloj. Al tiuj modestaj kaj nenomitaj amikoj la Kristana Esperanta movado ŝuldas profundan dankon, kaj aparte al la kuratoroj de la testamentaĵo Westmancote, kiuj per malavara subvencio certigis ĝian aperon.

Eventuala kapitaleto restanta post la elvendado de la nuna eldono restos en la manoj de kuratoroj. Ili ĝin gardos kaj utiligos por nova eldono laŭbezone; aŭ por simila Esperanta entrepreno laŭ sia tiama bontrovo.

**La Preĝo de la Sinjoro**

Ekzistas diversaj tradukoj de *La Preĝo de la Sinjoro*: de Zamenhof (1887); *La Nova Testamento* (1913); *La Libro de Komuna Preĝo* (1919); diversaj r.k. *Misaloj*; kaj aliloke.

## ANTAŬPAROLO

En antaŭaj eldonoj ni uzis tekston proponitan de diversaj kompetentuloj kiel akceptindan kunfandon de la ceteraj. Sed lastatempe la organizaĵoj K.E.L.I. kaj I.K.U.E. interkonsentis uzi formon nur unuvorte diferencan de nia. Estas ja dezirinde konsenti pri formo por uzo universala. Do kvankam ni preferas nian antaŭan formon, ni nun volonte presigas la novan.

## KOPIRAJTOJ

Mi sincere dankas la jenajn personojn aŭ firmojn, kiuj afable donis al mi permeson presigi muzikon aŭ tradukon de himnoj, kies kopirajto apartenas al ili.

**Muziko.** The proprietors of Hymns Ancient and Modern: *Gundulf*, 142. The Congregational Union of England and Wales: *Avondale*, 226; *Catherine*, 182; *Lostwithiel*, 103; *Poulton*, 159. Lady Bantock: *Strathfield*, 107. The trustees of the Fellowship Hymn-book: *Rockleaze*, 53. Gordon A. Hitchcock: *Sunrise*, 213. Miss C. Horder: *Halmore*, 197: Oxford University Press: *St. Mark*, 89. Miss A. M. Pullen: *Goodwill*, *129. Dr. G. Thalben-Ball: *Carsaig*, 167; *Ĉantoj*, 270, 272.

**Vortoj.** The executors of E. M. Butler: *Lift up your hearts*, 115. J. Curwen & Sons Ltd.: *All creatures*, 13; and with H. Freeman & Co.: *Sleep, my Saviour*, 31. The Epworth Press: *Now the year*, 232. Evans Brothers Ltd.: *Infant holy*, 30. The Fifeshire Advertiser: *Beb' de Maria*, 29. The trustees of the Fellowship Hymn-book: *I feel the winds*, 157. Macmillan & Co.: *Sunset and evening star*, 169. Miss Matheson: *O love*, 119. A. R. Mowbray & Co.: *God of love*, 126; *Shepherds*, 35. The Oxford University Press: *Ah, holy Jesu* (Yattendon Hymnal: Robert Bridges, 1844-1930), *57; *Jesus, friend* (W. J. Mathams, 1853-1931), *265; *O perfect Love* (Mrs. Dorothy Frances Gurney, 1858-1932, *240; *When by fear* (S) (Percy Dearmer, 1867-1936), *104; *O food of men* (E) (Athelstan Riley, 1858-1945), *193.

Se, malgraŭ multa serĉado (unu himno kostis al ni 40 leterojn!), ni senintence kaj senscie pekis kontraŭ ies kopirajto, ni petas indulgon, kaj nepre ĝustigos la aferon en posta eldono.

Ni preĝu, ke la libro servu al la gloro de Dio, kaj helpu al la plua uziĝo de nia lingvo ĉe la Kristanaro.

*M.C.B.*

*Kontraŭ nominala pago

# TABELO DE ENHAVO

# HIMNARO ESPERANTA

---

## KOMENCO DE KUNVENO. VOKO AL ADORO

### 1 *Deck thyself, my soul, with gladness*

*Schmücke dich*, ABCEIPRSY

VENU nun, animo mia,
Ĝoja pro la beno Dia,
Kun laŭdkanto en la koro,
Al la domo de l' Sinjoro:
Kaj en ĝia sankta paco
Petu por la Dia graco;
Universon li regadas,
Al vi tamen sin klinadas.

Ni al vi, ĉiela Reĝo,
Venas kun humila preĝo,
Viajn farojn pripensante,
Timrespekte meditante.
Vin ĉirkaŭas misteraĵoj,
Nesondeblaj profundaĵoj,
Fonto vi de ĉia scio,
De eterne sola Dio.

Suno, forpelanta timojn,
Lumiganta homanimojn,
Radianta puran ĝojon,
Brilu nun sur nian vojon.
Ni vin preĝas el la koro,
Uzu nin por via gloro;
Nutru via patra mano
Per ĉiela viva pano.

Koron puran al ni kreu,
Ke ni ĝoje vin obeu;
Trovu eĥon amo via
En amplena vivo nia.
Per la mano kondukante,
Helpu, gardu nin konstante;
Gvidu al la fina celo—
Al la hejmo en ĉielo.

## 2 *Jesus, stand among us*

*Caswall* (*Bemerton, Filitz*), ABCEIJLMNPRUWY; *North Coates*, ABCGIJLMP

HO Jesuo, staru
Meze inter ni,
Kaj dum la kunveno
Apudrestu vi.

Regu la Spirito
Nun en ĉiu kor',
Pelu ĉian timon
Kaj ĉagrenon for.

Ni kun freŝa fido
Iru sur la voj';
Tagon atendante
De eterna ĝoj'.

## 3 *Por laŭdi vin, Sinjoro*

*St. Alphege*, ABCEGILMPRSU

1
POR laŭdi vin, Sinjoro,
Kunvenu ĉiu hom'
Kun amo kaj adoro
En via sankta dom'.

2
Kantadas ni en ĥoro
Al vi, ĉiela Reĝ':
Kaj el humila koro
Sin levas nia preĝ'.

3
Ni dankoplene miras
Pri via bonfarad',
Kaj danki vin deziras
Dum tuta la vivad'.

4
Ni dankas vin kun ĝojo
Pro via sankta vort';
Gvidilo sur la vojo
Al vivo trans la mort'.

## 4 *Oxford* J. B. König



Alternativoj: *Ravenshaw*, ABCEIJLMPRSU; *St. Martin*, AEJ

1 TURNU ĉiu koro
Sin al la Sinjoro,
Kaj sur la kunveno
Restu lia beno.

2 Estu kun ni, Dio,
Via familio,
Pensojn purigante,
Amon varmigante.

3 De l' ŝafaro, Kristo,
Estu la paŝtisto;
Senfortulojn vidu,
Vagemulojn gvidu.

4 Nin, Spirito bona,
Sankta, pacodona,
Savu kontraŭ provoj
De malbonaj povoj.

## DIO: LAŬDO KAJ DANKO

**5** *All people that on earth do dwell*

*Old 100th*, ABCEIJLMPRSU

AL Dio nun kun ĝoja kri'
Alvenu ĉiu terloĝant',
Por servi lin en harmoni'
Kaj laŭdi per feliĉa kant'.

La Eternulo estas Di',
Li propramane kreis nin.
Ŝafaro lia estas ni,
Kaj ni kun fido sekvas lin.

Eniru ĝoje kun dankad'
En liajn pordojn ĉiu hom';
Kaj gloru, benu, kun laŭdad'
En lia kort' al lia nom'.

Li nin prizorgos ĝis la mort',
Eterna lia korfavor';
Firmege staras lia vort',
Kaj ĝi neniam pasos for.

**6** *Glory be to God the Father*

*Triumph*, BCGHJMNPUZ; *Regent Square*, ABCEIJMPRUY

GLORON al la Dia Patro,
Al la Filo donu ni,
Kaj al Sankta la Spirito;
Tri personoj, unu Di'.
||: Gloron, gloron, :||
Per senfina laud-ari'.

Gloru lin, ĉar nin li amis,
Purigadis de malbon';
Per la propra sang' aĉetis,
Kronos per ĉiela kron'.
Gloron, gloron,
Al la sankta oferdon'.



B

Estro li de l' anĝelaro,
Kapo de la eklezi',
Reĝo de la naciaro,
De ĉiel' kaj tero Di'.
Gloron, gloron,
Ĝojakore kantu ni.

Gloron, benon, kaj laŭdadon
Himnas la anĝela ĥor';
Honorado kaj potenco
Estu liaj kun ador':
Gloron, gloron,
Ricevadu la Sinjor'.

## 7 *Praise the Lord, ye heavens adore him*

*Austria*, ABCEIJLMPRSU; *Rex gloriae*, ABCIMNRS

HO anĝeloj! La Sinjoron
Adoradu en ĉiel'!
Ĝoje laŭdu lian gloron
Suno, luno, ĉiu stel'!
Laŭdu lin, ĉar li regadas,
De la universo reĝ',
Kaj la mondoj obeadas
Al konstanta lia leĝ'.

Laŭdu pri la gloro Dia!
Ne pereos lia vort';
Venkos sanktularo lia;
Neniiĝos peko, mort'.
Estu lia pov' laŭdata
De l' ĉiela anĝelar';
Lia nomo adorata
De la tuta kreitar'.

## 8 *Now thank we all our God (I)*

*Bishopgarth*, BGIJMNPU

NUN danku ni al Dio
Per mano, voĉo, koro!
La tuta mondo ĝojas
Pro lia granda gloro.
De frua infaneco
Li nin beninta estas,
Kaj liaj amdonacoj
Kun ni ankoraŭ restas.

Li gvidu nin konstante
Sur tuta vivovojo,
Benante niajn korojn
Per paco kaj per ĝojo;
Li ŝirmu de danĝero,
Li donu korfavoron,
Kaj de malbono gardu
Nin nun kaj ĉiun horon.

Ho, estu niaj voĉoj
Kun danko nun levataj
Al Patro, Fil', Spirito,
Egale adorataj.
De homoj sur la tero,
Ĉielaj anĝelaroj,
Al Dio sonu laŭdo
Dum la eternaj jaroj.

## 9 *Now thank we all our God (II)*

*Nun danket*, ABCEIJLMPRSU

NUN Dion danku ni
Per mano, voĉo, koro!
Ĝojegas tuta mond'
Pro lia bonfavoro.
De frua infanec'
Li benis nin sen fin',
Kaj sur la tera voj'
Ankoraŭ gvidas nin.

Ni preĝu nun, ke li
Eterne apudestu;
En ĉiu ĝoja kor'
La paco bene restu;
Per ama forta man'
Li ĉiam gardu nin,
Ĝis fine en ĉiel'
Ni danke gloros lin.

Laŭdata estu Di'
La Patro, kaj dankataj
La Filo, la Spirit',
Egale honorataj!
Al unu sola Di'
Senĉese sonu ĥor',
El tero kaj ĉiel',
De amo kaj ador'.

## 10 *Angel voices ever singing*

*Angel voices*, ABCGIJLMNPU; *Eide*, JM; *Arthog*, RY

1
VIN anĝeloj himnas ĉiam
En ĉiela glor',
De la harpoj ja neniam
Ĉesas la sonor',
Kaj senfina psalm' atestas,
Ke vi estas
La Sinjor'.

2
Vin la universo laŭdas
Trans la okulvid'—
Ĉu vi efektive aŭdas
Preĝojn de homid'?
Jes, vi ĉiam nin atentas;
Tion sentas
Nia fid'.

3
Ni vin dankas, Dio, kiu
Tiel amas nin:
Nun por via laŭdo ĉiu
Kantu en kombin'
Sur la tero, en ĉielo,
Kun la celo
Glori vin.

4
Danke ni al Dio donas
Ĉion tie ĉi:
Tamen, kion ni disponas
Jam posedas li.
El animo, voĉo, koro,
Estu gloro
Nun al Di'.

5
Adorado laŭ merito
Estu al Jesu',
Kun la Patro kaj Spirito,
Sankta Triunu';
Ĝoja laŭdo sonu ĉiam
Kaj neniam
Ĉesu plu.

## 11 *Angels holy*

*Seraphim*, BFM; *Windermere*, B

ANĜELARO
Kaj homaro;
Ĉiu birdo, besto, flor'!
Tuta universo vere,
Enĉiele kaj surtere,
Laŭdas Dion kun fervor'.

Taga suno,
Nokta luno,
Steloj en ĉiela ĥor';
Nubo, neĝo, pluvo, vento;
Ĉio kune en konsento
Laŭdu Dion kun fervor'.

Ŝaŭma maro,
Ondegaro;
Klifoj en fiera ĥor';
Akva pulso, ĝojbatanta;
Tajdo, al- kaj forfluanta;
Laŭdu Dion kun fervor'.

Verdarbaro,
Insularo,
Aglonesta promontor';
Altaj montoj, blu-ravinaj,
Nubfendantaj, neĝosinaj;
Laŭdu Dion kun fervor'.

Ond' mistera
Derivera;
Kiun montoj verŝas for;
Font' arĝenta, babilanta,
Torentaro kureganta;
Laŭdu Dion kun fervor'.

Venas ĉio
Ja de Dio,
Nia Patro kaj Sinjor':
Ankaŭ ni, do, gajakante,
Plenakore lin dankante,
Laŭdu Dion kun fervor'.

## LAŬDO EL LA KREITARO

**12** *BENEDICITE, OMNIA OPERA*

Melodio I (*mallongigita*)




**Melodio II**




Alternativo: *Walker*, c 789

(Solkanto) *HO ĉiuj faroj de |Dio, |Benu al |Dio!*
(Ĉiuj) *|Laŭdu kaj |gloru al |li e-|terne. Kaj simile:*

Ho anĝe|laroj,
Ho steloj ĉi|elaj,
Ho suno kaj |luno,
Ho vento kaj |pluvo,
Ho vintro kaj so|mero,
Ho frosto kaj |neĝo,

Ho noktoj kaj |tagoj,
Ho valoj kaj |montoj,
Ho maroj kaj |fontoj,
Ho akvolo|ĝantoj,
Ho birdoj a|eraj,
Ho bestoj kaj |brutoj,

(Ĉiuj) *Ho tuta ho|maro, |benu al |Dio,*
*|Laŭdu kaj |gloru lin |nun kaj |ĉiam.*

**13** *All creatures of our God and King*

*Lasst uns erfreuen* (*Easter Song, St. Francis*),
ABCIJLMPRUW

HO tuta kreitaro Dia,
Ĝojkantu nun por laŭdo lia!
*Aleluja! Aleluja!*
Aliĝu vi, helbrila Suno;
Kaj vi, arĝenta, dolĉa Luno!
*Ho, laŭdu! Ho, laŭdu!*
*Aleluja! Aleluja! Aleluja!*

Fortegaj Ventoj de ĉielo;
Nubara milkolora belo;
Orlumo de Matena horo;
Vespera kaj Stelara gloro;

## LAŬDO EL LA KREITARO

Akvaro sur la tuta tero,
Muzikon faru en libero;
Kaj Fajro, ĉion konsumanta,
Lumadon, varmon, provizanta;

Patrino Tero, kies manoj
Al ni benadas, terinfanoj;
Vi Floroj, Fruktoj de l' kamparo;
Al Dio gloru per kantaro.

Kaj Homoj, kun dankema koro,
Laŭdadu lin en ĉiu horo!
Eĉ en aflikto kaj sufero,
Ho, fidu Dion kun espero.

Afabla Morto, fine venu,
Nin per amika mano prenu;
Konduku nin en hejman ĝojon:
Mem Kristo paŝis vian vojon!

Kunkantu ĉio, jubilante,
Kreinton sian adorante,
Al Dio: Patro, Fil', Spirito—
La Triunu'—sen intermito.

## 14 *PSALMO 19*

*London* (*Addison's*, *Kettering*), ACEFJLMSWY;
*Firmanent* (*Laudare domine*), BCFLMPY

SEN vortoj kantas la ĉiel'.
Nenion aŭdas la orel',
Sed tra la mondo ĝia son'
Aŭdiĝas mense en admon':
"Por Dia gloro lia man'
Konstruis nin laŭ lia plan';
Lin tage laŭdas hela sun',
La steloj nokte, kaj la lun'."

Tagiĝe nia tera glob'
Mantelas sin per verda rob'.
La suno en brilanta or'
El baldakeno iras for;
Heroe, kun fianĉa ĝoj',
Kuradas laŭ ĉiela voj';
Penetras ĉien la radi',
Nenio kaŝas sin de ĝi.

## DIA SAĜO KAJ BONECO

Perfekta estas Dia vort',
Ĝojiga al la homa sort';
Ĝi saĝon donas al homar'
Anstataŭ vago kaj erar'.
Pli dezirinda, eĉ ol or',
La Diinstruo al la kor'.
Pli dolĉa ol mielo ĝi:
Klarega lumo antaŭ ni.

## DIA SAĜO KAJ BONECO

**15** *Lord of all being*

*Uffingham*, ABCEJMPRSWY; *Ombersley*, BCFGJLMPU; *Maryton*, BCFGHILMNPU; *Arizona*, BCFGHMN

DIO, reĝanta en ĉiel',
Ni vidas vin en sun' kaj stel';
Centro, anim' de ĉiu sfer'—
Sed kun ni ankaŭ sur la ter'.

Suno de l' vivo! Hele vi
Vojon lumigas antaŭ ni.
Stelo de l' nokto! Via glor'
Esperon donas al la kor'.

Noktmezo, se vi kaŝas vin;
Tago, se vi surbrilas nin.
Arko ĉiela, via ben';
Kaj nia peko, nubkurten'.

Dio de ĉio sur la ter',
Fonto de lumo, amo, ver';
Antaŭ majesta via tron'
Malhela estas ĉiu kron'.

Per vero liberigu nin;
Kun ardo ni adoru vin;
En ĉiu koro brulu flam'
De sankta elĉiela am'.

**16** *Praise to the Lord*

*Lobe den Herren* (*Hast du denn*, *Praxis pietatis*), ABCEFGHIJLMPRSUY

LAŬDU ni Dion, la reĝon potencan de l' tero.
Laŭdu al li, ĉar li estas la vojo kaj vero.
  Ho kantu ni
  Gloron kaj dankon al li:
Li estas nia espero.

Laŭdu ni Dion, ĉar ĉiun li patre zorgadas:
Tra la danĝeroj de l' vivo nin ame gvidadas.
Gardos li nin,
Kiel li faris jam ĝin:
Firme ni tion fidadas.

Laŭdu ni Dion, ĉar donis li nian sanecon;
Ĉiam konstante konservis al ni fidelecon.
Ofte jam li
Pruvis mirinde al ni
Sian senliman bonecon.

Laŭdu ni Dion, ĉar benis li nian laboron;
Sendis feliĉon, per paco plenigis la koron.
Pensu do ni,
Kiom ni ŝuldas al li!
Kantu ni laŭdon kaj gloron!

Laŭdu ni Dion, lin laŭdu la tuta homaro!
Laŭdu per preĝo kaj laŭdu per ĝoja kantaro!
Danko al li
Sonu konstante ĉe ni:
Laŭdu lin, ho Kristanaro!

## 17

*Oriel*, ABCEIJLMPRSY;
*Neander* (*Unser Herrscher*), ABCEIJLMPRSUY

1

VENU, kaj el plena koro
Nun al Dio kantu ni:
De naskiĝo ĝis hodiaŭ
Patre nin regadis li.

3

Pro ridetoj de printempo,
Pro la gloro de somer';
Pro la fruktoj de aŭtuno,
Pro la vintra frostveter':

*Laŭdon al plej alta Dio!*
*Laŭdon! Laŭdon! Laŭdon!*

2

Belegecon al pejzaĝo,
Bonodoron al la flor',
Donis li, kaj donas; tial
Laŭdu lin el danka kor'.

4

Venu do, ni kantu laŭdon
Al la ĉiopova Di';
Ĝis al hejmo enĉiela
Ame nin kondukos li.

## 18 *Rejoice today with one accord*

*Ein' Feste Burg*, ABCEIJLMPRSU

HODIAŬ ĝoju ĉies kor',
  Elsonu gaja kanto;
Laŭdata estu la Sinjor',
  De l' mondo la Savanto.
Montriĝas lia glor'
  En ĉiu amlabor',
Li sola estas Di',
  Kompatis li al ni;
    Sanktuloj lin adoru.

Li el aflikto savis nin,
  Aŭskultis nian krion;
Pri ĉio nur fidadu lin,
  Kaj timos vi nenion.
Laŭtiĝu do la psalm'
  De kora danka am',
Kaj kune kantu ni
  En ĝoja laŭd' al li;
    Konstante lin adoru.

Hodiaŭ ĝoju ĉies kor',
  Elsonu gaja kanto;
Laŭdata estu la Sinjor',
  De l' mondo la Savanto.
Montriĝas lia glor'
  En ĉiu amlabor',
Li sola estas Di',
  Kompatis li al ni;
    Sanktuloj lin adoru.

## 19 *Praise, my soul, the King of Heaven*

*Praise, my soul* (*Goss*), ABCEIJLMPRSU;
*Regent Square*, ABCEGHIMNPRWY

1
LAŬDU la ĉielan Reĝon,
  Ho animo! Danku lin;
Li pardonis, elaĉetis,
  Resanigis, savis vin.
Haleluja! Haleluja!
  Dion laŭdu vi sen fin'.

2
Al la patroj en aflikto
  Korfavora estis Di',
Ĉiam same benopreta
  Lin ankoraŭ trovas ni.
Haleluja! Haleluja!
  Bonfarema restas li.

3
Patre nin li prizorgadas,
  Ĉar malfortaj estas ni;
En la manoj ame portas,
  El danĝero savas li.
Haleluja! Haleluja!
  Kompatema estas Di'.

4
Ho anĝeloj, kun ni kantu!
  Vi rigardas lin en glor';
Lin adoru suno, luno,
  Ĉiu loko, ĉiu kor'.
Haleluja! Haleluja!
  Dion laŭdu kun fervor'.

**20** *Vruechten* (*This joyful Eastertide*), CIJLRSY

1 NUN gaje kantu ni
Por laŭdi la Sinjor—on,
Kaj donu ni al li
Honoron kaj ador—on.

*Ho danku ni al Dio*
*Elkore kaj konstante;*
*Glorante lin pro ĉio,*
*Kaj ĝoje lin laŭdante,*
*Laŭdante, laŭdante, laŭdan—te.*

2 Perdiĝis ni sen forto,
De peko sklavigitaj;
Sed per Jesua morto
Ni estas pardonitaj.

3 Pro ĉiutaga pano,
Kaj forto por laboro;
Amikoj, amo, sano;
Konsolo en doloro;

4 Pro gvido sur la vojo;
Feliĉo, bono, belo;
Subteno en malĝojo;
Espero al ĉielo;

5 Li patre amas nin,
Forlasos nin neniam.
Ni do amadu lin
Kaj fidu lin por ĉiam.

## LA SANKTA TRIUNUO

**21** *God is in His temple*

*Gröningen* (*Neander*, *Gott ist gegenwärtig*, *Arnsberg*), BCIGP; *Compton*, M

AL la Patro Dia
Venu koro nia,
Preĝu kun humilo al li;
Laŭdu lin kaj gloru,
Servu kaj adoru,
Montris li kompaton por ni.
Ĉiam pli
Tie ĉi
Sonu danko nia
Al la Patro Dia!

Nun al la Savanto
Per feliĉa kanto
Danku ni sincere el kor':
Donis li liberon,
Lumon kaj esperon,
Malgajecon pelis li for.
Do kun ĝojo
Sur la vojo
Levu ni la kanton,
Laŭdu la Savanton!

Sankta Dispirito!
Venu laŭ invito,
En la koro loĝu ĉe ni.
Restu tie ĉiam,
Lasu nin neniam,
Ke ni daŭre plaĉu al vi.
Helpu nin
Glori vin;
Venu laŭ invito,
Sankta Dispirito!

# 22 *We praise and bless thee*

*Islington* (*Congregational Psalmist*, 1875) R. Payne



AL vi, Sinjoro,
Laŭdu la koro,
Via mano kreis nin;
Ĉiu vivanto
Venu kun kanto,
Universo benu vin:
Patro Eterna, ni vin adoru,
Dio Potenca, ĉiu vin gloru!

Al vi, Sinjoro,
Laŭdu la koro,
Kristo, Filo de alta Di';
Per via graco
Venas la paco,
Ni rifuĝas nur al vi:
Vorto Eterna, ni vin adoru,
Kara Savanto, ĉiu vin gloru!

Al vi, Sinjoro,
Laŭdu la koro,
Sankta Spirito, ni preĝas vin;
En ni loĝadu,
Forton donadu,
En vian veron gvidu nin:
Ho Konsolanto, ni vin adoru!
Vivo-Donanto, ĉiu vin gloru!

## 23 *Holy Father, hear me*

Muziko ĉe himno 4

1 SANKTA Patro, estu
Mia Defendanto;
Ĉiam apudrestu
Ama Protektanto.

2 Mi al vi, Jesuo,
Amu kaj adoru;
Post la vivofluo
Vin eterne gloru.

3 Sankta Parakleto,
Bene min surspiru,
Kaj sen intermito
Movu, regu, tiru.

4 Triunuo Dia,
Lasu min neniam;
Estu koro mia
Sole via ĉiam.

## 24 *Holy, Holy, Holy!*

*Nicæa*, ABCEHILMPRSU

SANKTA, Sankta, Sankta! Dio adorata!
Frue en matena horo vin alpreĝas ni.
Sankta, Sankta, Sankta! Forta kaj kompata!
En tri Personoj unu glora Di'!

Sankta, Sankta, Sankta! Ĉe la vitra maro
Ĵetas la sanktuloj siajn kronojn antaŭ vi!
Tuta kerubaro kun la serafaro
Vin adoradas, Eternulo Di'!

Sankta, Sankta, Sankta! Al la homokulo
Peko vualadas nun la gloron de l' vizi'.
Nur ĉe vi troviĝas plene, sen makulo,
Amo perfekta; Ĉiopova Di'.

Sankta, Sankta, Sankta! Dio adorata!
De la tuta kreitaro sonas laŭdokri'.
Sankta, Sankta, Sankta! Forta kaj kompata!
En tri Personoj unu glora Di'!

# LA VENO KAJ REVENO DE KRISTO (ADVENTO)

## 25 *Hark, a thrilling voice is sounding*

*Laus Deo*, ABCEGILMPRSY; *St. Oswald* (*Sychar*), ABEGHIJLMNP; *Merton*, ABEGIJLRSWY

AŬDU! forta voko sonas:
Kristo proksimestas nun.
Foren ĵetu noktinkubojn
Vi infanoj de la sun'!

Ho vekiĝu pro l' admono!
  Sklavo monda, levu vin:
Kristo, pekon forĉasante,
  Sun' matena, montras sin!

Jen Savonto atendita
  El ĉielo kun pardon',
Ni rapidu do kun pento
  Al akcepto de la don'.

Estu beno, povo, gloro,
  Al la Patro, al la Fil',
Kun Spirito la eterna,
  Dum jarmiloj post jarmil'.

## 26 *O come, O come, Emmanuel*

*Veni Emmanuel* (*Ephratah*), ABCEILMPRSUVWY

HO venu vi, Emanuel!
Savdonu nun al Izrael
Ploranta sola en ekzil',
Ĝis venos vi, la Dia Fil'!
  *Ho ĝoj'! ho ĝoj'! Emanuel*
  *Revenos al vi, Izrael.*

Ho Jiŝajido, levu vin,
El ĉenoj liberigu nin,
Kaj savu el la nigra mort'!
Ne venku nin infera fort'!

Ho venu vi, Matena Sun'!
Dispelu noktajn nubojn nun;
Lumante al mortombra voj',
Gajigu nin per sankta ĝoj'.

Ŝlosil' Davida, venu vi!
Malfermu hejmon antaŭ ni;
Enlasu nin al Dia glor';
Malbonon ĉian baru for.

Ho venu vi, la Leĝdonint',
El nubo de Sinaja pint'!
Jam nun al via Izrael
Revenu vi, Emanuel!

## 27 *O come, all ye faithful (I)*

*Adeste fideles*, ABCEIKMPSUVW

ALESTU, fidelaj, ĝoje triumfantaj,
Venu, ho venu vi al Betlehem!
Vidu naskitan Reĝon de anĝeloj!
*Ni venu kaj adoru, ni venu kaj adoru,*
*Ni venu kaj adoru al Kristo, Sinjor'.*

Dio el Dio, Lumo el la Lumo,
Tamen naskita el la virgulin';
Dio en vero, Die generita:
*Ni venu kaj adoru, k.t.p.*

Ĝoje kantadu ĥoro anĝelara
Kantu la aŭloj de ĉielo mem:
"Gloro al Dio en supera alto!"
*Ni venu kaj adoru, k.t.p.*

Ame ni danku al la Dia bebo,
Kies naskiĝon gaje festas ni:
Vorto eterna, nun enkarniĝinta:
*Ni venu kaj adoru, k.t.p.*

## 28 *O come, all ye faithful (II)*

Vidu N-ron 27

ĈEESTU, fiduloj, ĝojaj, triumfantaj,
Venu, ho venu vi al Betlehem!
Vidu naskitan Reĝon de anĝeloj!
*Vi estu adorata, Vi estu adorata,*
*Vi estu adorata, la Sinjor'.*

Venas paŝtistoj pro anĝela kanto,
Ĉe stala trogo pie klinas sin;
Ankaŭ rapidu ni per ĝoja paŝo:
*Vi estu adorata, k.t.p.*

Stele gvidite, donas la saĝuloj
Oron, incenson, mirhon nun al li:
Ni same donu amon kaj fidelon:
*Vi estu adorata, k.t.p.*

Gloron eternan de l' eterna Patro
Vidas sub karno vualitan ni—
Dion-infanon, vinde envolvitan:
*Vi estu adorata, k.t.p.*

Kristo, por ni kuŝanta sur la fojno,
  Laŭdon kaj dankon ricevadu vi:
Al amo tia, kiu ne respondus?
  *Vi estu adorata, k.t.p.*

## 29 *Child in the manger*

*Bunessan*, BCGIJLPRSU

BEB' de Maria
  En stala trogo—
Kreinto nia,
  Estro kaj Di':
Lin anĝelaro
  Laŭdas ĉiele—
Nia pekaro
  Restas sur li.

Ame li portis
  Homan malforton;
Vivis kaj mortis
  Sur nia ter'—
Li, la Savinto
  De la homaro,
Forta venkinto
  Kontraŭ infer'.

Jam profetita
  Homa infano,
Tamen tronita
  Supre en glor'.
Estro reganta
  La universon—
Sed nin gardanta
  En sia kor'.

## 30 *Infant Holy*

*Infant Holy*, BCJKLV — Pola melodio



BEBO Dia,
Tamen nia,
En staltrogo kuŝas ĝi.
Dormas ĉio;
Sed sen scio,
Ke tutmonde regas li.
Jen noeloj
De anĝeloj,
Al homaro
Savdeklaro!
Pacon portas li al ni.

Paŝtistaro
Al ŝafaro
Gardis ĝis matena hor'.
Jen vizio,
Bena scio;
Inter homoj Difavor'.
Ni kun ĝojo
Sen alojo
Laŭdu kore
Kaj fervore,
Ĉar alvenis la Sinjor'.

## 31 *Sleep, my Saviour, sleep*

*Sleep, my Saviour, sleep*, v

Bohema melodio



1

DORMU, Savanto mia,
Sur la fojna lito;
En la nokto steloklara
Ĝoje kantas anĝelaro
Pri la Divizito.

2

Dormu, Savanto mia,
Sur la fojna lito;
Iam venos agonio
En ĝardeno olivarba;
Larmoj, sanga ŝvito.

3

Dormu, Savanto mia,
Sine de Maria.
Nun ŝafistoj vin adoras,
La patrina koro ĝojas,
Paco estu via.

4

Dormu, Savanto mia,
Bebo de Maria,
Dornkronota kaj mokota,
Krucumota, lancpikota;
Fine—venko via!

## 32 *Once in Royal David's city*

*Irby*, ABCHIJKMPRUV

1
EN la reĝa Betlehemo
Iam estis bovdomet';
Tie al Mari' naskiĝis
Kristo, kiel infanet';
Kaj por ŝia sankta filo
Trogo estis la lulilo.

2
Dio la ĉielon lasis
Por alveni tien ĉi;
Bovinejo lin ŝirmadis,
Sur la fojno kuŝis li.
Kaj li loĝis kun pekuloj
Kaj humilaj malriĉuloj.

3
Li aŭskultis kaj atentis
La parolojn de l' patrin',
Kuŝis kontraŭ ŝia brusto,
Amis kaj obeis ŝin.
Tiel same, estu ni
Obeemaj, kiel li.

4
Ĉar li estis la ekzemplo
Por infanoj sur la ter',
Same vivis li, malgranda
Kaj senforta, kun sufer'.
Jes, li konas nian koron
Ĉiun revon, ĝojon, ploron.

5
Kaj pro lia granda amo
Ni mem vidos lin en glor';
La iama infaneto
Nun reĝadas, la Sinjor';
Kaj ni ĝoje sekvos lin,
Kien ajn li gvidos nin.

6
Li ne estos en stalaĉo
Kun la bovoj apud li,
Sed kronita en ĉielo
Ĉe la dekstra man' de Di'.
Tie ni, kun anĝelaroj,
Laŭdos dum eternaj jaroj.

## 33 *In the bleak mid-winter*

*Cranham*, BCEJLMPRSUVY

1 EN la vintromezo
Muĝis frosta vent',
Ter' al fer' ŝanĝiĝis,
Akvo, al arĝent;
Neĝo ĉion kovris,
Blankis la kampar',
En la vintromezo
De pasinta jar'.

2 Tutan universon
Kreis Dia man';
Tamen li alprenis
Formon de infan';
Kuŝiŝ en staltrogo
Ĉe naskiĝa hor',
Dio Ĉiopova,
Kristo, la Sinjor'.

3 Dum anĝeloj sanktaj
Laŭdis super ter',
Kantoj de serafoj
Ŝvebis en aer';
Sube la Patrino,
En animtrankvil',
Donis aman kison
Al la kara fil'.

4 Kion mi donacu,
Kvankam malriĉul'?
Se mi havus gregon,
Ŝafidon sen makul';
Riĉon mi ne havas,
Mankas al mi or'.
Donos mi la eblon—
Amon de la kor'.



c

## 34 *O little town of Bethlehem*

*Christmas Carol*, BCGHIJPRSUVY;
*Forest Green*, ABCEIKMOPRSUV; *Bethlehem*, JM

HO eta urbo Betlehem!
  Vi kuŝas en trankvil'
En paco de sensonĝa dorm'
  Sub milda stela bril'.
Sed brilas tra la nokto
  Eterna lumradi':
L'esperoj de la tuta mond'
  Sin turnas nun al vi.

Maria naskis Kriston;
  Kaj supre anĝelar'
Kun miro ame gardas lin,
  Dum dormas la homar',
Matenaj steloj, kantu
  La naskon kun fier'!
Al Dio estu gloro nun
  Kaj paco sur la ter'.

En trankvileco kaj silent'
  Okazis lia ven';
Kaj same al la homa kor'
  Doniĝas ĉiu ben'.
Ne aŭdas ni la venon;
  Sed al la peka mond',
Se oni nur akceptos lin,
  Li venos je respond'.

Ho Sankta Beb' el Betlehem!
  Ni preĝas el la kor':
Naskiĝu vi jam nun en ni
  Kaj pekon pelu for.
La sankta anĝelaro
  Ĝojegas en ĉiel';
Ho venu kaj restadu nun
  Kun ni, Emanuel.

## 35 *Shepherds, in the field abiding*

*Iris* (*Shepherds in the field*), ABCGHJKMORSUY

HO paŝtistoj Betlehemaj!
  Diru, kion vidis vi?
Kiam venis la anĝelo,
  Kion tiam diris li?
    *Gloria in excelsis Deo.*

*Vidis ni en fojna trogo—*
*Laŭ la diro de l' anĝel'—*
*Jesueton, homan bebon,*
*Tamen Reĝon de ĉiel'.*

*Tiam himnis anĝelaro*
*Ĝojan kanton de esper':*
*"Glor' al Dio en la alto,*
*Paco al la tuta ter'."*

Ho paŝtistoj! Ni vin dankas.
Ni adoru lin kun vi.
Al Jesuo, Reĝ' de Gloro,
Same laŭdu ankaŭ ni.

## 36 *Unto us a child is born*

*Puer nobis*, BCGIJLOSUVWY

1
JEN al ni naskiĝis Fil';
Reĝ' de ĉielĥoroj!
Sed li venis en humil',
Sinjoro de Sinjoroj!

2
Kristo el ĉielzenit'
Al la tero venis:
Bebo en staltroga lit'
La tutan mondon benis.

3
Al Herodo tio ĉi
Konsternis kaj timigis:
Do knabetojn Judajn li
Elserĉis kaj mortigis.

4
Ĝoje pri la Krista ven'
Sonu kanto nia;
Alkonduku nin al ben'
La Bebo de Maria!

5
Alfa kaj Omega li:
Laŭdu ni en ĥoro;
Kaj per ĝoja voĉo ni
Aklamu lin Sinjoro!

## 37 *Hark! the herald angels sing*

*Mendelssohn* (*Berlin*), ABCGIJKMPRUV

KANTAS anĝelara ĥor'
"Inter homoj Difavor'!"
Paco venas al la ter',
Por pekuloj novesper'!
Tial ĝoju tuthomaro
Per triumfa laŭdkantaro,
Sonas la anĝela kri'
"Jen naskiĝis Krist' por vi".
*Kantas anĝelara ĥor':*
*Al la nova Reĝo glor'.*

Estu do al li ador',
De eterne la Sinjor';
Ĉar la Sankta Virgulin'
En la mondon naskis lin;
Jen por ni homiĝis Dio,
Enkarniĝis la Mesio!
Venis li—Emanuel,
Al la tero el ĉiel'.

Jen la Princ' de Paco nun,
De Justeco vera Sun',
Lumon, sanon, portas li
Al homaro tie ĉi;
Li rezignis sian gloron,
Manifestis Di-favoron,
Renaskiĝon donas li,
Por ke ĉiam vivu ni.

## 38 *A great and mighty wonder*

*Es ist ein' Ros' entsprungen*, ABEIJKOPRSUV

1
LA Vorto enkarniĝis,
La Reĝo de ĉiel';
Kaj nokte al ŝafistoj.
Anoncas sin anĝel'.

*Sonadu tra l' aero:*
*"Al Dio estu gloro,*
*Kaj paco sur la ter'!"*

2
Dum kantas pri la Reĝo
La anĝelara ĥor',
Ho ĝoju valoj, montoj,
Kaj maroj, kun fervor'.

3
Pro homa elaĉeto
Nun adoradu ni
Al Betlehema bebo;
Savanto estas li.

4
Pereos paganaĵoj,
Mallumo pasos for,
Kaj Kristo ĉie regos
Eterne la Sinjor'.

*La Anglaj tradukoj diferencas inter si.*

## 39 *Still the night*

*Stille Nacht*, BCFGHJMPVW

PACA nokt', sankta vesper'!
Dormas jam tuta ter'.
Dum rigardas lin ĝoja hompar',
Ĉarma bebo kun |bukla harar'
Kuŝas |en trank|vil(o).

LA GVIDA STELO (EPIFANIO)

Paca nokt', sankta vesper'!
Sonas nun tra l' aer'
Dolĉa kanto de l' anĝelar'
Al miranta la paŝtistar':
"Paco |al la ho|mar(o)!"

Paca nokt', sankta vesper'!
Dia Fil', Mondesper'!
Dum vi dolĉe ridetas al ni,
Amo Dia mon|triĝas en vi:
Kristo, |nia Sa|vant(o)!

*La Anglaj tradukoj diferencas inter si.*

## LA GVIDA STELO (EPIFANIO)

## 40 *From the Eastern Mountains*

*Evelyns*, ABCGILMPU; *Princethorpe*, BGHJMNW; *Kirkbraddan*, JM

1 EL la oriento
Venis saĝular'
Al la Infaneto,
Reĝo de l' homar'.
Ili vidis lumon
Nokte sur ĉiel':
Venis kondukataj
De gvidanta stel'.

2 En humila hejmo
Ili trovis lin,
Kaj kun adorado
Teren klinis sin.
Ho, mirinda lumo,
Kiu el ĉiel'
Ilin kondukadis—
Dia gvida stel'!

3 Nur en fojna trogo
Kuŝis vi, Sinjor';
Tamen super ĉio
Reĝas nun en glor'.
Sed ankoraŭ multaj
Vivas en malhel':
Ilin ankaŭ lumu
Via gvida stel'.

4 Ĉiujn forvagantojn
Revenigu vi;
Helpu perdiĝantojn
Via lumradi'.
Al la nesciantoj
Pri la vivocel'
Donu klaran lumon—
Brilu via stel'.

5 Tra malluma nokto
Daŭre gvidu vi
Per la sava lumo
De l' evangeli'.
Voku ĉiun genton
Hejmen al ĉiel';
Ame kondukadu
Per gvidanta stel'.

## 41

*Golden sheaves*, ABCEGILMP;
*Bishopgarth*, BGHIJMNPU

ĈE l' Kristofesto ĝojas ni
Pri Kristo, infaneto.
En Betlehem naskiĝis li,
Kaj kuŝis en trogeto.
Ŝafistoj apud Betlehem
Anĝelajn voĉojn aŭdis;
Do ili venis vidi lin,
Kaj ĝoje Dion laŭdis.

Al Betlehem, serĉante lin,
La Saĝaj Viroj iris;
Ĉar bela brila stelo pri
Jesuo antaŭdiris.
En domo ili trovis lin,
Kaj tie, adorante,
Sin klinis teren antaŭ li,
Donacojn prezentante.

Al Dio laŭdu ankaŭ ni,
Ĉar Jesu-Kristo venis;
Fariĝis viro sur la ter',
Kaj al la homoj benis.
Ĉiela Reĝo estas li.
Do venu, adorante!
Kun amo ni servadu lin
Fidele kaj konstante.

## 42

*The first Noel*

*The first Nowell*, BCHJKLMOPSVW

EN Krist|naska vespero, el alta ĉiel'
Al |kelkaj paŝtistoj parolis anĝel'.
Ili |gardis la ŝafojn, kuŝante sur ter'
En la |frosto kaj neĝo de vintra veter'.

*Noel, Noel, Noel, Noel!*
*Reĝo naskiĝis al Izrael.*

Ili |supren rigardis pro vido de stel'
Ori|ente brilanta kun helo kaj bel'.
Lu|mante mirige al tero kaj lag',
Ĝi |iris senhalte dum nokto kaj tag'.

Gvi|date de l' stelo, nun el malproksim'
Al|venis tri Magoj, sen dubo aŭ tim'.
Ili |serĉis por Reĝo, kaj sekvis kun ĝoj'
Kien |ajn per la stelo montriĝis la voj'.

Al la |Nordokcidento iradis la stel',
Kaj |ĉe Betlehemo vidiĝis la cel';
Ĉar |tie ĝi haltis, kaj iris ne plu,
Super |stalo en kiu kuŝadis Jesu'.

En|iris la lokon saĝuloj la tri,
Surge|nue adoris la Filon de Di';
Kaj |faris donacojn al la eta infan'
De |oro kaj mirho kaj oliban'.

LA GVIDA STELO (EPIFANIO)

Do |kantu ni kune kun ĝojo en kor',
Por |laŭdi al nia ĉiela Sinjor':
La |granda Kreinto de tero kaj mar',
Kiu |venis por savo de l' tuta homar'.

## 43 *Brightest and best of the sons*

*Epiphany* (*Hopkins*), AFM; *Epiphany Hymn* (*Thrupp*), BCELMNPU; *Spean*, JM; *Liebster Immanuel*, BCEIPSVW

FILO plej hela de horo matena,
Al ni aperu ĉe l' ruĝhorizont':
Stel' orienta, heroldo tagvena!
Gvidu al nia infana Savont'.

Sur la lulilo rosgutoj briladas,
Kuŝas la bebo en stal' de bovar':
Sed la dormanton anĝeloj gardadas,
Estron kaj reĝon de l' tuta homar'.

Kio plej plaĉos al nia Savonto?
Spicoj Edomaj kaj luksa ofer'?
Perloj de l' maro, aŭ gemoj de l' monto,
Mirho arbara, aŭ oro de l' ter'?

Vane ni celus per tia adoro
Gajni favoron de li—Eternul':
Li pli deziras la servon de l' koro,
Preĝon vidvinan kaj de malriĉul'.

Filo plej hela de horo matena,
Lumu al ni ĉe la ruĝhorizont':
Stel' orienta, heroldo tagvena!
Gvidu al nia infana Savont'.

## 44 *As with gladness men of old*

*Dix*, ABCEHIKMPRSV; *Christopher*, M

1 KIEL la saĝuloj tri
Stelon sekvis kun ĝojkri'
Brilegantan sur ĉiel',
Kondukantan al la cel';
Tiel, Kristo, nun al vi
Kondukataj estu ni.

2 Kiel ili per stelbril'
Rapidiris al lulil';
Surgenuen ĵetis sin,
Kiam ili trovis vin;
Tiel same ĝoju ni
Adoradi antaŭ vi.

3 Kiel ili kun humil'
Donojn faris ĉe l' lulil';
Tiel, sur la tera voj',
Puraj, kun senpeka ĝoj',
Amtrezorojn ankaŭ ni
Same portu nun al vi.

4 Ho Jesuo! Ĝis la fin'
Ĉiam konservadu nin;
Kiam mondo pasos for,
Portu nin al via glor'.
Kie, en sennuba hel',
Ne necesas gvida stel'.

5 Tie, en ĉiama bril',
Mankas ĉiu lumigil';
Lumo, ĝojo, regas nun;
Vi mem estas ĝia sun'.
Tie ĉiam antaŭ vi
Halelujojn kantos ni.

## 45 *The star eternal*

*Bentley*, BCFGJMNPZ; *Lancashire*, GIJMNP

VESPERE, antaŭ longe,
Al reĝa Betlehem
Alvenis tri saĝuloj
Kun kora adorem';
De fora oriento,
Laŭ la gvidanta stel',
Preĝeme vojaĝante,
Okulojn al ĉiel'.

Paŝtistoj staris garde,
Silentis tuta ter'—
La ŝafoj ripozadis
En paco de l' vesper'.
Ekbrilis tiam stelo
Ĉe la humila scen',
Kaj ŝanĝis mondan nokton
En gloron de maten'!

Ankoraŭ tiu Stelo
Vivombrojn pelas for,
Brilante al homaro
En pura sankta glor',
Al tiu Stel' Eterna,
Lumanta al la voj',
Ni ĉiam alrigardas
Kun ama fida ĝoj'.

## 46 LA TENTO EN LA DEZERTO

*Forty days and forty nights*

*Heinlein* (*Aus der Tiefe*), ABCEGIJMPRUW




KVARDEK tagojn, kvardek noktojn,
  En dezerto vi fastadis;
Kvardek tagojn, kvardek noktojn.
  La tentanton vi venkadis.

En la tago suna brulo;
  Rosaj gutoj en vespero;
Ĉirkaŭ vi sovaĝaj bestoj;
  Lito el la ŝtona tero.

Pense ni vin akompanu
  Mondan ĝojon forlasante;
Per preĝado kaj fastado
  Ĝoje kun vi suferante.

Se atakos nin Satano
  Ĉe la korpo, aŭ spirite,
Donu, ke pro via venko
  Ni staradu nevenkite.

Tiel venos Dia paco;
  Sankta ĝojo estos nia;
Gardos ĉirkaŭ ni anĝeloj,
  Kiel ĉe bezono via.

## 47 *Pastor Pastorum*, AGJLU; *St. Bartholomew*, I; *St. Constantine*, AEIJLMNP

1 KRISTO, vi, Sinjoro,
  Kiam inter ni,
En animdoloro
  Havis tentojn tri.

2 Ŝtonojn de Satano
  Malakceptis vi;
De la Dia pano
  Manĝu ĉiam ni.

3 Se Satano iam
  Flate logas nin,
Malpermesu tiam
  Ke ni provu vin.

4 Foren monda gloro!
  Se ĝi tentas nin;
Kun fidela koro
  Ni adoru vin.

5 Se al nia koro
  Venos tentoj tri;
Savu nin, Sinjoro,
  Same venku ni.

## 48 *Why those fears?*

*Rhuddlan*, ABCGIJLMPRSU; *Triumph*, BCGHMNPUZ; *St. Thomas* (*Webbe*, *Wernburgh*), ABCEIJLMPRSW

KRISTO la stirilon tenas,
Nian ŝipon gvidas li;
Dia vento velojn benas;
Baldaŭ al haveno ni
Ĝoje venos:
Kial do ektimas vi?

Kvankam ni al lando pasas
Nur konata per raport',
Ĉion ni volonte lasas;
Fidas ni je lia vort'.
Kun Jesuo
Estos ni en viv' kaj mort'.

Nin ventegoj ne haltigas,
Nek la plej tumulta hor';
Mara muĝo ne timigas;
Apudestas la Sinjor'.
Obeeme
Ondegaroj mortas for.

Post danĝeroj de la vojo,
Furioza ŝtormveter',
Kiel granda nia ĝojo,
Sen ĉagreno, sen sufer',
Poreterne
Sur trankvila paca ter'!

## 49 *Fierce raged the tempest*

*St. Aelred*, ABCEGIJLMNPU

MUĜIS ventego sur la mar',
Kaj timis via sekvantar';
Sed vi dormadis ĉe l' ondar'
En trankvil'.

"Savu nin, Majstro!" sonis kri',
"Ho, savu nin el agoni'!"
Super la ŝtorm' ordonis vi:
"Estu pac'!"

Tiam kalmiĝis la ondar'
Kvazaŭ dormanta infanar';
Laŭ via volo al la mar'
Venis pac'.

Kiam dum vivo tie ĉi
Ventoj nin pelas for de vi,
Saman ordonon aŭdu ni:
"Estu pac'!"

## 50 *A little ship was on the sea*

***A little ship***



ŜIPETO estis sur la mar',
Beleta estis ĝi;
Ĝi velis dolĉe trans ondar'
Sub hela sunradi'.
*Sub hela sunradio,*
*Sub hela sunradio,*
*Ĝi velis dolĉe trans ondar',*
*Sub hela sunradi'.*

Subite muĝis ŝtorma ŝvel',
Kaj blovis ventegar;
Pelante nubojn trans ĉiel',
Kaj ondojn trans la mar'.
*Kaj ondojn trans la maro, k.t.p.*

Kaj ĉiu tie, krom Jesu',
Timegis pli kaj pli;
Sed meze de la mara bru'
Profunde dormis li.
*Profunde dormis li, k.t.p.*

"Ho Mastro! savu! mortas ni!"
Aŭdiĝis la kriad':
Leviĝis kaj ordonis li,
Kaj venis trankvilad':
*Kaj venis trankvilado, k.t.p.*

LA VENTEGO SUR LA MARO

Ĉar kiam al la ventegar'
"Silentu!" diris li,
Aŭskultis lin la ŝtorma mar'—
Revenis sunradi'.
*Revenis sunradio, k.t.p.*

Ankoraŭ nun obeas lin
La ondoj kaj la vent';
Li gardos kaj protektos nin
Dum ĉiu vivmoment'.
*Dum ĉiu vivmomento, k.t.p.*

## 51 *When through the torn sail*

*Sarnen* (*Congregational Psalmist*, 1875)
L. Cherubini (adaptita)



TRA l' velo ŝirita ventegoj muĝadas,
Sur nigraj ondegoj la fulmoj flamadas;
Al vi, ho Savanto, ni vokas el koro:
"Ho ve, ni pereas! Nin savu, Sinjoro!"

Jesuo, vin lulis la sino de l' ŝtormo,
Sed krioj de timo vin vekis el dormo.
La maran tumulton rigardu el gloro—
El faŭko de l' morto nin savu, Sinjoro!

Se onde minacas potencoj inferaj,
Turnvente blovegas pasioj koleraj;
Kompatu vi tiam al nia doloro:
Al ni pereantaj ho savu, Sinjoro!

*Korekto al la muziko. Ĉe la melodio, en la tria mezuro de la dua linio, aldonu be(mol)on al la D.*

## 52 *Lo! the storms of life are breaking*

***Boniface*** **(*Congregational Hymnary*, 1916)**



1
VENTOJ furioze bruas,
Ondoj en minaco fluas,
Timo ĉies koron skuas:
Savu nin, Sinjoro!

2
Mondo kontraŭ vi ribelas,
En fiero alte ŝvelas,
Eklezion ekŝancelas:
Savu nin, Sinjoro!

3
Fide ni antaŭen iras,
Via vorto nin inspiras,
Vian helpon ni sopiras:
Savu nin, Sinjoro!

4
Vian krucon pripensante,
Viajn larmojn memorante,
Pro ni ame propetante,
Savu nin, Sinjoro!



## 53 *When the Lord of love was here*

*Rockleaze*, F (1920) F. C. Maker



Alternativo: *Salvator* (*Foster*), BCFJMP

## PALMA DIMANĈO

SE, paŝante teran vojon,
Kristo vidis homan ĝojon,
  Tio plaĉis lin;
Por bonigi nian sorton
Li suferis eĉ la morton,
  Oferante sin.

Lia vivo estis amo:
Per bonfaroj ĝia flamo
  Daŭre montris sin;
Elĵetuloj amasiĝis,
Mizeruloj proksimiĝis
  Por aŭskulti lin.

Por li kampo, birdo, floro,
Kantis pri la Dia gloro,
  Estis Di-emblem';
Li kunsentis homan ploron,
Tamen lian aman koron
  Loĝis Dio mem.

Vin sekvadi ni deziru,
Pekemulojn ame tiru
  Al la Dia voj':
Savu nin el nigra premo
De mondeca trozorgemo,
  Ĝeno, kaj malĝoj'.

Donu nun, ke amo via
Dum la vivo restu nia,
  Daŭre gvidu nin:
Ĉiam ni humilaj restu,
En aflikto ĝojaj estu,
  Ĉar ni fidas vin.

## PALMA DIMANĈO

### 54 *All glory, laud, and honour*

*St. Theodulph*, ABCEHIJLMPRS

1

*AL vi, Sinjoro, estu*
  *Honoro, laŭdo, glor',*
*Al kiu dolĉe kantis*
  *La infanara ĥor'.*

2

"Ho filo de Davido!
  Ho Izraela reĝ'!
Mesio profetita
  En Dia sankta leĝ'!"
    *Al vi, Sinjoro, k.t.p.*

3
Vin laŭdas anĝelaro
En la ĉiela mond';
Kaj sur la tero homoj
Kantadas je respond'.

4
Hebreoj palmobranĉojn
Portadis antaŭ vi;
Kaj preĝojn, himnojn, laŭdojn,
Prezentas ankaŭ ni.

5
Kantadis ili antaŭ
La kruco-agoni';
Kaj nun al vi en gloro
Ni kantas tie ĉi.

6
La laŭdo de l' infanoj
Ĝojigis vin, Sinjor';
Ho, nian kanton ankaŭ
Akceptu kun favor'.

## LIA SUFERO KAJ MORTO

### 55 *There is a green hill*

*Horsley*, ABCHIJMNPRSU; *St. Francis Xavier*, ABIMU

1
EN lando malproksime for,
Sur verda monta pint',
Krucume mortis la Sinjor',
De l' mondo la Savint'.

2
Ha! nedireble premis lin
Doloroj kaj sufer'!
Li mortis, ĉar li amis nin
Kaj ĉiun sur la ter'.

3
Por nia savo mortis li,
Pardono al homar';
Por ke ĉielon iru ni
Tra ora portalar'.

4
Li sola povis doni sin
Por helpi nin al bon';
Li sola povas gvidi nin
Al glora Dia tron'.

5
Ho, kare, kare amis li,
Kaj elaĉetis nin!
Al lia sango fidu ni
Kaj ĉiam amu lin.

### 56 *O Sacred Head*

*Passion Chorale*, ABCEHILMPRSW

1
HO Sankta Kap', kronita
Per pika dorno-kron',
Sanganta kaj vundita,
Memvola oferdon'!
Vin mokas soldataro,
Dum vivo fluas for,
Sed supre anĝelaro
Rigardas kun ador'.

2
Vin lasas ĉiu forto,
Paligas vin dolor',
Alproksimiĝas morto,
Rompiĝas via kor'.
Ho amo vere Dia!
Vi mortas ja por mi!
La peko estis mia
La punon prenas vi!

3

Sen vortoj mia koro
  Por taŭga dankesprim'
Pri tiu mortdoloro,
  Kompato ja sen lim'.
Mi restu via ĉiam,
  Fidela ĝis la fin';
Neniam, ho neniam
  Mi ĉesu ami vin!

4

En mia lasta horo,
  Savanto, montru vin,
Kaj ĉe la mortangoro
  Rapidu savi min:
La brakojn etenditajn
  En kruca malhonor'
Mi vidu malfermitajn
  Por preni min al glor'!

## 57 *Ah, holy Jesus, how hast thou offended?*

*Herzliebster Jesu*, BCEILMPRSUWY

JESUO sankta! kiel vi ofendis,
Ke peka homo juĝi vin pretendis?
De ĉiu forlasata kaj mokata,
  Afliktegata!

Sed kiu kulpas pri sufero tia?
Ho ve! vi mortas pro perfido mia;
Ja estas mi la via perfidinto
  Kaj krucuminto.

Porŝafe la Paŝtisto sin oferas;
La sklavo pekis, kaj la Fil' suferas;
Por homa pardonigo, malgraŭ ĉio,
  Propetas Dio!

Por mi, Jesuo kara, vi kliniĝis;
Por mi en homa formo enkarniĝis;
Por mia savo konis vi doloron
  Kaj mortangoron.

Mi povos vin repagi ja neniam,
Sed vin adoras, kaj alpreĝos ĉiam:
Memoru en kompato amon vian,
  Ne pekon mian.

## 58 *When I survey the wondrous Cross*

*Rockingham*, ABCEGHIJLMPR

LA Krucon rigardante, mi
  Miregon sentas en la kor',
Ĉar tie en mort-agoni'
  Oferis sin la Princ' de Glor'.

Senvaloriĝas monda gajn',
  Kaj pri fiero hontas mi;
Ne fanfaronas iam ajn,
  Krom pri la mort' sur Kalvari'.

Vanaĵoj logis min kun ĉarm',
  Nun ilin faras mi ofer';
Humile kaj kun penta larm'
  Mi ĝojas en la sav-mister'.

Rigardu! Sangas vundoj plu—
  Malĝojo kun la amo mem!
Ĉu iam estis tia flu'?
  El dornoj tia diadem'?

Se tutan mondon donus mi,
  Tro eta estus la donac':
Postulas amo tia ĉi
  Tutcedon al la Dia grac'.

## 59 *At the Cross*

*Stabat Mater*, AEIMPRSW

STARIS la patrino plore
Ĉe la kruco endolore,
  Dum pendadis ŝia Fil';
Ŝian koron ĝemadantan,
Malĝojegan, angorantan,
  Trafis glavo, dornpikil'.

Kiom estis afliktata
Dipatrino la benata,
  Atendante apud li!
Dum, anime lamentante,
Liajn vundojn kunsentante,
  Daŭre lin rigardis ŝi!

Kiu homo ne ploradus,
Se li tie ŝin vidadus
  En tioma kormizer'?
Kiu, Kriston rigardante,
La patrinon pripensante,
  Ne kuniĝus en sufer'?

Pro la pekoj de aliaj
Venis la turmentoj liaj,
  Skurĝobatoj, agoni';
Ŝi lin vidis kondamnita,
Kaj de ĉiu forlasita;
  Dum surkruce mortis li.

Kristo, tuŝu mian koron,
Ke, vidante ŝian ploron,
  Kunlamentu ankaŭ mi;
Pliardigu mian amon,
Brulu ĝi en freŝan flamon,
  Ke mi plaĉu nur al vi.

## LIA RELEVIĜO (PASKO)

**60** *Halleluja! hearts to heaven*

*Deerhurst*, ABCEFGMNP; *Lux Eoi*, ABFGIJLMPU;
*Everton*, ABEGIJLMPRUY

HALELUJA! Haleluja!
  Dion laŭdu ĉiu kor';
Ĉiu voĉo al ĉielo
  Kantu himnojn kun fervor'!
Kristo, kiu sur la kruco
  Sin oferis por sufer',
El la morto releviĝis
  Reĝo de ĉiel' kaj ter'.

El la sankta rikoltaĵo
  Estas li unua gren',
Kaj la tuto maturiĝos
  Je la dua Krista ven'.
Tiam ĉiun oran spikon
  Portos li al la grenej',
Kiu kreskis gloroplene
  El la sulkoj de l' tombej'.

Ni kun Kristo releviĝis!
  Benu nin la Difavor':
De vizaĝo lia hela
  Nin surbrilu lumoglor',
Por ke en la nuna mondo
  Bonan frukton portu ni,
Ĝis en la ĉielgrenejo
  Ni restados apud li.

Haleluja! Haleluja!
  Al la Patro kantu ni;
Haleluja al Jesuo,
  Ĉar triumfe venkis li;
Kaj al la Spirito sankta
  Sonu laŭdo pli kaj pli:
Haleluja! Haleluja!
  Al la Triunua Di'.

## 61 *A brighter dawn is breaking*

*Selnecker (Nun lasst uns Gott)*, ERSY;
*Ades, Pater Supreme*, A

1

HELIĜAS noktombraro,
Elsonas laŭdkantaro,
Ĉar venkis vi la morton,
Nuligis ĝian forton.

2

Aperis vi, Sinjoro,
En releviĝa gloro,
La vivon vi disponas,
Kaj ĝin abunde donas.

3

Ho! benu nin per vido,
Kompreno, amo, fido;
Pekulojn revenigu,
Celadon sukcesigu.

4

Gvidadu la dubantojn,
Sanigu suferantojn;
Vin laŭdu la homaro,
Kaj supre anĝelaro.

## 62 *Jesus Christ is risen today*

*Easter Hymn*, ABCEHIMPRSUW

HO! triumfa Pasktagiĝo,
*Haleluja!*
Pro Jesua releviĝo!
*Haleluja!*
Li suferis krucon, morton,
*Haleluja!*
Elaĉetis nian sorton,
*Haleluja!*

Kantu ni en laŭda ĥoro
Al Jesuo, reĝ' de gloro,
Ĉar per kruco, tombo, liaj
Pardoniĝis pekoj niaj.

Nun per suferado lia
Aĉetiĝis savo nia;
Kaj li reĝas en ĉieloj,
Kie kantas la anĝeloj.

## 63 *Jesus lives*

*St. Albinus*, ABCEILMPRSUY

KRISTO vivas! Morto do
Plu neniam nin timigos:
Kristo vivas! Scias ni,
Ke la tombo nin ne ligos.
*Haleluja!*

Kristo vivas! Morto nun
  Estas nur al viv' la pordo;
Do trankvile pasos ni
  Al malluma ĝia bordo.

Kristo vivas! Mortis li,
  Por ke ni per li vivadu:
Kore puraj estu ni
  Kaj senĉese lin gloradu.

Kristo vivas! Lia fort'
  Ame nin por ĉiam tenos;
Nek infero, nek la mort'
  Nin el lia mano prenos.

Kristo vivas! Reĝas li
  Super ĉio la Sinjoro:
Lin sekvinte, pacon ni
  Trovu en ĉiela gloro.

## 64 *The day of resurrection*

*Lancashire*, GIJMNP; *Ellacombe*, ABCEHIMPRSWY; *Crüger* (*Herrnhut*), ABCEFILMPRSW

LA tago releviĝa!
  Ho mond', kun laŭta kri'
Proklamu vi la Paskon
  De ĝojo kaj de Di'.
De morto al vivado,
  De tero al ĉiel',
Nin kondukadis Kristo
  Triumfe al la cel'.

El peko kaj malbono
  Puriĝu ĉiu kor',
Por ke ni vidu Kriston
  En releviĝa glor';
Por ke "Bonvenon" lian
  Finfine aŭdu ni;
Kaj, ĝin aŭdinte, kantu
  Kun laŭta venkokri'.

Ĉielo, jubiladu;
  Kaj tero, ĝoju vi;
La tuta mondo festu
  Kun ĉio ajn en ĝi:
La Universo kantu
  En gaja melodi'!
Ĉar releviĝis Kristo,
  Senfine laŭdu ni.

## LIA ĈIELIRO

### 65 *The strife is o'er*

*Victory*, ABCGIJLMPRSU

**ALELUJA! Aleluja! Aleluja!*

Ne plu batalo, lukto, dolor';
Finan triumfon festas la kor';
Ni, jubilante, kantu en ĥor'
  Aleluja!

Ĉian potencon perdis la mort',
Ne plu la tombo nia finsort';
Danke kaj laŭte sonu la vort'
  Aleluja!

Ĉar Kristo en la tria maten'
Glore leviĝis, for la ĉagren'!
Sonu tutmonde ĝoja refren'
  Aleluja!

Por ni suferis Kristo sur ter';
Nin elaĉetis el malesper';
Tial ni kantu nun en liber'
  Aleluja!

**Ne en BGLMRSU*

## LIA ĈIELIRO

### 66 *Hail the day that sees him rise*

*Llanfair*, ABCEGIMPRS; *Gwalchmai*, ABCEIJLMNRSY; *Ascension*, ABCGLMU

KRISTO nun la tombon lasas,
        *Aleluja!*
For de homa vido pasas,
        *Aleluja!*
Post surtera dorna krono,
        *Aleluja!*
Regos sur ĉiela trono.
        *Aleluja!*

Tie, por akcepti lin,
Oraj pordoj levas sin.
Super peko, super morto,
Glore venkis lia forto.

Al ĉielo li revenas,
Tamen nian teron benas;
Meze de ĉielanaro
Memorante pri l' homaro.

Jen la vundojn vidas ni,
De kruela Kalvari':
Ame alrigardas li
Al surtera eklezi'.

Kristo, en ĉielo vi
Regas alte super ni.
Suprenlevu nian koron,
Ke ni vidu vian gloron.

## 67 JESUO: LA VOJO

*Angels' Song*, FJM — O. Gibbons (adaptita)



LA suno subiris, kaj Jakob laciĝis,
Veninte al Bet-El, li tie kuŝiĝis;
Kusene subkape troviĝis nur ŝtono,
Sed lia sufero kondukis al bono:

Ĉar en lia sonĝo jen bela apero!
Ŝtuparo ĉielon atingas de l' tero;
Anĝeloj ĝin supren kaj malsupren iras,
Kaj supre mem Dio "Mi benos vin" diras.

Ĉe Natanaelo vizie anĝeloj
Iradis sur Kristo en altaj ĉieloj;
Kaj ankaŭ al Tomas doniĝis instruo:
"Mi estas la vojo", klarigis Jesuo.

Rigardu Jesuon, ŝtuparon de ĝojo;
Al Dio la Patro li estas la vojo,
Elektu la veron kaj vivon, kaj tiam
Vi estos ĉiele benita por ĉiam.

## 68 *VOJO, VERO, VIVO*

Muziko ĉe himno 252

VI estas, Jesuo, por ĉiu la Vojo
El peko kaj timo kaj morto:
Laŭ via gvidado ni marŝas kun ĝojo
Trans ĉiun barilon de l' sorto.
Antaŭen kaj supren ni iras obstine,
Kaj kiam la celon atingos ni fine,
Ni kore atestos kun danko kaj ĝojo:
Vi estas la Vojo.

Vi estas, Jesuo, por ĉiu la Vero:
Nur per vi la Patron ni konas;
Vi lumas al ni sur malluma la tero,
Kaj kontraŭ eraro admonas.
Ni ofte parolas malsaĝe, dispute;
Neniam ni ĉion komprenos entute;
Sed tamen ja scias, kun plena sincero:
Vi estas la Vero.

Vi estas, Jesuo, por ĉiu la Vivo:
Pli bona, pli bela, abunda.
Per vi al penado doniĝas motivo,
Kompreno pri vivo profunda.
Dum kuna pilgrimo al Sankta Ciono
Ni strebu al amo kaj frata sindono
Laŭ via preĝado sur monto Olivo:
Vi estas la Vivo.

**JESUO : LA SAVANTO**

## 69 *I love to hear the story*

*Angels' story*, BGIJMNP; *Wolvercote*, ABCGIJLMPRUY

AMATAN historion
Rakontu nun al mi
Pri Kristo sur la tero,
Vivanta inter ni.
Mi estas ja pekulo,
Sed tamen estas ver',
Ke li por mia savo
Loĝadis sur la ter'.

Mi ĝojas, ke li estis
Infano, kiel ni;
Kaj same, ĉiam bona
Kaj pia estu mi:
Mi sekvu liajn paŝojn
Senlace ĝis la fin';
Li amas min tre multe
Kaj ne forlasos min.

Pri lia korboneco
  Leviĝos mia kant',
Ĉar kvankam mi ne vidas,
  Mi scias lin aŭdant'.
Kaj li pro amo sia
  Promesis eĉ al mi,
Ke iam kun anĝeloj
  Mi kantos antaŭ li.

## 70 *Tell me the old, old story*

*Tell me* (*Evangel*), BEFGHIJLMZ

1

DIRU la historion
  Pri Kristo nun al mi;
Rakontu plene ĉion
  Pri lia am' por ni.
Kvazaŭ al juninfano
  Rakontu simple ĝin—
Anima la malsano
  Jam ellacigis min.

*Karan la historion*
*Rakontu nun al mi.*

2

Klare kaj malrapide
  Vi komprenigu min
Pri Dia elaĉeto
  Por senpekigi nin,
Por ke la scio bena
  Restadu en memor':
La roso frumatena
  Tagmeze pasas for.

3

Pri la Animsavinto
  Solene diru vi;
Mi estas la pekinto,
  Por kiu mortis li.
Ĉiam pri li parolu
  Kun amo kaj fervor',
Kaj tiel min konsolu,
  Se premas min dolor'.

4

Diru la saman veron,
  Se iam timos vi,
Ke vantan mondprosperon
  Tro kare gajnas mi.
Kiam, en lasta horo
  Jordano frontos min,
Mi aŭdu el la gloro:
  "Jesuo savas vin".

## 71 *Souls of men, why will ye scatter?*

*Cross of Jesus*, ABGIJLMUY; *St. Mabyn*, BCFGJP; *Omni die*, BEJMPSWY; *Animae hominum*, BGILR

HOMANIMOJ! Kial ŝafe
  Kuri disen pro ektim'?
Stulte vagi for de amo
  Profundega kaj sen lim'?

JESUO: LA SAVANTO

Ĉu duone tiel dolĉe
  Vokis iam ajn paŝtist',
Kiel al piedoj siaj
  Vokas nin Jesuo Krist'?

Tiel vasta kiel maro
  Estas Dia pardonem';
Kaj pli milda lia justo,
  Ol la homa tolerem'.

La Ĉielo akre sentas
  La malĝojojn de la ter';
Niajn malfortaĵojn juĝas
  Kun kompata malsever'.

Amo Dia pli ampleksas,
  Ol mezuras homa mens';
Kaj mirinde amaj estas
  Dia koro, Dia pens'.

Pro la sango de Jesuo
  Nin pardonas Dia grac':
El sufero de la Kapo
  Por la membroj venas pac'.

Do kun pento proksimiĝu,
  Kaj neniam dubu plu,
Sed akceptu plenkonfide
  Sinoferon de Jesu'.

Se ni amus lin pli simple,
  Se lin fidus nia kor',
Niaj vivoj sune brilus
  En la ĝojo de l' Sinjor'.

## 72 *Come unto me, ye weary*

*Come unto me*, ABCGIMP; *Bentley*, BCFGJMNPZ

1

*HO venu vi, laculoj,*
  *Ripozon donos mi.*
Prematajn korojn vokas
  Jesuo nun al si.
Parolas li pri beno,
  Pardono kaj favor',
Senfina plena ĝojo,
  Kaj ama Dia kor'.

2

*Ho venu, forvagintoj,*
  *Mi lume gvidos vin.*
Jesuo vokas ame,
  Konsolas, helpas nin.
Ni perdis nian vojon,
  Malgajis nia kor';
Sed portis li la ĝojon,
  Kaj nokton pelis for.

3

*Ho venu, senfortuloj,*
*Mi revivigos vin.*
Ho voĉo kuraĝiga
Por la batala fin'!
Nin frontas malamiko,
Potenca estas li;
Sed pro la Dia helpo
Pli fortaj estas ni.

4

*Neniun, kiu venos,*
*Mi iam sendos for.*
Jesuo, vi forpelas
La dubojn el la kor'.
Akceptu nin, pekulojn,
(Malindaj kvankam ni
Je amo tiel vasta),
Sinjoro, nun ĉe vi.

## 73 *I have a Saviour*

*For you I am praying*, HZ

SAVANTON mi havas, preĝantan en gloro,
Amiko li estas, karega por mi.
Li gardas min ĉiam, kun amo en koro:
Sed ho ke li estu karega por vi!
*Por vi mi preĝadas,*
*Mi preĝas por vi.*

Patron mi havas. Li donis invite
Promeson de hejmo eterna kun li
Al ĉiu kredanto, kaj ja senmerite:
Ho venu vi ankaŭ ĉielon kun mi!

Veston mi havas de neĝa blankeco,
En gloro mirinda nun pretan por mi:
Sed ho ke mi vidu, en brila beleco,
Alian similan portata de vi!

Pacon mi havas, rivere trankvilan,
La teraj amikoj ne scias pri ĝi;
Sed ho ke vi ankaŭ ricevu similan
De nia Savanto donitan al vi!

Kiam Jesuo trovinta vin estos,
Aliajn pekintojn konduku al li;
Kaj ili kun ni en ĉielo alestos;
Respondos li preĝojn por ili kaj vi.

## 74 *LA AMIKO SERĈATA*

*Var är den vän* (J. O. Wallin)
*Cloisters*, AGLMPU; *Eirene*, LR

(Alia traduko, laŭ Sveda melodio, troviĝas en *Evangelia Kantaro*)

KARAN Amikon ĉie mi serĉadas;
De la tagiĝo lin mi sopiradas:
Tamen ne trovis ĝis vespera horo
Arda la koro.

Kie beleco montras sin, aŭ floro
Spike kliniĝas; kie bonodoro
Venton parfumas—eĉ en vivo mia—
Jen amo lia!

Mi aŭdas lin en spiro de somero,
Himno arbara, fluo de rivero.
Plej dolĉe al la koro li parolas,
Kaj min konsolas.

Tamen, ho ve! kaŝadas lin nebulo;
Preĝo atingas lin, sed ne okulo.
Ke mi lin vidu! metu koron mian
Sur bruston lian!

Se tiel bela estas ĉiu guto
De la vivado, de l' kreita tuto,
Kiom pli belas gloro senkompara
De l' fonto klara!

Kiam kun li mi staros sur la rando
Ĝoja kaj paca de la hejma lando,
Kaj gvidos min al ĝia tero brila
Morto trankvila?

* * *

Preĝu, atendu, ho animo mia!
Baldaŭ renkontos vin amiko via;
Ame vin premos, ŝirmos de atakoj
En siaj brakoj.

Rifuĝos vi al tiu paca bordo,
Kiel kolombo al la hejma pordo;
Kiel paŝtisten kuras la ŝafido
En plenkonfido!

## *LA AMIKO TROVITA*

### 75 *I've found a Friend*

*Constance*, BCGMU; *His for ever*, P;
*Bishopgarth*, BGHIJMNPU

AMIKON karan trovis mi!
  Li amis min fremdulon;
Per aminfluo tiris min,
  Volontan katenulon!
Kaj tiu ĉeno ĉe la kor'
  Rompiĝos ja neniam,
Ĉar mi al li, kaj li al mi,
  Ligiĝas nun kaj ĉiam.

Amikon karan trovis mi!
  Por mi li suferadis;
Eternan vivon donis li,
  Sin mem li oferadis.
Nenion propra nomas mi,
  Nenio estas mia;
Per koro, forto, vivo, mi
  Por ĉiam estos lia.

Amikon karan trovis mi!
  Kaj lian povon fidas;
Li sur la vojo gardas min
  Kaj al ĉielo gvidas.
La brilo de venonta glor'
  Instigas al penado;
Batalo nun, laciĝ', labor';
  Sed poste ripozado.

Amikon karan trovis mi!
  Fidinda Konsilanto,
Eterne sama restas li,
  Potenca Defendanto.
Per kia malamiko nun
  Disiĝos amo nia?
Per vivo, mort', infero? Ne!
  Mi restos ĉiam lia.

## 76 *One there is above all others*

*Ar hyd y nos*, BCEFHIMRSY; *Southgate*, BG;
*Nutfield*, AEP

KRISTO estas Frato nia,
  Li amas nin.
Pli ol ĉiu ajn alia
  Li amas nin.
Mondamikoj mankas iam,
Trompas nin, ŝanĝiĝas ĉiam,
Li forlasos nin neniam,
  Li amas nin.

Vivon donas lia kono,
  Li amas nin.
Fonto li de ĉia bono,
  Li amas nin.
Li por nia savo mortis,
Tra danĝero nin eskortis,
Serĉis, trovis, hejmenportis,
  Li amas nin.

Kiam malfeliĉo venas,
  Li amas nin.
Li konsolas, helpas, benas,
  Li amas nin.
Lin aŭskulti ni rapidu,
Ĉiel plaĉi lin avidu,
Senhezite lin konfidu.
  Li amas nin.

Ni pro Kristo pardoniĝas,
  Li amas nin.
Malamikoj forpeliĝas,
  Li amas nin.
Nin riĉigos beno ĉia,
Protektados mano lia,
Gvidos al la hejmo Dia—
  Li amas nin.

## 77 *Jesus, priceless treasure*

*Jesu, meine Freude*, BCIJLMRSUY

KRISTO, la trezoro
De kredanta koro,
Vi akceptis min;
Longe mi sopiris,
Arde vin deziris,
Soifegis vin.
Sole via
Estas mi:
Ho, protektu, gardu ĉiam,
Lasu min neniam.

Vanas nun atakoj,
Ĉar en siaj brakoj
Dio tenas min.
Kvankam tero tremas,
Mondaj zorgoj premas,
Mi fidados lin.
Mankas timo
En anim'!
Meze de batala bruo
Ŝirmos min Jesuo.

Ĉion frontas mi kuraĝe,
Ĉar min gvidas dumvojaĝe
Kristo, la Sinjoro.
Malgraŭ ŝtormvetero,
Paco kaj espero
Regas en la koro.
Super ĉio
Restas li
Fonto de purega ĝojo
Sur la viva vojo.

## 78 *I could not do without thee*

*Greenland*, M; *Munich*, BCGJMNPU;
*Pearsall*, ABCEJLMNPRSY

1 SEN vi mi kion farus,
Savinto kaj Sinjor';
Min kiu elaĉetis
Per sango kaj dolor'?
En via justo staras
Por mi la solesper'
Pri ĝojo kaj pardono,
Kaj savo el mizer'.

2 Sen vi mi kion farus?
Da forto aŭ bonec'
Mi mem neniom havas,
Neniom da saĝec'.
Sed vi, Savinto ama,
En ĉio helpas min,
Kaj malfortulojn kiuj
Sur vi apogas sin.

3 Sen vi mi kion farus?
Nur vi, kaj sole vi,
Komprenas la sopiron
De elanima kri'.
Nur vi esplori povas
La fundon de la kor',
Kuraci, trankviligi,
Kaj dubojn peli for.

4 Rapidas for la jaroj
De vivo sur la ter',
Kaj baldaŭ en soleco
Mi staros ĉe l' river'.
Sed min vi ne forlasos,
Kaj tra la ondobru'
Mi aŭdos vian voĉon:
"Jen estas mi, Jesu' ".

**79** *Art thou weary?*

*Stephanos*, ABCFHILMNPU; *Bullinger*, BEHMN; *Mill Brow*, CL

*ĈU lacega, korpremita,*
*En aflikto, vi?*
*Venu Kriston, kaj ripozu*
*Nun ĉe li.*

Kiel povas mi rekoni
Lin gvidant' por mi?
*Vundojn en pied', man', flanko,*
*Havas li.*

Ĉu li portas diademon
Sur ĉiela tron'?
*Jes, li portas—sed ĝi estas*
*Dorna kron'.*

Se mi trovos lin kaj sekvos?
*Tie ĉi dolor'*
*Estos via sort', kun larmoj*
*Kaj labor'.*

Kio por la fidelulo
Estos la donac'?
*Fino de malĝojo ĉia,*
*Vera pac'.*

Ĉu, al peto, senkompata
Estos lia kor'?
*Ne ĝis tero kaj ĉielo*
*Pasos for.*

Ĉu li ja min benos, se mi
Sekvos lin sen ĉes'?
*Apostoloj kaj sanktuloj*
*Diras: "Jes".*

**80** *Christ be with me, Christ within me*

*Deirdre*, BEJMRY
*Kaj variantoj diversnomaj en diversaj himnaroj*

KRISTO kun mi, Kristo ene,
Kristo post mi kaj antaŭe,
Min reganta ĉiam plene,
Ĉe prospero aŭ kontraŭe,

Sube, supre, en sufero,
En feliĉo kaj malĝojo,
En trankvilo, en danĝero,
Dum la tuta vivo-vojo.

## 81 *Mi amas la Sinjoron*

*Wolvercote*, ABCGIJLMPRUY;
*Pearsall*, ABCEGJMNPRSU; *Bentley*, BCFGJMNPZ

MI amas la Sinjoron,
Ĉar mortis li por mi:
Do vivon kaj laboron
Dediĉas mi al li.
Minacas min Satano
Dum vivo sur la ter',
Sed fidas mi al Dio
Kun ĝojo kaj esper'.

Matene ĝis vespere
Li ĉiam gvidas min;
Mi sekvos lin surtere,
Kaj fine vidos lin.
Ĉar poste en ĉielo
Vivados la anim',
Ĝojante en la helo
De amo ja sen lim'.

Sentime mi vagadas
Dum nuna pilgrimad',
Plenkore mi celadas
Al Dia mondregad'.
Mi amas la Sinjoron,
Ĉar mortis li por mi:
Do vivon kaj laboron
Dediĉas mi al li.

## 82 *LA SERĈADO*

*(Alta Kanto III)*

*Ravenshaw*, ABCEIMPRSUWY; *Hermitage*, GLMS

*MI demandas ĉiam:*
*"Kie estas la Paŝtist'?"*
*Tamen malgraŭ la persist'*
*Trovas lin neniam.*

*Lin mi serĉas ĉie,*
*Longe, senrezulte, en*
*Oraj ĉambroj, florĝarden';*
*Vidas lin nenie.*

Ho sensaĝulino!
Al la vana longa vag'
Dum la tuta teda tag'
Kiam venos fino?

Ne en ĉambroj oraj
Ripozadas la paŝtist';
Estas ne por li asist'
Ĉe festenoj floraj.

Sekvu la ŝafaron,
Se vi volas trovi lin;
Pacience kun obstin'
Venku ĉiun baron.

Serĉu vi kuraĝe
Ĉe la kruta nigra val'
Kaj danĝera akvofal',
Kaj vi serĉos saĝe.

Estas la rilato
Tiel sama en la kor'
Inter ni kaj la Sinjor',
Ho Kristana frato!

Kriston vi deziras?
Kun la ŝafoj sekvu vi,
Faru, kion diras li,
Se vi lin sopiras.

Fidu lian morton,
Iru ofte al la tron',
Preĝu por la pekpardon',
Legu Dian vorton;

Montru vi persiston,
Mondajn barojn ĵetu for,
Vivu nur por Dia glor',
Kaj vi trovos Kriston.

## 83 *Jesus calls us*

*St. Andrew* (*Thorne*), ABCFGJLPU; *St. Oswald* (*Sychar*), ABEGHIJLMNP; *St. Catherine* (*Jones*), JM

TRANS la malkvieta maro
De la vivo vokas nin
Dolĉa voĉo de Jesuo:
"Ho Kristano, sekvu min".

Antaŭ longe apostoloj
Ĉe la Galilea mar'
Aŭdis lin, kaj ĉion lasis,
Iĝis lia sekvantar'.

Kristo vokas de adoro
Antaŭ monda ora di':
"Lasu ĉiun kor-idolon,
Amu min, Kristano, pli".

En ĝojado kaj doloro,
Dum ripozo kaj labor',
Ĉie, ĉiam, Kristo vokas:
"Amu min per tuta kor' ".

Kristo vokas! Ho Savinto,
Ĉiam aŭskultigu nin;
Inklinigu nian koron
Pli ol ĉion ami vin.

**LAŬDO AL JESUO**

## 84 *All hail the power of Jesus' name*

*Miles Lane*, ABCEHIMPRSUY; *Diadem*, FGHMNZ; *Ladywell*, ABCGILPRUY

JESUAN nomon gloru kun
La anĝelara ĥor':
Per reĝa diademo nun
Lin ||: kronu :|| la Sinjor'.

Martiroj, kies firma fid'
Proviĝis en dolor',
Konfesu lin la Davidid'
Kaj kronu lin Sinjor'.

Ho tuta Izraela ras'!
Ekkantu kun fervor';
Kuniĝu vi en grandamas'
Kaj kronu lin Sinjor'.

## 81 *Mi amas la Sinjoron*

*Wolvercote*, ABCGIJLMPRUY;
*Pearsall*, ABCEGJMNPRSU; *Bentley*, BCFGJMNPZ

MI amas la Sinjoron,
Ĉar mortis li por mi:
Do vivon kaj laboron
Dediĉas mi al li.
Minacas min Satano
Dum vivo sur la ter',
Sed fidas mi al Dio
Kun ĝojo kaj esper'.

Matene ĝis vespere
Li ĉiam gvidas min;
Mi sekvos lin surtere,
Kaj fine vidos lin.
Ĉar poste en ĉielo
Vivados la anim',
Ĝojante en la helo
De amo ja sen lim'.

Sentime mi vagadas
Dum nuna pilgrimad',
Plenkore mi celadas
Al Dia mondregad'.
Mi amas la Sinjoron,
Ĉar mortis li por mi:
Do vivon kaj laboron
Dediĉas mi al li.

## 82 *LA SERĈADO*

*(Alta Kanto III)*

*Ravenshaw*, ABCEIMPRSUWY; *Hermitage*, GLMS

*MI demandas ĉiam:*
*"Kie estas la Paŝtist'?"*
*Tamen malgraŭ la persist'*
*Trovas lin neniam.*

*Lin mi serĉas ĉie,*
*Longe, senrezulte, en*
*Oraj ĉambroj, florĝarden';*
*Vidas lin nenie.*

Ho sensaĝulino!
Al la vana longa vag'
Dum la tuta teda tag'
Kiam venos fino?

Ne en ĉambroj oraj
Ripozadas la paŝtist';
Estas ne por li asist'
Ĉe festenoj floraj.

Sekvu la ŝafaron,
Se vi volas trovi lin;
Pacience kun obstin'
Venku ĉiun baron.

Serĉu vi kuraĝe
Ĉe la kruta nigra val'
Kaj danĝera akvofal',
Kaj vi serĉos saĝe.

Estas la rilato
Tiel sama en la kor'
Inter ni kaj la Sinjor',
Ho Kristana frato!

Kriston vi deziras?
Kun la ŝafoj sekvu vi,
Faru, kion diras li,
Se vi lin sopiras.

Fidu lian morton,
Iru ofte al la tron',
Preĝu por la pekpardon',
Legu Dian vorton;

Montru vi persiston,
Mondajn barojn ĵetu for,
Vivu nur por Dia glor',
Kaj vi trovos Kriston.

## LAŬDO AL JESUO

**83** *Jesus calls us*

*St. Andrew* (*Thorne*), ABCFGJLPU; *St. Oswald* (*Sychar*), ABEGHIJLMNP; *St. Catherine* (*Jones*), JM

TRANS la malkvieta maro
  De la vivo vokas nin
Dolĉa voĉo de Jesuo:
  "Ho Kristano, sekvu min".

Antaŭ longe apostoloj
  Ĉe la Galilea mar'
Aŭdis lin, kaj ĉion lasis,
  Iĝis lia sekvantar'.

Kristo vokas de adoro
  Antaŭ monda ora di':
"Lasu ĉiun kor-idolon,
  Amu min, Kristano, pli".

En ĝojado kaj doloro,
  Dum ripozo kaj labor',
Ĉie, ĉiam, Kristo vokas:
  "Amu min per tuta kor' ".

Kristo vokas! Ho Savinto,
  Ĉiam aŭskultigu nin;
Inklinigu nian koron
  Pli ol ĉion ami vin.

## LAŬDO AL JESUO

**84** *All hail the power of Jesus' name*

*Miles Lane*, ABCEHIMPRSUY; *Diadem*, FGHMNZ; *Ladywell*, ABCGILPRUY

JESUAN nomon gloru kun
  La anĝelara ĥor':
Per reĝa diademo nun
  Lin ||: kronu :|| la Sinjor'.

Martiroj, kies firma fid'
  Proviĝis en dolor',
Konfesu lin la Davidid'
  Kaj kronu lin Sinjor'.

Ho tuta Izraela ras'!
  Ekkantu kun fervor';
Kuniĝu vi en grandamas'
  Kaj kronu lin Sinjor'.

## LAŬDO AL JESUO

La Kalvarian krucon ni
  Konservu en memor':
Ni danke kantu tie ĉi,
  Kaj kronu lin Sinjor'.

El ĉiu gento kaj naci'
  De l' mondo, ĉiu kor'
Aklamu lin per laŭta kri',
  Kaj kronu lin Sinjor'.

Kun la sanktuloj ankaŭ ni
  Kuniĝu en ador';
Ĝis en eterna harmoni'
  Ni kronos lin Sinjor'.

## **85** *How sweet the name of Jesus sounds*

*St. Columba*, ABCEHIMPRSUW; *Dominus regit me*, ABCGIJLMPRSY; aŭ *St. Peter* (forigante lastan silabon de linioj 2 kaj 4), BCEMR

JESUO! Tiu dolĉa nom'
  Plenigas per esper(o);
Pro ĝi forflugas korĉagren',
  Doloro kaj mizer(o).

Revenas ĝojo al anim',
  Trankvilo al la koro;
Saniĝas vundoj, mortas tim',
  Sekiĝas ĉiu ploro.

Jesuo! Firma fundament',
  Lumego tra nebulo,
Ŝirmilo kaj kaŝejo vi,
  Ripozo por laculo.

Jesu'! Amiko, Edzo, Reĝ',
  Gardist', Anim', Sinjoro,
Profeto, Pastro, Vojo, Fin'—
  Al vi estadu gloro.

Ho ve! senforta estas mi,
  Malvarma mia koro;
Sed en ĉiel' mi vidos vin
  Kaj laŭdos kun fervoro.

Ĝis tiam mi adoros vin
  Kun amo kaj sincero;
Kaj min mortantan via nom'
  Fortigos per espero.

## 86 *When morning gilds the skies*

*Laudes Domini*, ABCGIJLMNPUY

1

MATENE vekiĝante,
Kantadas mi konstante:
*Al Kristo estu glor'!*
Ĉe preĝo kaj laboro
Ripetas mia koro:
*Al Kristo estu glor'!*

2

Se dormo foren iras,
Anime mi sopiras:
*Al Kristo estu glor'!*
Kaj ĉiu peka penso
Formortas el la menso:
*Al Kristo estu glor'!*

3

Se trafas min malĝojo,
Mi kantas sur la vojo:
*Al Kristo estu glor'!*
La koron konsolante,
Malgajon forpelante:
*Al Kristo estu glor'!*

4

Jen sonoj la plej belaj
El psalmoj enĉielaj:
*Al Kristo estu glor'!*
Surtere de l' homaro
Respondu laŭdkantaro:
*Al Kristo estu glor'!*

5

Sonadu tra la mondo
En vasta ĝoja rondo:
*Al Kristo estu glor'!*
El maro kaj aero
Resonu al la tero:
*Al Kristo estu glor'!*

6

En vivosorto ĉia
Ĝi restu kanto mia:
*Al Kristo estu glor'!*
Kaj dum eternaj jaroj
Himnadu anĝelaroj:
*Al Kristo estu glor'!*

## 87 *Praise the Lord through every nation*

*Sleepers wake* (*Wachet auf*), ACEILMPSWY

NUN al Kristo sonu kanto,
De ĉiu homo la Savanto,
Sidanta sur la Patra tron'.
Laŭdu lin, ho vi anĝeloj!
El altaj volboj de l' ĉieloj
Revibru ĉien ĝoja son'.
Al tiu glora kri'
Aliĝu ankaŭ ni:
Haleluja!
Per ĝojkantar'
De mar' al mar'
Laŭdados lin la tuthomar'.

Di', kun Dio potencanta;
Hom', homan formon nun portanta,
De ĉiuj gentoj reĝo li.
Lian savon plenfidante,
Eternan vivon ricevante,
Heredos la ĉielon ni.
En lumo antaŭ li
Kun ĝojo staros ni:
Haleluja!
Kun peko for
De ĉiu kor',
Vivante en eterna glor'!

Kristo, super la infero,
Pekado, morto, kaj mizero,
Potence triumfadis vi.
Surgenue adorante,
Kaj amon vian konfesante,
Ni laŭdas vin per danka kri'.
Post kruco tie ĉi
La kronon portos ni:
Haleluja!
Jam nun sen fin'
Regadu nin,
Kaj ĉiu koro laŭdu vin.

## 88 *Son of the living God*

*Weisse* (*Gottlob, es Geht*), BJPS

FILO de Dio, nin vokadu
Dum tuta vivo sekvi vin;
Per via graco ni restadu
Veraj disĉiploj ĝis la fin'.

Kiam malfortas fido nia
Kaj nin minacas uragan',
Venku la ŝtormon amo via,
Nin subtenadu via man'.

Se ni perfidas vin pro timo,
Vorte aŭ fare neas vin;
Fidon rekreu en animo,
Per alrigardo venku nin.

Donu, ke ni kun amo ĉiam
Ĉe viaj ŝafoj servu vin,
Kristo, forlasu nin neniam:
Restu kaj gvidu ĝis la fin'.

## 89 *God the Father, throned on high*

*St. Mark*, E — M. F. Bell (1862-1947)



PATRO en ĉiel' sidanta,
Filo nin amanta,
Kun Spirito sanktiganta:
  Savu nin, ho Dio.

Vivon, lumon, vi ordonas,
Vin glorego kronas,
Ĉion estre vi disponas:
  Aŭdu nin, Jesuo.

El ĉielo aŭskultante,
Viajn defendante,
Nin pekulojn kompatante:
  Aŭdu nin, Jesuo.

Via morto estis vojo
Al eterna ĝojo
Nedirebla, sen alojo:
  Aŭdu nin, Jesuo.

Fine sonos venka horo,
Regos vi en gloro,
Mortos peko kaj doloro:
  Aŭdu nin, Jesuo.

## 90 *Jesus, meek and gentle*

*St. Constantine*, AEIJLMNP; *Caswall* (*Bemerton*, *Filitz*), ABCEIJMPRUWY; *North Coates*, ABCGIJLMP

1 AŬDU nin, Jesuo,
Fil' de alta Di';
Ame nun aŭskultu
Al malforta kri'.

2 Savu nin el peko,
Ĉenojn ĵetu for,
Rompu la idolojn
De fiera kor'.

3 Amo kaj libero
Estu nia cel';
Tiru nian koron
Supren al ĉiel'.

4 Gvidu nin irantajn;
Estu mem la voj'
Tra la teraj ombroj
Ĝis ĉiela ĝoj'.

5 Aŭdu nin, Jesuo,
Fil' de alta Di';
Ame nun aŭskultu
Al malforta kri'.



## 91 *Come, Holy Ghost* (*I*)

*Veni Creator* (*Mechlin*), ABCFGJMPSUY

AL ni, Spirito Sankta, venu:
Per lumo kaj inspiro benu!
La fonto vi de ĉia bono,
Kaj la sepobla gracodono.

Vi enfluigas en la koron
Konsolon, vivon, amfervoron.
Se nin blindigas mondnebuloj,
Donacu lumon al okuloj.

Se malheliĝas la animo,
Freŝigu ĝin per via beno.
Nin gvidu: hejman pacon sendu:
De malamikoj nin defendu.

Instruu nin, ke estas Trio—
Vi, Patro, Filo; unu Dio:
Kaj dum la eternado via
Sonadu ĉiam kanto nia:

*Laŭdon al |via e|terna me|rito:*
*Patro, kaj |Filo, kaj |Sankta Spi|rito.*

## 92 *Come, Holy Ghost (II)*

*Veni Creator (Attwood)*, BGMNPRSU

SPI|RITO Sankta! Venu vi:
Lu|migu nin ĉielradi',
Ri|cevu ni per via ven'
|Gracojn de |via Dia ben';
|Kresku en |ni pro ĝia flamo
||: Konsolo, vivo, fajra amo. :||

Ni |vagas blinde tra nebul',
Re|donu vidon al okul';
De|nove ĝoju nia kor'
|Pro via |beno kaj favor';
|Ame nin |gvidu, gardu ĉiam,
||: Mal|bono trafu nin neniam. :||

La |Patron, Filon, konu ni
Kaj |Vin, kun ambaŭ, unu Di';
Ke |dum la tempo fluos for
|Kantu sen|fine nia kor';
|Estu laŭ|dado |sen inter|mito
||: Al |Patro, |Filo, |kaj Spi|rito. :||

## 93 *Breathe on me, Breath of God*

*St. Columba*, ABCEFIMPRSUW; *Storrington*, C

HO Dia Spir'! Enspiru min
Per nova vivo via,
Ke plenumiĝu via vol'
En ĉiu ago mia.

Ho Dia Spir'! Enspiru min,
Ĝis mia kor' puriĝos;
Ĝis via am' kaj mia am'
Plenplene unuiĝos.

Ho Dia Spir'! Enspiru min,
Animon mian gardu;
Por ke eĉ mia tera part'
Per Dia fajro ardu.

Ho Dia Spir'! Enspiru min,
Ke mi neniam mortu,
Sed vestojn de perfekta viv'
Dum eterneco portu.

## 94 *Come down, O Love divine!*

*Down Ampney*, BCEGIJMPRSUY

SANKTA Spirito, vin
Mi petas, trovu min,
Vizitu min per enspirado via!
El mia nigra kor'
Mallumon pelu for,
Ardigu ĝin per sankta flamo Dia.

Senhalte brulu ĝi,
Ĝis ĉiu terpasi'
Fandiĝos en la fajro konsumanta,
Kaj ĉiam pli kaj pli
La vojo antaŭ mi
Heliĝos en la lumo radianta.

Puriĝu mia mens'
De ĉiu peka pens',
Plenigu min sincera humileco;
Ke mi, kun vera sent'
De plej profunda pent'
Lamentu pri la propra neindeco.

Neniam iru for!
Restu en mia kor',
Ke ĝi, al via gloro sopirante
Estu, per via grac',
Ejo de sankta pac',
En kiu enloĝadas vi konstante.

**LA SANKTA SKRIBO**

## 95 *Lord, thy word abideth*

*Ravenshaw*, ABCEFIMPRSUW; *Oxford* (ĉe himno 4)

1 DIA vorto restas,
Nia gvido estas;
Lumas ĝi la vojon,
Donas puran ĝojon.

2 Meze de ĉagreno
Sonas ĝia beno;
Vorto de konsolo,
Sava Diparolo.

3 Trans ventega maro,
Nigra nubegaro,
Ĝia lum' direktas,
Voje nin protektas.

4 Fonto de plezuro,
Ĝojo sen mezuro,
Mino da trezoro
Por la simpla koro.

5 Dum la vivo restos,
Ĝi subteno estos;
Plej konsola vorto,
Kiam venos morto.

6 Gvidu la influo
De la sanktinstruo,
Ĝis kun la Sinjoro
Restos ni en gloro.

## 96 *O Jesus, thou art standing*

*St. Catherine* (*Dale*), ABEGJLPU;
*Llangloffan*, BCEFIJLMPR

JESUO, vi atendas
Ĉe la ŝlosita pord',
Starante pacience,
Por pasi trans la bord'.
Hontegu ni—gefratoj
Per via sankta nom'—
Forbari vin ekstere
De via propra dom'!

Jesuo, vi frapadas;
Sed falas via sang',
Surfrunte kuŝas dornoj,
Kaj larmoj sur la vang'.
Ho amo senkompara,
Atendi tie ĉi!
Hontinda peko, fermi
La pordon antaŭ vi!

Jesuo, vi petegas
Per ama, dolĉa kri':
"Por vi mi mortis. Kial
Tiele agas vi?"
Malfermu ni la pordon
Kun honto kaj dolor':
"Neniam nin forlasu!
Eniru nun, Sinjor' ".

## 97 *Weary of earth*

*Dalkeith*, EFMP; *Langran* (*St. Agnes*), ACIMPU

LACA pro mia peko kaj mizer',
Ĉielon mi sopiras, sen esper'.
Malbonon tie ne akceptos Di—
Invitas tamen voĉo: "Venu ci!"

"Ĉu mi esperu stari"—jen demand'—
"En pura gloro de la sankta land',
Sen timo antaŭ tiu blanka tron' ?"
Sed etendiĝas man' kun helppropon'.

Dum mi sopiras paŝi al ĉiel',
Satano logas min al malfidel';
Sed en orelo sonas ama voĉ':
"Konfesu, pentu, lasos vin riproĉ' ".

Tiu invito venas de Jesu';
Liaj la helpa mano kaj instru';
Kaj lia sango—lia vivodon'—
Min senkulpigos antaŭ Dia tron'.

Li min elserĉis sur dezerta voj'
Kaj heredigis al ĉiela ĝoj'.
Pardonan gracon donas al anim';
En ĉiu tago benas, kaj sen lim'.

Donu, ke mi kun humilega sent'
La robon portu de la kora pent';
Ke en la Patra domo mia vest'
El via justo taŭgu por la fest'.

Jes, vi respondos por mi, justa Di';
Via la kruco, mia la premi';
Por vi la dornoj, kaj por mi la kron';
Mi gajnas vivon: via la vivdon'.

Vane mi serĉus donon por kompens'!
Tamen el plena koro la incens'
Estu de mi la Magdalen-balzam'—
Pardonon vastan danku vasta am'.

## FIDO. KONFIDO

## 98 *In heavenly love abiding*

*Penlan*, BCGLMNPU

AL Dio konfidante,
  Nenion timas mi;
Li gardas min konstante,
  Senŝanĝa restas li.
Ekstere ŝtormoj muĝas,
  Sed vana la minac';
Al Dio mi rifuĝas;
  Interne estas pac'.

Vivadas mi sen manko,
  Ĉar Dio paŝtas min;
Kun ama kora danko
  Mi ĝoje sekvas lin;
Li ĉion klare vidas,
  Perfekta lia sci';
Antaŭen li min gvidas,
  Kaj iras mi kun li.

Al kampoj verdaj, belaj,
  Mirigaj por okul';
Ĉieloj sune helaj
  Sen nubo kaj nebul';
Plenumo de espero,
  Veriĝo de vizi',
Al vivo kaj libero—
  Kaj iros li kun mi.

# 99

*Meinhold* (*Hymnal Companion, 1890*) Germana melodio



*Ĉi tiu melodio havas diversajn formojn kun diversaj nomoj. Jen la plej konvena formo por nia teksto.*

DIO, ni adoras vin,
Kaj ni gloras vian forton.
Via mano kreis nin,
Regas nin kaj nian sorton.
De eterne sola Di',
Ĉiam sama restas vi.

Ĉiutage volas ni
Laŭdi vian sanktan nomon,
Ĉar per amo patra vi
Zorge gardas ĉiun homon.
Donu, ke de peka far'
Sin detenu la homar'.

Kompateme helpu nin,
Donu vian korfavoron.
Via beno montru sin,
Konsoladu nian koron.
Ĉiam ni fidadas vin:
Ho! neniam lasu nin.

## 100 *Nearer, my God, to thee*

*Horbury*, ACEHIMNSU; *St. Werburgh* (*Stewart*), M; *Propior Deo*, BEFP; *Liverpool*, BCPRS

1 DIO, pli apud vin,
Pli apud vin!
Eĉ se per kruca voj'
Vi levos min;
Ĉio nur tiros min,
Dio, pli apud vin—
Pli apud vin!

2 Se voje kovros min
Nokta kurten',
Sur tera lito, kun
Ŝtona kusen';
Sonĝoj venigu min,
Dio, pli apud vin—
Pli apud vin!

3 Ĉio montriĝu nur
Ŝtup' al ĉiel',
Kion alsendas vi
Kun ama cel';
Voku anĝeloj min,
Dio, pli apud vin—
Pli apud vin!

4 Tiam laŭdkantos mi
En frua hor';
Kreos Betelon el
Ŝtona dolor';
Kaj per sufero pli
Alproksimiĝos mi,
Dio, al vi.

5 Se ĝoje flugos mi
Tra la eter',
Preter la sun' kaj lun'
Kaj stela sfer';
Kantos ankoraŭ mi,
Dio, pli apud vi—
Pli apud vi!

## 101 *Rest of the weary*

*Rest* H. Parker



Alternativo: *Theodora*, BFGHMNPZ

FIDO. KONFIDO

1 DOLĈA ripozo
Por la lacul',
Ĝoja espero
Por malgajul',
Celo pilgrima,
Forto de l' kor',
Ŝild' en danĝero,
Mia Sinjor'!

2 Amo la kapon
Klinas sur vin,
Por la mortanto
Viv' en la fin',
Por humilulo
Krono de glor',
Vivdona spiro,
Mia Sinjor'!

3 Kiam mi falas,
Pro mia kri'
Dio, kompate
Helpu al mi.
Kiam de l' vojo
Vagas mi for,
Gvidu min hejmen
Mia Sinjor'.

4 Vin konfesante,
Nun donas mi
Gloron kaj benon,
Laŭdon al vi!
Min mi dediĉas
Dum ĉiu hor'
Al vi por ĉiam,
Mia Sinjor'.

## 102 *Safe in the arms of Jesus*

*Safe in the arms of Jesus*, EHIZ

*EN la Jesuaj brakoj,*
*Sur lia kara sin',*
*Restas mi sendanĝere,*
*Ame li gardas min.*
Sonas el malproksime
Voĉoj de anĝelaro!
Kanto el kampoj gloraj
Trans la kristala maro!

Tie en liaj brakoj,
For de la monda bru',
For de korodaj zorgoj,
Peko ne logas plu;
For de turmentaj duboj,
Laco pro vivlaboro,
Timoj kaj tentoj ĉiaj,
Larmoj kaj kordoloro.

Refreno: *En la Jesuaj brakoj . . .*

Mortis por mi Jesuo,
Ame li donis sin.
Li mia roko estas,
Firme mi fidas lin.
Pasos la noktaj nuboj,
Brilos matena helo,
Fine mi ĝoje vidos
Gloron de la ĉielo.

## 103 *Head of thy church triumphant*

*Lostwithiel*, N — J. Turle



Alternativoj: *Deliverance*, M; *Worship*, M

HO Eklezia Estro!
Kun ĝojo kaj adoro,
Ĝis venos vi,
Kantados ni
Por via granda gloro.
La korojn kaj la voĉojn
Ni levas, atendante;
Per laŭta krio
Laŭdas ni,
Pro l' savo dankdonante.

En forno de aflikto,
La fajron trapasante,
Pri via am'
Per danka psalm'
Ni laŭdas gajakante.
Ni ĝoje manfrapadas,
Timante ja neniam;
Ĉar amo via
Restos nia:
Benos nin por ĉiam.

Per vi ni trairados
  Torentojn da tentado;
    Kaj, sen ektimo
    En anim'
  La fajron de provado.
Kaj se Satana povo
  La vojon volos bari,
    Triumfos ni:
    Vanege ĝi
  Nin provos kontraŭstari.

Per fido nun vidiĝas
  La gloro regajnota;
    Kaj celas ni
    Al la premio
  Fine aljuĝota.
Kaj, kiel jam Stefano
  En sia morta horo,
    Ni vidos vin
    Vokanta nin
  Al enĉiela gloro.

## **104** *When by fear my heart is daunted*

*Westminster Abbey*, ABCGILY; *Ardudwy*, BS

KIAM mi danĝeron frontas,
  Min fortigu, ho Sinjor',
Se pro duboj mi ekhontas,
  Donu fidon al la kor';
Ĉiajn ĝenojn kaj ĉagrenojn
  Via vorto pelu for.

Dio, protektanto mia,
  Forta ŝildo sur la voj',
Per senlima povo via
  Venas venko sen aloj';
Lumo, amo, kaj senfina
  Vivo de eterna ĝoj'.

Firme pro la Dia graco
  Al Ciono marŝas mi;
Enanime estas paco,
  Ĉar antaŭe iras vi;
Forton, sanon, mi posedas,
  Por vin servi ĉiam pli.

## 105 *Through the love of God our Saviour*

*Southgate*, BG; *Ar hyd y nos*, BCEFHIMRSY; *Nutfield*, AEP

PRO la amo de l' Sinjoro
  Ne timos ni.
Ne ŝanĝiĝas Difavoro,
  Ne timos ni.
Nin vivigas Krista morto,
Instruadas lia vorto,
Ŝirmas nevenkebla forto:
  Ne timos ni.

Se nin tentos akra provo,
  Ne timos ni.
Plene savos Dia povo,
  Ne timos ni.
Dion amu do kun fido,
Kriston servu kun avido,
Sekvu al Spirita gvido:
  Ne timu vi.

Lumas antaŭ ni la vojo,
  Ne timas ni.
Fido kantas en malĝojo:
  Ne timas ni.
Nin ĉirkaŭos amo Dia,
Zorgos pri bezono ĉia,
Dum la tuta vivo nia
  Ne timos ni.

## 106 *A sure stronghold*

*Ein' feste Burg*, ABCEIJMPRSUY

REMPARO estas nia Di',
  Fidinda defendanto.
Nin el danĝero tiras li,
  Helpanto kaj Savanto,
Minacas nin Satan'
Kun glavo en la man',
  Potence armas sin
  Por ruze venki nin;
Sur ter' ne estas tia!

Fidanto al la propra fort'
  Fariĝos subigita,
Sed helpas nin en ĉia sort'
  La Die elektita:
Elektis kiun Di'?
Jesuo estas li:
  Savanto kaj Sinjor',
  La sola por ador';
Venkonto en batalo.

FIDO. KONFIDO

Se tuta diablaro nin
  Atakus por detruo,
Ni tamen forkurigus ĝin
  Per helpo de Jesuo.
La princon de l' infer'
Renversos Dia ver',
  Kaj tial estas li
  Senpova kontraŭ ni;
Lin venkos Dia vorto.

Firmege staros Dia vort',
  Kaj restos ĝi por ĉiam;
Inferaj provoj, tempo, mort',
  Ŝancelos ĝin neniam.
Kaj se minacos nin
Malgloro kaj ruin';
  Se ĉio pasos for,
  Eĉ vivo kaj honor';
La Dia regno staros.

## 107 *LA GAJA MIGRANTO*

*Strathfield* (*New Hymnal*, 1905) Granville Bantock



Alternativo: *Gott will's machen*, R

SE donas Di' al vi favoron,
  Li sendas vin for el la dom',
Por montri sian mirlaboron,
  La belan mondon, al la hom'.

De l' montoj riveretoj fluas,
  Alaŭdoj kantas super mi;
Mi ankaŭ gajan kanton bruas
  Al la tutmonda harmoni'.



F

LA BONA PAŜTISTO

Al Dio fidas mi kun ĝojo.
  Li zorgas pri la tuta ter':
Li ankaŭ min, sur mia vojo,
  Eterne gardos de danĝer'.

## 108 *Lord, thou hast been our dwelling-place*

*Luther*, ABCEFGIJMRS, P 211;
*Allein Gott* (*To God on high, Elberfeld*), EJMPS;
*Wittenberg* (*Dettingen, Es ist das Heil*), ELMS

SINJORO, vi ŝirmadis nin
  Dum jaroj sekvis jarojn.
Popolo via restis ni,
  Kaj laŭdis viajn farojn.
Se en aflikto kriis ni,
Ĉiame apudestis vi
  Kaj venkis ĉiujn barojn.

Jam ofte, konfesante ĝin,
  Ni ploris pekon nian;
Sed tamen firme fidis vin
  Kaj amis nomon vian.
Vi gardis nin senĉese, por
Ke ni neniam vagu for,
  Nek lasu vojon Dian.

El viaj brakoj, ho Savant',
  Perdiĝos ni neniam.
Konstante restos vi helpant',
  Nin ne forlasos iam.
Sub via ŝirmo loĝis ni,
Kaj rifuĝejo estos vi
  Eterne kaj por ĉiam.

LA BONA PAŜTISTO

## 109 *PSALMO 23* (*I*)

*Wiltshire*, ABCEHILMRSUY

ĈAR Dio, la Paŝtisto mia,
  Herbejojn verdajn donas,
Min ripozigas en trankvilo;
  Nenion mi bezonas.

Li min anime kvietigas,
  Defendas en danĝero,
Kondukas min pro sia nomo
  Laŭ vojo de la vero.

Eĉ kiam tra malluma valo
  De morto mi promenos,
Ne timos mi, ĉar vi kunestas,
  Bastone min subtenos.

LA BONA PAŜTISTO

Por mi eĉ antaŭ malamikoj
Vi tablon plena faras;
La kapon ŝmiras per oleo,
Kaj vinon vi ne ŝparas.

La Difavoro min sekvados
Dum ĉiu vivo-horo,
Kaj poreterne mi loĝados
La domon de l' Sinjoro.

*PSALMO 23 (II)*

## 110 *Christ, the Lord, is my good shepherd*

*St. Leonards*, BGLU

KRISTO, la Sinjor', min paŝtas;
Li kondukas, gvidas min.
Mankon mi ne havos, se mi
Ĉiam fidos lin.

Kie verdas la herbejoj
Ĉe trankvila akvoflu',
Tie li min kondukadas,
Kaj ne lasos plu.

Min per sia nom' li gvidas
Laŭ la vojo de la ver';
La animon trankviligas,
Savas per esper'.

En malluma mortovalo
Mi ne timos pri malbon':
Restos mi trankvila, ĉar li
Gvidos per baston'.

Apud miaj malamikoj
Tablon kovras lia man',
Kaj provizas ĝin abunde
Per ĉiela pan'.

Mian kapon li grasigas
Per ole' de sankta ĝoj',
Kaj pokalon li plenigas
Por la laca voj'.

LA BONA PAŜTISTO

Sekvos min dum tuta vivo
   Lia bono kaj favor',
Ĝis la fino de l' vojaĝo
   En ĉiela glor'.

Ho feliĉo superega
   Adoradi antaŭ li:
Ĝoje resti poreterne
   En la dom' de Di'!

*PSALMO 23 (III)*

## 111 *The King of Love my shepherd is*

*Dominus regit me*, ABCFILMPRSUY;
*St. Columba*, ABCEGIJMPRSW; *Hardwicke*, M

KUN ama zorgo paŝtas min
   La ĉiam bona Dio;
Mi estas lia, mia li,
   Kaj mankas ja nenio.

Sur ĉiamverdaj kampoj mi
   Ripozon dolĉe ĝuas,
Kaj kie li kondukas min
   Trankvilaj akvoj fluas.

Vaginte de la vojo for,
   Mizere mi ekmortis;
Sed li, serĉinte, trovis min,
   Kaj hejmen ĝoje portis.

Eĉ ombran valon de la mort'
   Trairos mi sentime;
Kunestas vi, kaj per baston'
   Fortigos min anime.

Vi kovras tablon antaŭ mi,
   Plenigas la kalikon,
Oleon verŝas por la kap',
   Hontigas malamikon.

En daŭro de la tuta viv'
   Bezonos mi neniam;
Pro Difavoro restos mi
   En lia domo ĉiam.

## 112

*PSALMO 23 (IV)*

*Crimond*, BCGIJLRUY

LA Eternulo paŝtas min,
Kaj mankas ja neni';
Kun amo sur la verdherbej'
Min ripozigas li.

Kviete li kondukas min
Laŭ vojo de la ver';
Kaj apud akvoj de trankvil'
Min ŝirmas de danĝer'.

Eĉ tra malluma valo nun
Sentime iros mi;
Bastono via gvidos min,
Kaj kunestados vi.

Nun antaŭ mia malamik'
La tablon kovras vi;
La kapon ŝirmas per ole';
Min gardas mia Di'.

Nur bono kaj favoro nun
Min sekvos tie ĉi;
Kaj en la dom' de l' Eternul'
Eterne restos mi.

## 113

*PSALMO 23 (V)*

***Requiem*** **(*Hymnal Companion*, 1890)** C. Vincent



MI ŝafo estas de l' Sinjoro nia,
Kaj mankos ja nenio;
Sen zorgo restas ĉiam koro mia,
Min paŝtas mia Dio.

## LA BONA PAŜTISTO

Plej dolĉe kie verdas la herbejo,
  Li ame min kuŝigas,
Kaj apud la trankvila riverejo
  En paco ripozigas.

Se foren iam vagas paŝo mia,
  Kaj trafas min mizero,
Li rekondukas min pro nomo sia
  Laŭ vojo de la vero.

Eĉ en malluma valo de la morto
  Mi sen teruro estos;
Kunestas vi, kaj mia por komforto
  Bastono via restos.

Por mi en vido de la malamanto
  La tablon vi preparas;
Kaj, plenigite por la soifanto,
  Pokalo prete staras.

Sekvados min de nun en ĉiu horo
  Nur bono kaj kompato,
Kaj ĉiam en la domo de l' Sinjoro
  Mi restos Diamato.

## 114 *There were ninety and nine*

*Pastor* (*Hymnal Companion*, 1890) C. R. Cuff





Alternativo: *The Ninety and nine*, IZ

FELIĈE **kuŝis** la |naŭdek |naŭ
  **En** la |paco |de l' ŝa|fej':
Sed unu **tamen** va|gadis |for
  Sur la **monta** |sova|ĝej'.
For de la **ora** |pordo, |for
De la **zorgo** |de l' Paŝ|tis|ta |kor'.

## PREĜADO

"*Ĉu ne suficas, |ho Sin|jor',*
*La |naŭdek |naŭ kun |vi?*"
"*El mia ŝafaro |unu |nun*
*Perdiĝis*", res|pondis |li:
"*Sur la roka vojo kaj |nuda |ter'*
*Mi ĝin serĉos, kaj |savos |el |mi|zer'.*"

Sed la ŝafo ne sciis pri l' |akvo|flu',
Nek pri la |nigra |nokta |voj';
Nek pri la longa |serĉva|gad'
Ĝis venis la |trovo|ĝoj'.
Sonis malforta sen|helpa |kri',
Kaj en la de|zerto ĝin |aŭ|dis |li.

"*De kie venis la |ruĝa |sang'*
*Sur la |kruta |montde|kliv'?*"
"*La bona paŝtisto |donis |ĝin*
*Por savo de l' |ŝafa |viv':*
*Lin ŝiris dornoj kaj |ŝtona |ter',*
*Sed li ne a|tentis |pri|dan|ĝer'.*"

Kaj el la sovaĝa |monte|gar',
Kaj el la |rokaj |valoj, |kri'
Leviĝis al la ĉi|ela |pord':
"*La perditon re|trovis |mi*";
Kaj eĥis responde an|ĝela |ĥor'
La ĝojon |de l' Paŝ|tis|ta |kor'.

## PREĜADO

**115** *Lift up your hearts!*
*Woodlands*, BCJLMRSUY
*Ni levu nian koron: Plor. 3/41*
(*La teksto laŭ* L)

AL vi, Sinjor', la koron levas ni,
Ĉar nia sola helpo estas vi.
Unuanime, kaj kun plenfervor'
La koron levas ni al vi, Sinjor'.

El profundaĵoj de la pekoŝlim';
Malvirto, dubo, kulpoj ja sen lim';
Mallumo densa, tento, kaj ruin';
Ho Dia Lumo, suprenlevu nin.

El nigra marĉ' de peko kaj perfid';
Malindaj pensoj, skismo, kaj avid';
Balbuta lango pro hontanta tim';
Al via Ver' sopiras la anim'.

PREĜADO

Super minacaj nuboj de fier',
Malam', ĵaluz', envio, malesper';
Ho Dia Amo, suprenlevu nin:
Starigu vian regnon en la fin'.

"Rigardu supren!" sonas en orel',
"La koron levu alten al ĉiel'!"
En plenakord' respondas ni en ĥor':
"La koron levas ni al vi, Sinjor' ".

## 116 *ETENDITAJ BRAKOJ*

(Eliro 17/11; 1 Sam. 17/49; Agoj 9/8)

*Bentley*, BCDFJMNPZ; *Komm, Seele*, CEJPS

HO Ĉiopova Dio,
De l' sferoj la Regant',
Ricevu nun la preĝon
De ĉiu adorant',
La brakojn ni etendas
Ĉar akra la batal',
Ho donu al ni venkon
En nia tera val'.

Kaj se sur nia vojo
Eĉ Goljat frontos nin,
Defias vin, ho Dio,
Malpie mokas vin;
La brakojn etendante
Por helpo en batal',
Ni teren lin faligos
Per vi, en Ela val'.

Se iu malamiko
Celadas kun obstin'
Kristanojn pereigi,
Ĉar ili fidas vin;
Se brakojn li etendos;
Senpova estu li,
Ĝis pente li obeos
Al la ĉielvizi'.

## 117 *What various hindrances we meet*

*Mainzer*, BCGIMNPU; *Melcombe*, ABCHJLMRSUWY; *Wareham*, ABCEJLMPRSUY

KIOMAJN barojn trovas ni
Al genuiĝo antaŭ Di'!
Sed per ĝi venas riĉa ben'
Kaj malaperas korĉagren'.

Preĝado pelas nubojn for;
Altigas al ĉiela glor';
Fortigas amon en anim';
Venigas ĝojon, kaj sen lim'.

DEPENDO DE DIO

Sen ĝi malfortas homa brak';
Ĝi nin ŝirmadas dum atak'.
Satano tremas ĉe la vid'
De preĝo kun humila fid'.

Ĉu vortoj mankas? Pensu vi—
Torentas vortoj, kiam ni
Najbaron tedas per lament'
Kaj ĉiuspeca malkontent'.

Sed se ni preĝus kun fidel'
Al nia Patro en ĉiel',
Konstante danke krius ni
"Aŭskultu, kion faris Di'!"

**DEPENDO DE DIO**

**118** *God be in my head*

*God be in my head*, BCIJLMY
(Aliaj arioj ĉe A 332)

DIO en la kap'
  Kaj en la intelekto;
Dio en okul'
  Kaj en vidado;
Dio en la buŝ'
  Kaj en parolo;
Dio en la kor'
  Kaj en pensado;
Dio ĉe la fin',
  Kiam mi forpasos.

**119** *O love, that wilt not let me go*

*St. Margaret* (*Peace*), BCFGHIJMNPUZ

HO Am', tenanta min konstante!
  Ripozon trovas mi en vi,
Ke mia vivo, redonate,
En ama ocean' tenate,
  Kresku ĉiam pli.

Ho Lumo! Dum vivpilgrimado
  Torĉeton mian prenu vi,
Ke sole via radiado
En suna helo de brilado
  Lumu super mi.

DEPENDO DE DIO

Ho Ĝojo, beno en doloro!
  La koron cedas mi al vi;
Vidiĝas ĉielarka gloro,
Feliĉa promesita horo
  De matenradi'.

Ho Kruco, kara al memoro!
  Ne preĝas mi eviti vin.
Se mortos ĉia monda gloro,
Elpolve ruĝa vivofloro
  Kreskos jam sen fin'.

## 120 *By cool Siloam's shady rill*

*Belmont*, ABÇEGIMNPRSW

LAŬ bordoj de Siloam, jen
  Lilio, bela flor':
La ventojn de Ŝaroneben'
  Parfumas rozodor'.

Ho, dolĉa estas juninfan',
  Simile al lili';
Se vivas ĝi laŭ Dia plan',
  Kaj turnas sin al li.

Laŭ bordoj de Siloam, jen
  Lilio velkos for,
Kaj baldaŭ de la valeben'
  Formortos roza flor'.

Tro baldaŭ junon perdas ni,
  Alvenos vintra hor';
Blovados ventoj de pasi',
  Tentado, kaj dolor'.

Infano iris vi, Jesu',
  La templon por ador';
Kaj dum la tuta vivoflu'
  Ne pekis via kor'.

Dependaj nur de via spir',
  Ho Dio, petas ni—
Infano ĝis maljuna vir'—
  Nin tenu apud vi.

## 121 *God is my strong salvation*

*Knecht* (*Kocher*, *Barton*), ABEFIJLMNPRY; *Bremen* (*Christus der ist mein Leben*, *Pastor*), BCEGILMPRSUWY

1 MIN savas mia Dio,
Do kiun timu mi?
En tento kaj mallumo
Helpadon donas li.

2 Se frontas min armeo
Kaj granda armilar',
Kun Dio dekstramane
Restados mia star'.

3 Atendu, do, animo,
Fidadu je l' Sinjor';
Subtenos lia vero
En malfacila hor'.

4 El lia forto, povo;
El lia amo, ĝoj';
Dum paco vin benados
Sur via tuta voj'.



## 122 *Lord of our life*

*Cloisters*, AGLMPU; *Christe sanctorum*, ABCEIJLPRSUY; *Integer vitae* (*Flemming*), BCN; *Iste Confessor* (*Rouen*), ABCEIRSY; *Iste Confessor* (*Angers*), ACRSW

ESTRO de l' vivo, Ĉiopova Dio!
Stelo de l' nokt', Espero de l' nacio!
Aŭdu la preĝojn el la eklezio,
Forta Reganto!

Vidu! la ŝipon ondoj ĉirkaŭprenas;
Vidu! standardojn malamikoj tenas;
Sagoj venenaj hajle sur nin venas—
Vi povas savi.

Ne helpas homoj, sed vi nin protektos,
Kaj, se ni pekos, patre nin korektos;
Morto, infero, viajn ne difektos.
Donu la pacon!

Pacon animan, malgraŭ diablaro,
Pacon interne de la Kristanaro,
Pacon en mezo de militpreparo,
Trankviligantan.

Helpu nin venki en bataldanĝero;
Donu al ĉiu vidon de la vero;
Kaj, kiam venis paco al la tero,
Pacon ĉielan.

## 123 *O Strength and Stay*

*Strength and Stay*, ABCFGILMW;
*O Perfect Love*, BCFGIMPU; *Intercessor*, ABCGILMPRSY

HO subtenanto de la kreitaro!
Dum la eterno ne ŝanĝiĝas vi,
Sed la misteran lumon de l' astraro
Senĉese gvidas: vin alpreĝas ni.

Ĉe l' taga fino donu al ni pacon;
Vesperon sen velkado aŭ dolor';
Mortliton sanktan: ĝojon kaj senlacon;
Antaŭajn signojn de ĉiela glor'.

Nin aŭdu, Patro ama kaj pardona,
Pro via Filo la eterna Vort';
Al vi kaj li kaj la Spirito bona
Ni adorados nun kaj post la mort'.

## 124 *Peace, perfect peace*

*Pax tecum*, ACGHMNPZ; *Coena Domini*, BFIMP

PACO perfekta, sur peknigra ter'?
Jesuo pacon donas, kun esper'.

Paco perfekta, malgraŭ devoprem'?
Jesuon servi estas paco mem.

Paco perfekta, meze de ruin'?
Trankvilon trovu ĉe Jesua sin'.

Paco perfekta, kun amatoj for?
Jesuo gardos nin en ĉiu hor'.

Paco perfekta—morgaŭ nur mister'?
Jesuo gvidos nin al lum' kaj ver'.

Paco perfekta, kiam ombras mort'?
Jesuo venkis ĝin per sia fort'.

Sufiĉas nun! Post nuna lukt' kaj lac'
Jesuo vokos al ĉiela pac'.

## 125 *Al la Dia Patro donu*

*Salvator (Jewson)*, HM; *Abbot's Leigh*, BCGLRUY; *Bethany*, BCGHMNPUZ

AL la Dia Patro donu
  Ĉiun forton en junec',
Lasu, ke Li pilotadu
  Vin de via infanec'.
Vian vojon Li komprenas
  Daŭran gvidon donos Li;
Do konfidu vian vivon
  Al la Ĉiopova Di'.

Al la Dia Reĝo donu
  Ĉefan lokon en la kor',
Celu, ke Li superregu
  Ĉiun planon de labor';
Li vin ĉiam vidas ame,
  Daŭran helpon donos Li,
Dum antaŭen vi marŝadas,
  Fide, preĝe, pli kaj pli.

Al la Kristanaro donu
  Ĉian helpon el spertad',
Estu via pilgrimado
  Ĉiam sankta instigad';
Dio vin prizorgos plene
  Ĝis la fina venko-kri',
Kiam post la tera vivo
  Lian gloron vidos vi.

## 126 *God of love and truth and beauty*

*Carolyn*, RY

DIO ĉiopova, ama,
  Sankta via nomo,
Justofonto ĉiam sama,
  Sankta via nomo.
Kiel supre ĉielanoj
Gloras vin per laŭthozanoj,
Same laŭdu ni, teranoj,
  Sankta via nomo.

Malgraŭ la blindeco nia,
  Sankta via nomo;
Nin pardonu amo via,
  Sankta via nomo.
Per enmensa lumiĝado,
Kora pento pri pekado,
Sindediĉa obeado,
  Sankta via nomo.

Ĉe preĝado kaj adoro,
  Sankta via nomo,
En humila vivlaboro,
  Sankta via nomo.
Ĉe persona vivo nia;
Adorado eklezia;
Konscienco tutnacia;
  Sankta via nomo.

## 127 *O Thou who camest from above*

*Ach Gott Und Herr*, ABCEIJLNPRSU

HO Estro de l' ĉiela sfer',
  La sanktan fajron donu vi;
Sur la altar' de mia kor'
  Bruligu flamon nun ĉe mi.

Ardege, daŭre, brulu ĝi
  Por via laŭdo, via glor';
Incenso sankta de l' anim'—
  La preĝoflamo de ador'.

Jesuo! Helpu nun al mi
  Per ĉiu forto servi vin;
La sanktan flamon gardu mi
  Dum pilgrimado ĝis la fin'.

Tutpreta por la via vol'
  Mi agu ĉiam kun fervor',
Ĝis morto, laŭ la Dia plan',
  Kondukos min al plenador'.

## 128 *How blessed, from the bonds of sin*

***Beulah*** (adaptita), M



HO, kiel ĝoje, en libero
  Kun senpeka koro,
Kaj sola celo obeeme
  Servi vin, Sinjoro;
Akcepti taskon plej humilan
  Por la gloro Dia;
Laboron eĉ plej malfacilan
  Laŭ ordono via!

Volonte, kun okulo vigla,
  Fari volon vian;
Kuradi plej lacigan vojon,
  Porti pezon ĉian!
La tondran voĉon de komando
  Mi ja ne bezonas,
Ĉar amo volon de l' Amato
  Tre facile konas.

Mi tiel servu vin, Jesuo,
  Laŭ plenforto mia,
Per tuta korpo kaj animo
  Ĉiam sole via.
Ĉe bona aŭ malbona sorto
  Estu vi glorata;
Kaj en la vivo kaj en morto
  Danke adorata!

Feliĉaj tagoj de laboro,
  Dolĉa la servado!
Rapide venos bena horo,
  Fino de strebado.
Hejmiros ĉiuj fideluloj,
  Sonos ĝojokantoj;
Kaj kie estos la Sinjoro
  Tie la servantoj!

# 129 *Oh grant me, Lord Jesus*

*Goodwill* (adaptita), J — Alice M. Pullen



***Birmingham*** — **J. G. Smith**



JESUO amanta, permesu al mi,
Ke via servanto mi estu;
Kaj tra ĉiu sperto sendita de vi,
Ke vin mia vivo atestu.

Ĉar super feliĉo kaj super sufero,
Abundo aŭ manko de oro,
Honoro kaj famo, malĝojo, espero,
Vi reĝas, la sola Sinjoro.

Vi sola, Jesuo, plenforte kaj glore
Elmontras Diamon grandegan;
Aŭskultas la preĝon faritan elkore,
Kaj donas respondon plenegan.

Mi preĝas, ke super mi restu por ĉiam
La ŝirmo de via protekto;
Kaj pro via graco atingu min iam
La brilo de via perfekto.

## 130 *Our Friend, our Brother*

*Hornsey* S. S. Wesley. Adaptis R. Johnson



1
NIA Frato kaj Sinjoro,
Kiel vin servadi?
Ne per nomo, rito, moro—
Simple vin sekvadi!

2
Ne per brulofero pia
Ni pri vi atestas;
Sed per am' al frato nia,
Ĉar li via estas.

3
Plej sincera litanio—
Danko kaj amado:
Sakramenta liturgio—
Ĝoja bonfarado.

4
Vanas bronza sonorado
Kaj incensa fumo,
Volbaj navoj, belfasado,
Kandelabra lumo.

5
Nur el amo de la koro,
Fida kaj sincera,
Venas laŭdo kaj adoro—
Obeado vera.

## 131 *We may not climb the heavenly steeps*

*Hornsey* (muziko ĉe 130)

NI ne devas ĉieliri,
Por Jesuon vidi;
Nek profundegaĵojn ŝiri,
Por lin kore fidi.



G

SERVO AL DIO

Li ne estas homo mita
El la legendaro,
De poetoj prirevita
Ĉe fabela maro.

Ne! ankoraŭ ama, viva,
Helpas li en vero;
Staras sur la mont' Oliva,
Galilea tero.

Lin atingas nia ĝemo,
Se espero vanas;
Lin tuŝante en hompremo,
Ni denove sanas.

Junaj, ni per li konstante
Niajn preĝojn diras;
Kaj maljunaj, ni, mortante,
Lian nomon spiras.

Per la *vivo*—Petra pento,
Amo de Johano—
Pli ol per ekstera sento
Konas lin Kristano.

Ĉe la paco enanima,
Pento de la koro;
Ja sin montras tre proksima
Kristo la Sinjoro.

**132** *PSALMO 127*

*Bavaria* Mozart



Alternativo: *Strathfield* (muziko ĉe 107)

SE l' domon Dio ne konstruas,
Tutvane tiam super ĝi
Aliaj konstruantoj bruas:
Neniam venas bon' sen li.

SINDEDIĈO

Se urbgardanto li ne restas,
  Vigladi estas sen profit':
Leviĝi frue vane estas;
  Malfrue iri al la lit'.

Senfrukta la klopodo nia!
  "En dormo donas la Sinjor' "
Bonaĵojn al amato sia.
  Ho, fidu lin el tuta kor'!

SINDEDIĈO

## 133 *Oh the bitter shame and sorrow*

*Oh the bitter* (*Irish Church Hymnal*, 1919) W. H. Monk



Alternativoj: *Lydbrook*, GLU; *St. Jude*, GN

HO amara hontmemoro,
  Ke la koron fermis mi!
Vane Kristo petis lokon;
Mi respondis lian vokon:
  "Sole mi, neniom vi".

Sed li venis por min savi;
  Sur la kruco pendis li;
Vortojn de pardono diris—
Mia koro eksopiris:
  "Iom mi, kaj iom vi".

Ĉiutage, kompateme,
  Dolĉe, ame, vokis li,
Pacience atendante—
Kaj mi flustris, ekcedante:
  "Malpli mi, pli multe vi".

Super la ĉiela supro,
Ol la mar' profunda pli,
Dio, venkis amo via;
Plenumiĝu preĝo mia:
"Mi neniom, sole vi".

## 134 *Take my life*

*Nottingham*, BGHMNPZ; *Weber*, HN;
*Culbach*, ABCEIJLMPSWY; *St. Bees*, ABCEGHILMNPU

PRENU mian vivon, Di',
Mi dediĉas ĝin al vi;
Ĉiu tago kaj moment'
Vin laŭdadu sen silent'.

Ĉiu mia korpa mov'
Estu nun sub via pov';
Man', piedo, sen rezerv'
Agu nur por via serv'.

Celu mi per ĉiu kant'
Glori sole vin, Reĝant';
Ĉiu vorto kaj parol'
Estu nur laŭ via vol'.

Monon ne konservu mi—
Ĉiun speson prenu vi;
Prenu pensojn de l' anim',
Ĉiun povon de esprim'.

Prenu mian volon, ĝi
Apartenu nur al vi;
Mia koro estu don'
Antaŭ via reĝa tron'.

Prenu min, ĉar mi, Sinjor',
Vin amegas kun ador'.
Nun kaj ĉiam vivu mi
Ĉie, ĉiel, nur por vi.

## 135 *King of Glory*

*Gwalchmai*, ABCEIJLMRSUY; *Bemerton*, Y

REĜO glora, servi vin
Mi deziras.
Ke vi ĉiam gvidu min,
Mi sopiras.
Kiam vin alpreĝis mi,
Vi kompatis:
Ne rifuzis aŭdi vi,
Nek malŝatis.

Dio, ĉiam tutakore
Mi vin amos;
Vian amon plenfervore
Mi proklamos.
Kiam en pekado mi
Preskaŭ dronis,
Mian krion aŭdis vi,
Kaj pardonis.

Ĉiun tagon kaj senmanke
  Mi vin gloros;
Tutan vivon mi kordanke
  Vin adoros;
Al vi ĉiam turnos min
  Enanime;
Dumeterne laŭdos vin,
  Kaj senlime.

## AFLIKTO. DOLORO

**136** *To my humble supplication*

*De Profundis*, E;
*Quem pastores laudavere*, ABCEIJMPRSUY
*Mon Dieu, prête-moi l'oreille*, CS

AL humila preĝo mia
Klinu sin orelo via;
Ĉar esperon havas mi
Ja nenian, krom en vi.

Sendu ĝojon al la koro
Nun premata de doloro,
Kiu supren, for de l' tero,
Sopiradas al libero;

Fidas la kompaton vian,
La senliman amon Dian,
Kaj, al vi turnante sin,
Nepra helpo trovas vin.

Min blindulon helpu, gvidu,
Ke la veron mi ekvidu;
Ke la vojon paŝu mi
Al ĉielo kaj al vi.

**137** *Excelsior*, BCEFGJMPRUW;
*Lübeck (Gott sei dank)*, ABCFGIJLMPRU

1
ĈIAM helpu min, Sinjor',
  Bona, pardonema,
Min konsolu en dolor',
  Patro kompatema!

2
Laŭ ĉiela vojo mi
  Volus iri ĉiam;
Se la paŝojn gvidos vi,
  Falos mi neniam.

3
Klinu vin al mi, Sinjor',
  En mizero mia;
Mi perdiĝus sen favor'
  Kaj subteno via.

4
Donu, ke mi sekvu vin,
  Kaj fidela restu;
Kiam vi alvokos min,
  Ke mi preta estu.

## 138 *Oh! let him whose sorrow*

*Caswall* (*Bemerton*, *Filitz*), ABCEIJMPRUWY; *St. Constantine*, AEIJLMNP; *North Coates*, ABCGIJMP

1 EN animsufero,
Meze de dolor',
Dion kun espero
Fidu via kor'.

2 Vidas ĉiun ploron,
Ĉion scias Di';
Vian kordoloron
Sentas ankaŭ li.

3 Se en agonio
Ĝemas la anim',
Preĝu vi al Dio,
Fidu lin sen tim'.

4 Ĉian kordoloron,
Kiun sentas vi—
Larmojn kaj angoron—
Foren viŝos li.

5 Kion ni suferas
Sur la tera voj',
Plene ja superos
Enĉiela ĝoj'.

6 Ho Savinto, donu
Amon nun al ni:
Per favoro kronu,
Tiru nin al vi.

*SOLECO*

## 139 *Hope of those that have none other*

*Compassion* (*Congregational Church Hymnal*, 1887)
J. W. Elliott



Alternativo: *Westfield*, en la sama libro

HO Savanto! solespero
De la solaj sur la tero!
Ĉiuj karaj jam forpasis,
Ilin nur vi ne forlasis.
Ĉiun en soleco benu,
Reĝojigu kaj subtenu.

## AFLIKTO. DOLORO

Kiam en la noktaj nuboj
Amasiĝas nigraj duboj;
Kiam povoj de infero
Pelas al la malespero;
Dio, nin senhelpajn benu,
Ho, kompatu kaj subtenu.

Pro la tagoj de doloro
Kiujn konis via koro;
Pro la kruco kaj sufero;
Nin ne lasu en mizero.
Al la forvagantoj venu,
Sur la ĝusta vojo tenu.

Senespere atendantajn,
Pasintaĵon memorantajn,
Senamikajn sur la vojo
Tra mallumo kaj malĝojo:
Al la koro ilin prenu,
Konsoladu kaj subtenu.

## 140 *SUB LA KRUCO*

*Arnsberg* (*Congregational Psalmist*, 1875)



Alternativoj: *Evangelists*, ALY; *Shiloh*, P

KIAM koro tre doloras,
Kiam ĝemas mi kaj ploras,
Laca de la vivovojo;
Tiam la mizeron mian
Portas mi sub krucon vian,
Kaj denove venas ĝojo.

Kiam ĉiu min forlasos,
Kalumnios, preterpasos,
  Ventoj de malamo blovos;
Tiam kun sufero mia
Restos mi sub kruco via,
  Konsoladon tie trovos.

Kiam regos en la koro
Frosto de la vintra horo,
  Venkos fido kaj espero;
Mi kun malfeliĉo mia
Iros al la kruco via,
  Kaj refloros la somero.

Kiam sur la tera vojo
Helradie lumos ĝojo,
  Sonos feliĉega kanto;
Tiam al la kruco via
Kuros mi kun laŭdo mia,
  Por vin danki, ho Savanto.

Kiam proksimiĝos morto,
Lasos min la korpa forto,
  Venos jam la lasta horo;
Tiam ĉe la kruco via
Forton trovos fido mia:
  Vi subtenos min, Sinjoro.

## PILGRIMADO. LA DIA GVIDO

**141** *Hark, hark my soul*

*Pilgrims* (*Smart*), AHIMNPW;
*La Suissesse* (*Pilgrims of the night*), EM

AŬDU, anim'! Anĝelaj himnoj iras
  Trans verdaj kampoj, trans la mara ond':
Dolĉa la vero, kiun ili diras
  Pri nova vivo en senpeka mond'.
    *De l' anĝelaro sankta la kant'*
    *Himnas bonvenon por la nokta pilgrimant'.*

Iru antaŭen! logas ĝi konstante:
  Venu, lacul', Jesuo vokas vin!
Tra la mallumo dolĉe penetrante
  Kanto evangelia gvidas nin.

PILGRIMADO. LA DIA GVIDO

El malproksime, kiel sonorilo,
  Voĉo Jesua sonas tra la mond';
Lacajn animojn gvidu al trankvilo,
  Bona Paŝtisto, en ĉiela rond'!

Venos ripozo post la baraktado,
  Lumos tagiĝe, nokto pasos for;
Kaj post la longa pena vojaĝado
  Hejme sin trovos ĉiu laca kor'.

Kantu, anĝeloj! Restu ĉe posteno,
  Dolĉe himnante pri morgaŭa glor'.
Post plora nokto venos ĝojmateno—
  Suno de amo pelos ombrojn for!

## 142 *Lead, kindly Light (I)*

*Gundulf*, A (1904) B. L. Selby



Alternativoj: *Sandon*, ABCFHIMPRS; *Alberta*, ABCILRSUY

LUMO ĉiela! En malluma hor'
  Gvidadu min.
Vagantan nokte, de l' hejmlando for,
  Gvidadu min.
Pri l' voja fino ne scivolas mi,
Se ĉiun paŝon ame gvidas vi.

Ne ĉiam tiel preĝis mi, ke vi
  Gvidadu min:
Elekti mem la vojon amis mi:
  Nun gvidu min.
Malhumileco regis en la kor';
Pardonu tion—metu el memor'!

Nun mi antaŭen iros, kun esper'
  Pro via ben',
Trans dezertejo, roko, kaj river',
  Ĝis la maten',
Kiam amatoj, jam pasintaj for,
Min alridetos el anĝela ĥor'.

## 143 *Lead, kindly Light (II)*

*Lux Benigna*, ACEFGHNPSW

ĈIELA Lumo, tra la noktnebulon
  Gvidu antaŭen;
Min, de la patra hejmo forvagulon,
  Gvidu antaŭen.
Ne sopirante malproksiman vidon,
Mi petas nur por ĉiu paŝo gvidon.

Ne ĉiam faris preĝon mi ĉi tian:
  "Gvidu antaŭen"!
Sed nun elektu vi la vojon mian,
  Gvidu antaŭen.
Iam la koron regis fieremo:
Pardonu pri tiama forvagemo!

Vi, dum la estinteco min gvidinte,
  Sendube gvidos,
Ĝis mi, barilon ĉian transpasinte,
  Matenon vidos,
Kaj rerenkontos kun ĝojplena koro
Amaton ĉiun en anĝela ĥoro.

Al Dio gvidu min, en simpla kredo
  (Laŭ tiu vojo,
En kiu paŝis via mem piedo),
  Ĝis hejma ĝojo;
Por resti post la monda batalado
En paca eterneco de vivado.

## 144 *I'm but a stranger here*

*St. Edmund* Arthur Sullivan



El *Congregational Hymnary*, 1916
Alternativo: *Something for thee*, BM

1 FREMDULO tie ĉi,
For de ĉiel',
Hejmon sopiras mi
En la ĉiel'.
Ĉirkaŭas min danĝer',
Malĝojo kaj mizer',
For de la hejma tero,
For de ĉiel'.

2 Ŝtorma la ventegad'
For de ĉiel',
Dum streĉa pilgrimad'
For de ĉiel'.
Sed baldaŭ pasos ĝi:
Hejmon atingos mi
En ĝojo antaŭ Dio
En la ĉiel'.

3 Je la vojaĝa fin'
En la ĉiel',
Gloro atendas min
En la ĉiel'.
Post longa tera voj'
Venos eterna ĝoj'—
Feliĉo sen alojo
En la ĉiel'.

4 Tial ne plendos mi,
For de ĉiel',
Pri l' sorto tie ĉi
For de ĉiel':
Ĉar fine staros mi
Dekstre de mia Di'
Por ĉiam apud li
En la ĉiel'.

## 145 *Guide me, O thou great Jehovah*

*Cwm Rhondda*, ABCGHLMY;
*Westminster Abbey*, ABCGILY; *Caersalem*, BPY

GVIDU antaŭ mi, Jehovo,
Pilgrimanta dezertan'.
Ŝirmu min per via povo,
Tenu per potenca man'.
||: Nun kaj ĉiam, :||,
Nutru min ĉiela pan'.

Mi kristalan fonton vidu
  Kun saniga dolĉa flu'.
Fajra nubkolono gvidu,
  Gardu min la Diinstru'.
    Forthelpanto!
  Lasu min neniam plu.

Kiam ĉe Jordana bordo
  Tuŝos min la ondkares',
Tio estu nur la pordo
  En la landon de promes':
    Laŭdajn himnojn
  Tie kantos mi sen ĉes'.

## 146 *Jesu, still lead on*

*Fatherland* — Germana melodio



El *Hymnal Companion*, 1890
Alternativo: *Spire* (*Seelenbraütigam*, *Drese*, *Thuringia*, *Arnstadt*), ABCEFILMNPRSY

GVIDU nin, Jesu',
Tra la monda bru';
Vin trankvile konfidante,
Ni sekvados vin konstante
En pilgrima band'
Al la Patroland'.

Malgraŭ ĉiu baro,
Ĉia kontraŭstaro,
Kun espero en animo
Ni fidados vin sen timo
Ĝis la fina cel'—
Hejmo en ĉiel'.

Se animdoloro
Premas al la koro,
Meze de tentado ĉia,
Helpu nin per forto via;
Kondukadu nin
Ĝis vojaĝa fin'.

Kristo, gvidu nin,
Kaj ni sekvos vin,
Amo via nin direktu,
Subtenadu kaj protektu,
Ĝis la kara rand'
De la Patroland'.

## 147 *He leadeth me*

*He leadeth me*, HZ

LI gvidas min! Ho bena vort'!
Konsolo en malgaja sort'!
Ĉar kie ajn mi trovos min,
La Dia mano gvidas min.

*Li gvidas min! li gvidas min!*
*Jes, propramane gvidas min;*
*Fidele mi sekvados lin,*
*Ĉar lia mano gvidas min.*

Tra malĝojego kaj sufer',
Aŭ sur Edena flora ter';
Ĉe prosperado aŭ ruin',
Egale Dio gvidas min.

La Dian manon tenos mi
Sen plendo aŭ murmura kri',
Antaŭen marŝos kun obstin';
Kontenta, ĉar li gvidas min.

Kaj kiam post la vivlabor'
Li vokos min de l' tero for,
Sen timo mi sekvados lin,
Li trans Jordanon gvidos min.

## 148 *Lead us, heavenly Father*

*Blackbee* F. Haydn Blackbee



Alternativoj: *Rhuddlan*, ABCFILMPRSUY;
*Mannheim*, ABCEIJLMPRSY

NIN, ho Patro, pilotadu
Trans vivondojn al haven';
Gardu, gvidu, prizorgadu,
Sola helpo kaj subten':
Bono ĉia
Estos nia
Se kun via
Patra ben'.

Ho, Savanto, aman koron
Klinu al malforta kri';
Mem vi spertis homan ploron,
Kiel homo inter ni.
Tra danĝero
Kaj sufero
Sur la tero
Paŝis vi.

Ho Spirito Dia, venu!
Fonto de ĉiela ĝoj'!
Nin per amo sankta benu,
Kaj feliĉo sen aloj'—
Pac' sen limo
En animo
Post pilgrimo
Sur la voj'.

## 149 *Looking upward every day*

Muziko kiel ĉe himno 137

1 RIGARDANTE supren, ni
Kun vizaĝo hela
Marŝu ĉiam plue, al
Hejmo enĉiela.

2 Ĉiam respektegu ni
Vian sanktan nomon;
Ĉiam pli sincere ni
Amu ĉiun homon.

3 Pli proksime sekvu ni
Al la Frato Dia:
Pli fidelaj estu ni
Unu al alia.

4 Ĉion, kio baras nin,
Lasu ni kun ĝojo,
Progresante ĝis la fin'
Sur hejmena vojo.

5 Ĉiutage preĝas ni:
Aŭdu nin kompate:
Fine en ĉielo ni
Laŭdu vin beate.

## 150 *Through the night of doubt and sorrow*

*St. Oswald* (*Sychar*), ABEFGIJLMNP;
*Marching*, ABCFGIMPRSUY; *Ebenezer*, BCEGHIMNPRSU

TRA la nokto de malĝojo
Iras la pilgrima band',
Gaje kantas sur la vojo
Al la promesita land'.

Klare brilas tra la nuboj
Gvida lumo en ĉiel';
Frato premas manon fratan,
Paŝas firme al la cel'.

Sama lumo nin kondukas
Dum la tuta pilgrimad';
Ĉasas for timigajn ombrojn
Per konstanta helbrilad'.

Saman celon havas ĉiu,
Saman fidon en la kor';
Saman ravan antaŭvidon
Al estonta fina glor';

Saman kanton de triumfo
En milopa laŭta ŝvel';
Samkonflikton, samdanĝeron,
Saman hejmon en ĉiel'.

En la malproksima lando
  Laŭdos ni en sama ĥor',
Kaj la saman Dian Patron
  Obeados ĉiu kor'.

Do, antaŭen, pilgrimantoj,
  Marŝu ĉiu kamarad';
Tra sufero, tra batalo,
  Ĝis la fina ripozad'.

Baldaŭ la mateno brilos,
  Venos fino de labor';
Ĉiu nubo dispeliĝos,
  Restos jam eterna glor'.

## BATALO. KONFLIKTO

**151** *Ho, my comrades!*

*Ho, my comrades*, HZ

1

KAMARADOJ! La standardo
  Flirtas en aer';
Nepre venos novaj trupoj,
  Venko, kaj liber'.

*"Nur eltenu, ĝis mi venos",*
  *Jen Jesua vort'.*
*Ni respondu al ĉielo*
  *"Jes, per via fort'".*

2

Frontas nin la malamiko,
  Inferana hord';
Ĉirkaŭ ni amikoj falas;
  Regas la malord'.

3

Altas la standardo glora,
  Vokas kornsignal';
Venkos ni per Dia helpo
  Ĉe la finbatal'.

4

Do antaŭen! Plenkuraĝe!
  Kial timu ni?
Jesu-Kristo nin komandas:
  Sonu venko-kri'!

## 152 *Who is on the Lord's side?*

*Armageddon*, BCGHJMNP; *Hermas*, BGLMNPU; *Rachie*, BGHN

1 KIU partiano
Estas de la Reĝ'?
Mondon obeigos
Al la Dia leĝ'?
Kontraŭ malamikoj
En batala hor',
Kiu partiano
Estos de l' Sinjor'?

2 Kristo nin aĉetis—
Liaj estas ni—
Per la vivosango,
Kiun verŝis li.
Ĉiun li benadas
Sur la tuta ter':
Marŝu ni volonte,
Ĝojaj en liber'.

*Ĝoje ni varbiĝis—*
*Kiu iros for?*
*Viaj partianoj*
*Estas ni, Sinjor'.*

3 Granda la konflikto,
Forta malamik';
Sed nin ne ŝancelos
Ĉiu artifik'.
De la vero estas
Certa la progres';
Nepre ni antaŭen
Marŝos al sukces'.

4 Ni soldatoj estas
En fremdula land',
Estu ni fidelaj,
Iru laŭ komand'.
Ne malvarmiĝante
En la reĝa serv',
Estu ni lojalaj,
Viglu en observ'.

## 153 *Onward, Christian Soldiers*

*St. Gertrude*, ABCEGIJLMPZ; *Armageddon*, BCGHJMNP

MARŜU vi, Kristano, paca militist',
Sub standardo kruca, por Jesuo Krist'.
Sekvu lin, la Estron, kontraŭ la malbon',
Al batal'! Antaŭen! Jen triumfa son'!

*Marŝu do, Kristano, paca militist',*
*Sub standardo kruca por Jesuo Krist'.*

Nepre ni triumfos, kuros diablar'!
Marŝu do antaŭen, venkos Kristanar'.
Tremas la infero ĉe la laŭda kri'—
Fratoj, levu voĉojn, ĝoje kantu vi!

Grandarmee marŝas Dia eklezi',
Vojon de l' sanktuloj paŝas ankaŭ ni:
Kune, sendivide, pro komuna ver';
Unu laŭ celado, amo, kaj esper'.

Vanta kaj pasema estas reĝa kron',
Firma kaj ĉiama staras Dia tron':
Restos dum eterno Krista eklezi',
Vane la infero muĝos kontraŭ ĝi.

Ĉiu do aliĝu al la ĝoja ĥor',
Sonu ĉies kanto en triumfa hor'!
Nian reĝon, Kriston, gloros la homar'
Dum eternaj jaroj kun la anĝelar'.

## 154 *Stand up, stand up for Jesus*

*Morning light* (*New York*), ABCEFGIMNPRS;
*Stand up for Jesus* (*Geibel*, *Duffield*), Z

1

STARIĜU por Jesuo,
Soldatoj de l' Sinjor'!
Altlevu la standardon,
Neniu restu for.
Li gvidos vin armee,
Venkante pli kaj pli,
Ĝis ĉiu malamiko
Forkuros antaŭ li.

2

Stariĝu por Jesuo!
Jen la trumpeta kri':
"Antaŭen! Al batalo!
Sentime marŝu vi".
Sennombraj malamikoj
Vin frontos sur la voj';
Batalu do plenforte,
Kuraĝe, kaj kun ĝoj'.

3

Stariĝu por Jesuo,
Kaj forton donos li:
La homa brako cedos;
Ne fidu, do, al ĝi.
Per armilaro Dia
Kun preĝo vestu vin,
En horo de danĝero
Konstante uzu ĝin.

*Do nun stariĝu,*
*Soldatoj de l' Sinjor!*
*Altlevu la standardon,*
*Neniu restu for.*

4

Stariĝu por Jesuo!
Ne daŭros batalad';
Ĉar nun konflikta bruo,
Sed morgaŭ packantad'.
Al tiu, kiu venkos,
Vivkronon donos Di';
Kun Kristo, Reĝo glora,
Eterne regos li.

## 155 *Dare to be a Daniel*

*(Standing by a purpose true)*

*Daniel's Band*, HZ — P. P. Bliss



ĈIAM obeantaj al la Dikomand',
Vivu la herooj de la Daniela Band'!
*Havu la kuraĝon esti Daniel,*
*Sole kaj senkaŝe iri rekte al la ĉel'.*

Pro timemo mankas granda fortular',
Kiu devus esti en la Danielanar'.

Multe da gigantoj en la tuta land'
Falus ĉe renkonto kun la Daniela Band'.

Brave kontraŭstaru eĉ al diablar';
Levu la standardon de la Danielanar'.

## 156 *Who would true valour see*

*Monks Gate*, BCEFGIMPRSUY

EKZEMPLON vidu ni
De kuraĝeco:
Modelo estas li
De konstanteco.
Kaj ne ŝancelos lin
Tutmondo en kombin'—
Persiste ĝis la fin'
Li pilgrimadas.

Dum veprofetas ni
Pri lia sorto,
Antaŭen marŝas li
Kun freŝa forto.
Leonoj levas sin;
Gigantoj frontas lin—
Defie al ruin'
Li pilgrimadas.

Ne turnos lin demon'
  De lia vojo,
Atendas lin la kron'
  De venka ĝojo.
Do, fantazioj for!—
Ne timas lia kor',
Ĉar al eterna glor'
  Li pilgrimadas.

## 157 *I feel the winds of God*

*Hardy Norseman* (*Christiana*), FHMN

LA Diajn ventojn sentas mi,
  Kaj mian velon levas;
Malseka kvankam estas ĝi,
  Kaj ripariĝi devas.
Se nur esperon havos mi,
  Kaj gvidos Dia saĝo,
Laŭ Krista voko velos mi
  Por nova marvojaĝo.

Sekiĝas pro la Dia vent'
  La senutilaj ploroj;
Kaj venos pli kuraĝa sent',
  Pli puraj, helaj horoj.
Se tentos min el harmoni'
  Sinamo aŭ komforto,
Per Dia vent' reiros mi
  Al mia vera sorto.

Se iam vin forgesos mi
  Kaj vian amon Dian,
Sangruĝan flagon vidu mi:
  Ĝi portas nomon vian.
Piloto mia estu vi,
  Kaj trafos mi la celon;
La Diajn ventojn sentas mi,
  Kaj levas mian velon.

**158** *Courage, brother! Do not stumble*

*Courage, brother*, F

VIGLE, frato, al la celo,
  Kvankam velkis tagradi'!
Tra la nokto gvidas stelo—
  "Fide faru juston vi".
Se survoje estas tede,
  Se vi lacas pli kaj pli,
Paŝu brave kaj sencede:
  *Fidu vi, faru vi,*
  *Fide faru juston vi.*

Mortu ruza politiko!
  Tagan lumon timas ĝi.
Vanas ĉiu artifiko:
  Fide faru juston vi.
Se vin trafos moko, flato,
  Malestimo, kalumni':
Sole Dion vi rigardu:
  *Fidu vi, faru vi,*
  *Fide faru juston vi.*

Simpla gvido, vivregulo,
  Ena paco kaj vizi',
Stelo tra la vojnebulo:
  "Fide faru juston vi".
Do, senhalte al la celo,
  Kvankam velkis sunradi'!
Vin kondukos gvida stelo:
  *Fidu vi, faru vi,*
  *Fide faru juston vi.*

## LABORADO. PERSISTO

**159** *God entrusts to all*

*Childhood* E. J. Hopkins



El *Congregational Church Hymnal*, 1887

## LABORADO. PERSISTO

*Poulton* (*Congregational Hymnary*, 1916) J. T. Musgrave



1 DONAS bona Dio
  Da talentoj tiom,
Eĉ ke vi kaj mi
  Jam posedas iom.

2 Al saĝuloj li
  Multajn donacadas;
Mian unu mi
  Tamen prizorgadas.

3 Min demandos li
  Antaŭ ĉielpordo,
Ĉu plenumis mi
  Taskon en bonordo.

4 Ĉiu bagatelo
  Helpas al la sumo;
Eĉ el eta stelo
  Fontas daŭra lumo.

5 Kiel pluvguteto
  Floron burĝonigos,
Mia tutforteto
  Multon atingigos.

## 160 *Work, for the night is coming*

*Diligence*, PZ

FARU laboron frue
  Jam en la vivmaten';
Dum la roseroj brilas
  En la korĝarden'.
Tempo rapide pasas,
  Ne revenos ĝi:
Baldaŭ la nokto venos,
  Kaj ripozos vi.

Faru laboron ankaŭ
  En la tagmeza glor',
Estu laboroplena
  Ĉiu nuna hor'.
Arde la suno brilas,
  Tamen fortigu vin:
Venos la rekompenco
  En la tagofin'.

Faru laboron same
  En la vespera hor',
Kiam en okcidento
  Lumo mortas for.
Dum enĉiele velkas
  Lasta la sunradi'—
Dum vi ankoraŭ povas,
  Laboradu vi.

## 161

*Welwyn*, BEFIJMP

HO ĉiopova Fonto de la vivo!
  Fortecon vian al ni donacadu,
Por ke kuraĝe kaj senŝanceliĝe
  Ni ĝoje niajn devojn plenumadu.

Ho glora Sun' eterna de justeco,
  Sur nin elverŝu lumon el ĉielo,
Ke vidu ni la vojon de la vero,
  Kaj rekte marŝu al la vivocelo.

Ho Patro kompatema kaj indulga,
  Pro pekoj ne forlasu filojn viajn,
Sed benu ĉiun la Spirito Sankta,
  Por ke ni amu vin kaj fratojn niajn.

## 162 *There are lonely hearts to cherish*

*There are lonely hearts*, FZ

HOMAJ koroj malĝojadas,
  *Dum la tagoj pasas for;*
Kaj animoj pereadas,
  *Dum la tagoj pasas for.*
Ilin helpi pli kaj pli
Estu nia vivmisi'—
Fari bonon devas ni,
  *Dum la tagoj pasas for,*
    *Pasas for! . . . pasas for! . . .*
    *Pasas for! . . . pasas for! . . .*
    *Ĉion eblan faru ni*
      *Dum la tagoj pasas for.*

Ne atentu al mokado,
Estu inda la vivado.
Kiam vokas frata kri'
El la homa famili'.
La falintojn levu ni,
  Dum la tagoj pasas for.

Ĝojoj de la vivo nia
Velkas unu post alia;
Sed kreskados bonsemaro
En sunbrilo, en ombraro,
Por benado al homaro,
  Dum la tagoj pasas for.

## 163 *Tell me not in mournful numbers*

*Stuttgart*, ABCEGIMPRSWY; *Sussex*, BCEFGJLMPRSUY;
*Laus Deo*, ABCEILMPRSUY

NE aŭdiĝu plenda vorto:
"Vivo estas nur sonĝaĵ' ":
Dormo estas kvazaŭ morto!
Agu laŭ la realaĵ'.

Ĉar la vivo ne finiĝos,
Ne la tombo ĝia lim':
"Polvo vi, kaj repolviĝos"
Ne diriĝis pri l' anim'.

Nek plezuro, nek sufero,
Estas nia fina cel';
Sed per vivo sur la tero
Proksimiĝi al ĉiel'.

Meze de la vivomaro,
Tondro de la mondmilit',
Ne similu al ŝafaro!
Estu forta la spirit'!

Ne revadu pri la sorto;
Pasintecon lasu vi:
Agu laŭ la nuna forto!
Vin de supre helpos Di'.

Vivoj de granduloj diras,
Kiel povas ankaŭ ni
Lasi, kiam ni foriras,
Postesignojn tie ĉi:

Signojn, kiujn eble frato,
Vojaĝante en danĝer',
Ŝipperee dronigato—
Vidos ĝoje kun esper'.

Ni agadu, do, konstante,
Estu kia ajn la sort':
Celadante, plenumante,
Laborante, ĝis la mort'.

## 164 *Father, hear the prayer we offer*

*Sussex*, BCEGJLMPRSUY;
*Gott Will's Machen*, ABEFIJLS; *Slingsby*, MP

PATRO, aŭdu nian preĝon!
Ne komforton petas ni,
Sed kuraĝon por la devoj
De la vivo tie ĉi.

Ne sur ĉiamverdaj kampoj
Estu glata nia voj',
Sed altegajn montkrutaĵojn
Suprengrimpu ni kun ĝoj'.

Ne ĉe akvoj de trankvilo
Kuŝu ni por ripozad';
Sed ni frapu vivajn fontojn
El la roko dum marŝad'.

Donu forton en malforto,
Gvidon, dum vagadas ni.
Ĉe penado kaj danĝero,
Patro, apudrestu vi.

## 165

*Cairnbrook*, ABCFGJLNU; *Minto*, BPU;
*Cuttle Mills*, EGLP

"*PATRO, venu via regno!*
*Ke stariĝu ĝi*
*En la koroj de l' homaro!*"
Preĝas ni.

Li respondas: "*Inda preĝo*
*Venas el la kor':*
*Vane vi al mi kriadas*
*Sen labor'.*

*Nur per via penegado,*
*Fido, kaj esper',*
*Povas veni mia regno*
*Sur la ter'.*

*Ĉie peko kaj mizero*
*Kreskas pli kaj pli.*
*Kion kontraŭ ĝi, preĝanto,*
*Faras vi?*"

Niajn mankojn ni konfesu!
Helpu nin, Sinjor',
Ĉiam el la koro preĝi
Kun labor'!

## 166 *Jesus bids us shine*

*Jesus bids us shine*, BGHJZ

VOKAS nin Jesu',
  Ke lumadu ni
En anguloj niaj,
  Same vi kaj mi;
Kiel kandeleto
  En la nokta hor',
Bele, pure, klare,
  Por lia glor'.

Brilu por Jesu',
  Li bezonas nin;
Se la lumo velkas,
  Li rimarkas ĝin.
Ĉiam li rigardas;
  Tial brilu ni
En anguloj niaj,
  Kaj vi kaj mi.

Brilu por Jesu'
  Al la tuta ter',
Nigra pro mizero,
  Peko, kaj sufer'.
Meze de mallumo
  Brilu pli kaj pli
En anguloj niaj—
  Kaj vi kaj mi.

### LUMO EN VESPERO

## 167 *Holy Father, cheer our way*

(Zeĥ 14/7)

*Carsaig* (adaptita), R — G. Thalben-Ball



Alternativo: *Vesper*, BGL

PATRO en ĉiela sfero!
Vin ni preĝas kun sincero:
Ĉiutage al ni donu
  Lumon en vespero.

Ho Savanto, solespero
En momentoj de danĝero!
Dum la maljuniĝo donu
  Lumon en vespero.

Di-Spirito! Ĉe l' mistero
Fronte al la mortrivero
En la fina horo, donu
  Lumon en vespero.

Gvidu nin laŭ via vero
Dum pilgrimo sur la tero,
Ke ni ĉiam klare vidu
  Lumon en vespero.

## LA TRANSIRO DE LA BARO

### 168 *A few more years shall roll*

*Chalvey*, HNZ; *Leominster* (*St. Basil*), EFGHIMNPU

1

NE multaj jaroj plu—
  Mallonga sezonar'—
Alvenos, kaj ni dormos en
  Trankvilo de l' tombar'.

*Pretigu min, Sinjor',*
  *Por tiu bena hor':*
*Per via sango lavu min,*
  *La pekojn metu for.*

2

Nur kelkaj tagoj plu
  Da zorgo kaj sufer'
Forpasos, kaj troviĝos ni
  En pli serena sfer'.

3

Post kelka batalad',
  Disiĝo, kaj labor',
Ni restos en ĉiela ĝoj';
  Finiĝos ĉiu plor'.

4

Kaj baldaŭ venos vi
  Laŭ via sankta vort';
Vivados dum eterno ni,
  Pro via sava mort'.

### 169 *Sunset and evening star*

*Requiem* (ĉe 113); *Wilton* (*Mann*), P

SUBIRO suna kaj vespera stelo,
  Kaj klara vok' al mi!
Kaj kiam ekvojaĝos mi al celo,
  Baraĵ', ne ĝemu vi;

Sed dorme mova tajd', por ŝaŭm' kaj sono
Tro plena, portu min;
Denove al senlima regiono
Turnante hejmen sin.

Krepusko kaj vespera sonorilo,
Kaj poste mallumeco!
Sed enŝipiĝos mi sen maltrankvilo
Aŭ kora malgajeco;

Ĉar kvankam preter ĉiun limon nian
Forportos min la maro,
Esperas vidi mi Piloton mian,
Irinte trans la baro.

## 170 *When, on my day of life*

*Gifford*, MP

(*Unu el grupo de amikoj ĉe la lito de Whittier recitis ĉi tiun poemon dum lia morto proksimiĝis*)

VIVNOKTE, kiam ombroj minacadas,
En ventoj el sensuna spac' blovataj;
Kaj voĉoj malproksimaj min vokadas
Al vojoj nekonataj;

Vi, min zorginte dum vivado mia,
En lasta horo ne forlasu min;
Ankoraŭ min protektu forto via;
Subtenu ĝis la fin'.

Ho restu, kiam ĉio drive pasas—
Ĉielo, tero, tuta vivspertaro;
Vizaĝoj karaj, kiujn mi postlasas;
Amata amikaro.

Al perla pordo mi ja ne sopiras,
Aŭ palma branĉo, strato ore brila;
Nur vian bonvenigon mi deziras
Kun koro tre humila.

Sufiĉu, se pri ĉiu mia faro
Pardonos min abunda graco via;
Kaj min akceptos kara konataro
Al loko propre mia—

Hejmloko, kie en la ĉielejoj,
Libera de pekado kaj de lac',
Trankvile fluas, meze de verdejoj,
Rivero de la pac'.

Muzikon sanktan ĉirkaŭ mi aŭdante,
La novan kanton tie lernos mi,
Sub arboj de sanigo min trovante
||: En ĝojo antaŭ vi. :||

## LA VIVO VENONTA. LA ĈIELO

### 171 *There is a happy land*

*Happy land*, EHINP

EKZISTAS ĝoja land'
For, longe for:
Ĉiu en tiu land'
Kantas en glor'.
Ho, kia dolĉa kri'—
"Laŭdo al Savinto-Di'!"
Same kantadu ni
El plena kor'.

Al tiu bela land'
Ho venu vi!
Sen dubo aŭ demand'
Iru kun ni.
Tie, en Dia glor',
Sen pekado, sen dolor',
Ni kun feliĉa kor'
Loĝos kun li.

Sanktuloj en la land'
Brilas en hel'.
Regas laŭ Dikomand'
Amo kaj bel'.
Al gloro kuru vi!
Post aflikto tie ĉi
Eterne ĝojos ni
En la ĉiel'.

### 172 *For ever with the Lord*

*Nearer Home* (*Montgomery*), ABEGIMNPZ;
*Ishmael*, JMU; *Ich halte treulich still*, ABCGJLPSUY

"ETERNE ĉe l' Sinjor'!"
Amen! ĉar tiu vort'
Promeson donas al la kor'
Pri vivo post la mort'.
Dum tera pilgrimad'
Fremdule vagas mi;
Sed proksimiĝas ĉiam pli
Al hejmo kaj al Di'.

O hejmo de l' anim'!
  Oftege, en vizi',
La pordojn viajn en proksim'
  Mi vidas antaŭ mi.
Al tiu helvidaĵ'
  Sopiras mia kor';
Jerusalemo, heredaĵ'
  De lumo kaj de glor'.

De temp' al tempo ĝin
  Kaŝadas nubegar',
Kaj, kiel la kolombon, min
  Timigas venta mar'.
Sed pasas la malhel';
  Alvenas belveter';
Profetas arko en ĉiel'
  Pri paco kaj esper'.

Kaj kiam venos fin',
  En tago kiu ajn,
Mortante, morton venkos mi,
  Per nova vivogajn'.
En releviĝa hor'
  Eksonos venko-kri':
Denove, "Ĉiam ĉe l' Sinjor'!"
  "Amen!" respondos mi.

## 173 *The Homeland*

*Homeland*, HM

HEJMLANDO ĉiela!
  Hejmlando de l' anim'!
Feliĉa kaj hela
  Sen nokto kaj sen tim'!
Al tiu bela lando
  Sopiras mia kor',
Ĉar tie ne troviĝas
  Malĝojo aŭ dolor'.

Sen peko la Hejmlando,
  Sen tento al erar';
Jesuo tie regas,
  Himnadas anĝelar'.
La kantoj de l' Hejmlando
  Resonas tie ĉi;
Pri tiu kara lando
  Konstante revas mi.

Amatoj tie loĝas
  En ĝojo ja sen fin'.
Kun amo atendante
  Por bonvenigi min.
En tiu hela lando
  Sen morto kaj mizer',
Ho Dio, min akceptu
  Post vivo sur la ter'.

## 174 *Blest, blest for ever!*

*Blest for ever*, Z

JAROJ forpasos en longa laboro
Antaŭ ol venos ni hejmen al gloro;
Tie atendas nin niaj amatoj,
Rerenkontiĝos Kristanaj gefratoj.

||: *Jes, en ĉiela glor'*
*Ĝojo por ĉiam!* :||

Jaroj forpasos en laco kaj ploro,
Nigra nubaro kaj akra doloro;
Sed post mallumo kaj dubo iama,
Fine ni venos al ĝojo ĉiama.

Jaroj forpasos kun sia ĉagreno;
Tiam alvenos ni al la haveno,
Kie anĝeloj en sankta adoro
Kantas eterne kun ĝoja fervoro.

## 175 *Jerusalem the Golden*

*Ewing*, ABCEGHIMPRSU

1 JERUSALEM, benita
Per lakto kaj miel',
Anime mi sopiras
Al vi kaj via hel';
Sed elkompreni povas
Neniu homa kor'
La ĝojon kaj feliĉon
De via lumoglor'!

2 La aŭloj de Ciono
Resonas je kantar'
De la martiroj noblaj
Kaj sankta anĝelar'.
La Princo estas tie
En tago sen vesper';
Loĝadas beatuloj
Sur glora luma ter'.

3 Jen la Davida trono,
Kaj tie sen ĉagren'
Aŭdiĝas triumfantoj
En kanto de solen'.
Jubile la venkintoj
Eterne laŭdos lin,
En roboj blanke brilaj
Kun ĝojo ja sen fin'.

4 Ho kara dolĉa lando
De Dia sanktular'!
Ho lando feliĉega
Ĉe la kristala mar'!
Nin gvidu, Kristo, tien
Pro via korfavor'!
Al vi, kun la Spirito
Kaj Patro estu glor'!

## 176 *Oh! What their joy and their glory*

***O quanta qualia* (*Regnator Orbis*),** ABCEGIJPRSW

KIOM da kiaj ĝojplenaj sabatoj
En la ĉielo festadas benatoj!
Kia kompenso, ripozo en Dio,
Kiam li mem estos ĉio en ĉio!

Jerusalemo, la bela civito,
Urbo de paco kaj ĝojo-zenito;
Kie ne povas maltrafi sopiro,
Nek malpli estas premi' ol deziro!

Kiaj la Reĝo, kortego, palaco,
Kiaj la ĝojo, ripozo, kaj paco!
Ho! ke ni povu eldiri la gloron—
Partoprenante, elverŝi la koron!

Dume ni tien per penso aliru,
Al la hejmlando plenkore sopiru,
Ĝis post ekzilo ni el Babilono
Fine repaŝos al kara Ciono.

Tie, post fino de ĉia ĉagreno,
Himnojn Cionajn ni kantos sen ĝeno.
Dankon eternan pro graco donata
Portos la Dia popolo beata.

Tie sabaton postsekvas sabato;
Benas nin tie senfina ĝojstato;
Jubilearo en gloro ĉiela,
Kiun ni festos kun ĥoro anĝela.

Sonu ĉiama laŭdado al Dio,
El kiu, per kiu, en kiu, ĉio:
El kiu, Patro; kaj per kiu, Filo;
En kiu, de ili ambaŭ, Spirito.

## 177 *The sands of time are sinking*

*Rutherford*, BCGHIMNPUZ

1 LA tempo forrapidas,
Kaj baldaŭ la maten',
Al kiu mi sopiras,
Aperos en seren'.
Post longa nigra nokto
Profetas matenstel'
La gloron en la lando
De Emanuel.

2 De Ŝaron la lilio
Malvolvas sin en flor',
Parfumas la ĉielon
Per rava dolĉodor'.
Mi vidos ĝin flamanta
En plensomera bel'
En tiu glora lando
De Emanuel.

3 Ĉe Kristo estas fonto
De amo kaj de bon';
Profunde mi trinkados
En tiu region'.
Ĝis oceana pleno
Atingas ĝia ŝvel'
En tiu glora lando
De Emanuel.

4 Li ĉion antaŭzorgis
En mia viva voj';
Per amo li briligis
Eĉ rosojn de malĝoj'.
Mi benos lin eterne
Kaj servos kun fidel'
En tiu glora lando
De Emanuel.

## 178 *Here we suffer grief and pain*

*Rejoicing* (*Hymnal Companion*, 1890)



1
NUN sufero kaj dolor',
Nun amikoj pasas for,
Sed ne en la ĉiel'.

2
Kiuj amas Dion nun,
Post la morto laŭdos kun
Sanktuloj en ĉiel'.

*Ho! estos ĝoje!*
*Ĝoje, ĝoje, ĝoje!*
*Ho! estos ĝoje,*
*Ĉiam kune en ĉiel'!*

3
Geinfanoj estos tie,
Kiuj servis Dion pie
Dum la nuna viv'.

4
Tie ĉiun vidos ni
Amegitan tie ĉi,
Kaj ne disiĝos plu.

5
Ho! feliĉaj estos ni
Apud Kristo, nia Di',
Sur lia reĝa tron'.

6
Tie kun ĝojplena kor'
Al Jesuo la Sinjor'
Eterne kantos ni.

## 179 *Light after darkness*

*O quanta qualia* (*Regnator orbis*), ABCEGIJPRSW

POST nigra nokto, hela mateno;
Post la ventego, bela sereno;
Gajno post perdo, rav' post doloro;
Krono post kruco, laŭdo post ploro.

Klara kompreno sekvos misteron;
Dolĉo amaron, ĝojo suferon;
Lacon ripozo, garboj semadon;
Paco batalon, rido ploradon.

Amo solecon, forto malforton;
Suno nebulon, vivo la morton;
Certa espero, longan timadon;
Hejmo ĉiela, foran vagadon.

**LA EKLEZIO. UNUECO**

## 180 *Our Lord, and Master*

*Hornsey* (ĉe 130)

MAJSTRO! Nin vi same reĝas,
Malgraŭ nom' aŭ sekto;
Ni vin amas kaj alpreĝas:
Normo de perfekto!

Staras nia viv' malbela
Nuda sub okulo
Akrevida, pura, hela,
De vi, Eternulo!

Se sanige vi nin batas,
  Dolĉa la doloro:
Nin punante, vi kompatas,
  Amas via koro.

Ni malsame vidas, aŭdas,
  Preĝas, sur la tero;
Sed vin same amas, laŭdas:
  Vojo, Vivo, Vero.

Ne per vortoj montras sin
  Amo, sed per faroj;
Simpla fido trovas vin
  Malgraŭ dogmaj baroj.

Polemiko silentiĝos
  Antaŭ Dia trono:
En ĉielo nur aŭdiĝos
  Sankta unisono.

# 181

*Deerhurst*, ABCEFGMNP; *Bethany*, BCGHMNPUZ;
*Alleluia*, AGILMPU

ĈIU nobla aspirado
  Havas fonton nur el Di':
Do kun ĝojo niaj koroj
  Unuiĝu antaŭ li.
Li la kapo, ni la membroj;
  Lumo li, rebrilo ni;
Li la patro, ni gefratoj;
  Liaj ni, kaj nia li.

Venu, do, Kristanaj fratoj,
  Rekuniĝu tie ĉi:
Ĵuru amon kaj fidelon
  Kun sincera kor' al li.
Se la amo vin liganta
  Montras tro malforta sin,
Preĝu la komunan Patron,
  Ke li plifortigu ĝin.

Ĉiam agu ni, amikoj,
Amoplene, kiel Di';
Dum la tuta vivo regu
Interfrata harmoni'.
Ĉiun same Kristo amas,
Kaj por ĉiu mortis li:
Pensu, kiel li malĝojus
Pri malamo inter ni!

Dio, nin reunuigu,
Inspiradu via am';
Pliardigu niajn korojn
Per la sankta Dia flam'.
En la vivo ĝi montriĝu,
Ke la mondo vidu ĝin:
Fratoj de la Kristanaro,
Am' al Kristo ligu nin.

## 182 *Patro, vian benon donu*

*Catherine* David Roberts



El *Congregational Hymnary*, 1919

PATRO, vian benon donu
Dum ni preĝas tie ĉi;
Inspiradu ĉies koron
Ke ni vivu nur por vi,
Laborante kun fervoro
En perfekta harmoni'.

Donu veran unuecon
Al la tuta eklezi',
Ke ni sentu nin gefratoj,
Unu sankta famili';
Servu al la Dia Regno
En ĝojplena harmoni'.

LA EKLEZIO. UNUECO

Patro nia, donu saĝon
  Al la homoj, pli kaj pli,
Ke nacioj en konsento
  Vivu pace, sen envi',
Reĝo de la tuta mondo,
  Gvidu ĝin al harmoni'!

## 183 *The Church's one foundation*

*Aurelia*, ABCEGHILMNPR

1

SUR Kristo sin apogas
  La sankta eklezi';
Per akvo kaj la Vorto
  Kreita estas ŝi:
Por sia sanktedzino
  Li venis el ĉiel';
Per sango ŝin aĉetis,
  Kaj sia mortsigel'.

2

Kaj kvankam elektita
  El ĉiu mondnaci',
Nur unu kredon, bapton,
  Sinjoron, konas ŝi;
Ŝi benas unu nomon,
  Ŝin nutras unu pan',
Kaj iras ŝi antaŭen
  Laŭ unu Dia plan'.

3

Mokate de la mondo,
  Ŝi vivas en sufer';
Per skismoj disigata,
  Herezoj kaj malver':
Sanktuloj tamen preĝas
  Por Krista la reven';
Post nokto de plorado
  La kanto de maten'.

4

En provo kaj ĉagreno,
  Batalo kaj danĝer',
Atendas ŝi la venkon
  De paco kaj de ver';
Konstante sopirante
  Plenumon de l' revad',
Ke post bataltriumfo
  Alvenos ripozad'.

5

Ŝi vivas sur la tero;
  Sed trans Jordana ond'
Ŝi havas anojn ankaŭ
  En la ĉiela mond'.
Ho, sanktaj feliĉuloj!
  Al Dio preĝu ni,
Ke iam, kiel ili
  Restadu ni kun li.

## 184 *Ten thousand times ten thousand*

*Alford*, ABEHILMNPUZ

1

KUN roboj brile blankaj,
En Dia luma hel',
Sennombra sanktularo sin
Direktas al ĉiel';
Finiĝis en triumfo
Ilia batalad',
La orajn pordojn ili nun
Eniras kun laŭdad'.

2

Resonas halelujoj
El tero kaj ĉiel';
Kaj harpoj mil kuniĝis en
Triumfokanta ŝvel'.
Ho tago atendita!
Ho ĝojo, kies glor'
Antaŭan afliktaron
Forviŝas el memor'!

3

Ho, kiel rava estos
La Kanaana glor'!
Amikoj rerenkontos sin,
Ne plu disiĝos for,
Okuloj iam plenaj
De larmoj pro malĝoj'
Revidos la amatojn en
Feliĉo sen aloj'.

4

Montriĝu via savo,
De peko la pardon';
La elektotojn voku nun,
Kaj regu sur la tron'.
Sopiras ni la hejmon
Post peno kaj dolor':
Ho, laŭpromese venu vi
Savanto kaj Sinjor'.

## 185 *For all the saints*

*Sine nomine*, ABCEGIMPRSUY

PRO la sanktuloj jam pasintaj for,
Vin konfesintaj kun sentima kor',
Al vi, Jesuo, ĉiam estu glor'.
Aleluja!

Ilin vi ŝirmis kontraŭ ĉia fal',
Ilin komandis meze de batal',
Vojon lumigis en malluma val'.
Aleluja!

Ho, ke ni ankaŭ en la prova hor',
Same batalu brave, kun fervor';
Same ricevu kronon de honor'!
Aleluja!

Kune ni servas al la sama cel',
Ni sur la tero, ili en ĉiel',
En unueco Dia, kun fidel'.
Aleluja!

Dum la konflikto, super la danĝer'
Kanton triumfan portas la aer',
Brakoj fortiĝas, vibras koresper'.
Aleluja!

En okcidento helas ĉielor',
Por fideluloj venas venka hor',
Paco beata, Paradiza glor'.
Aleluja!

## 186 *Let saints on earth in concert sing*

*Wiltshire*, ABCEGIJMRSUY

SANKTULOJ sur la tero kantu
Kun la ĉielanaro,
Ĉar al la Reĝo ĉiuj estas
Nur unu servistaro.

Ni estas unu familio
Ĉiele, kaj sur tero;
Sed nin portempe apartigas
Mallarĝa mortrivero.

La membroj de la famili'
Ordonon lian tenas;
Jordanon kelkaj jam transiris,
Aliaj nun alvenas.

Animoj kelkaj jam kun ĝojo
Eniras la hejmlandon;
Aliaj ĉe l' rivera bordo
Atendas la komandon.

Jesuo, gvidu nin konstante
Al nia fina celo;
Pretigu vojon trans Jordanon
Al hejmo en ĉielo.

# LA DIA REGNO

## 187 *Thy kingdom come*

*Selnecker* (*Nun lasst uns Gott*), ERSY;
*Ades, pater supreme*, A

1

HO, venu via regno,
La Krista mondregado!
Per fera sceptro rompu
Katenojn de pekado.

2

Ĉu iam venkos paco,
Pureco, amo, belo;
Kaj regos sur la tero
Justeco de l' ĉielo?

3

Ho, kiam laŭ promeso
Militoj jam ĉesiĝos,
Avaro kaj premado
Kaj krimo neniiĝos?

4

Ni petas vin: Leviĝu!
En plena forto venu;
Animojn sopirantajn
Per Dia lumo benu.

5

Mokantoj vin malŝatas;
La grego dispeliĝas;
Fariĝas hontindaĵoj,
Kaj amo malvarmiĝas.

6

Ankoraŭ multajn landojn
Surkovras noktkurteno:
Leviĝu, kaj por ĉiam,
Ho Stelo de l' Mateno!

## 188 *These things shall be (I)*

*Lostwithiel* (muziko ĉe 103)
Alternativoj: A 421, M 411, 251

1

JEN tio, kio venos
En bela estonteco—
Pli nobla ras',
Pli alta klas',
Ol en la pasinteco;
Homaro kun okuloj
Pro scio lume helaj,
Kun arda flam'
De koroj jam
Pro libereco belaj.

2

Nacio kun nacio
Senarme kunstariĝos,
Ĉar pro esper'
Al paca ter'
La homoj gefratiĝos.
Kaj homo amos homon
Per pura korfidelo
Simila je
La amo de
Anĝeloj en ĉielo.

3

Burĝonos tiam artoj
Kaj nova melodio;
Ĝoja kantar'
De l' tuthomar'
Fariĝos rapsodio.
Naskite de feliĉo,
La sono manifestos,
Ke fine ter'
En plena ver'
Jam Paradizo estos.

4

Kaj, kvankam tiam restos
Pasio kaj doloro,
Pro Dia flam'
De pura am'
En ĉiu homa koro,
La mondo tiam estos
Sen peko kaj sen honto;
En harmoni'
Kun sia Di',
De ĉia bon' la Fonto.

## 189 *These things shall be (II)*

*Springfield*, BMNP

PLI nobla raso alvenos la mondon,
De la homara espero plenum';
En la animoj libero ekflamos,
Brilos okuloj pro scio kaj lum'.

Raso ĝi estos kuraĝa kaj forta,
  Ne por detrui la vivon, sed plu
Homan mastrecon starigi ĉe tero,
  Fajro, aero, kaj mara la blu'.

Gento kun gento, kaj lando kun lando,
  Vivos amike en plena liber';
Ĉiuj senarme kunloĝos gefrate,
  Paco regados sur tuta la ter'.

Kiel ĉe l' sankta vizaĝo de Dio
  Dolĉe kantadas anĝeloj en ĥor';
Tiel la homoj fratare laboros
  Plenharmonie, kun amo en kor'.

Venos novartoj pli belaj kaj altaj,
  Vibros muziko en rava seren';
Ĉiu vivaĵo fariĝos kantaĵo;
  Tero aspektos jam nova Eden'.

Ne plu ekzistos pekado aŭ krimo,
  Ĉie triumfos la bono kaj ver';
Homoj vivados laŭ leĝoj de Dio,
  Fine alvenos ĉielo sur ter'.

## 190 *And is the time approaching?*

*Aurelia*, ABCGHILMPRUY; *Thornbury*, ABCGIJPRSUY; *King's Lynn*, CEFJLRSUY

KAJ ĉu la tempo venas, plenume al vizi'?
Ĉu homoj kune loĝos en unu famili'?
Ĉu renkontiĝos anoj de ĉiu ajn naci'
Por ĝoja kunadoro al la komuna Di'?

Ĉu ĉia malkonsento por ĉiam pasos for?
Kaj nigron de la nokto forpelos taga glor'?
Ĉu iam ni fratiĝos per vasta, varma am',
Kaj ĉies koro ardos per ĝia sankta flam'?

Al tiu bena tempo sopiras nia kor'!
Elbrilu, sun' matena, ombraron pelu for!
Ho antaŭvido rava! Kuraĝon donas vi
Preĝadi kaj labori ĝis brilos tagradi'.

## 191 *Sing we of the Golden City*

*Austria*, ABCGHILMPRSU; *Lux Eoi*, ABFGIJLMPU

KANTU ni la Oran Urbon,
  Temon de profeta plum':
Plena ĝi de mirindaĵoj,
  Brila pro eterna lum'.
Justularo tie loĝas
  En radia feliĉec';
Peko foren ekziliĝas,
  Regas tie nur justec'.

Tiun urbon ni konstruas;
  Ĉiu ĝojo, ĉiu plor'
Ŝtonon metas al la muroj—
  Jen la nia vivlabor'.
Ĉion ni por ĝi oferu
  Malgraŭ larmoj kaj dolor';
Estu ĝi la vivocelo,
  Ankro de fidanta kor'.

Kion pene ni konstruas—
  Ofte per sanganta man',
Nekomplete, senkomprene—
  Perfektigos Dia plan'.
Iam al la profetaĵo
  Venos glora elplenum';
Fine brilos en majesto
  Ora Urbo de la lum'.

## BAPTO. KONFIRMO

## 192 *O Jesus, I have promised*

*Day of Rest*, BGMP; *Missionary*, BCEGHIJMNUZ; *Wolvercote*, ABCGIJLMPRUY

1

JESUO, mi promesis
  Vin servi ĝis la fin';
Ho Mastro kaj Amiko,
  Konstante gvidu min.
Batalon mi ne timos,
  Se min subtenos Di';
Nek vagos de la vojo,
  Se kondukados vi.

2

Mi sentu vin apude!
  Ĉar premas la malbon';
Vantaĵoj forte logas,
  Aŭdiĝas tenta son'.
Ĉirkaŭas malamikoj
  Interne, kaj sur ter';
Jesuo, proksimiĝu,
  Min ŝirmu de danĝer'.

3

Mi aŭdu vin paroli
  La vorton de la ver',
Ĉar ofte min plenigas
  Pasio kaj koler'.
Ho tiam via voĉo,
  Vokante en proksim',
Redonu la trankvilon
  Al koro kaj anim'.

4

Ĉar nur per via forto
  Mi povos sur la ter'
Sekvadi viajn paŝojn
  Kun fido kaj esper',
Min voku, tiru, helpu,
  Ke mi servadu vin;
Kaj poste al ĉielo,
  Savanto, prenu min.

## LA TABLO DE LA SINJORO

### 193 *O food of men wayfaring*

*In allen meinen Thaten*, ER

JESUO, viva pano
De ĉiu Diinfano,
  Ĉielmanao vi:
Ho montru vi kompaton;
Animan la malsaton
  Forigu nun de ni.

Vivfonto nesondebla
De amo nedirebla,
  Sensoifigu nin;
Ĝis lakto kaj mielo
Nin benos en ĉielo
  Ĉe la vojaĝa fin'.

Ni venas nun, Sinjoro,
Kun amo kaj adoro,
  Ĉar vi invitas nin;
Trans nigra morta valo
Ŝiriĝu la vualo;
  Ni fine vidu vin.

### 194 *Bread of the world, in mercy broken*

*Rendez à Dieu*, BCEFILMPRSUY

PANO de l' mondo, nun rompita,
  Vino, sangdono pro homar',
Homoj per vi ricevos vivon,
  Savon el ĉiu peka far':
Vidu la koron afliktatan,
  Vidu la larmojn de l' anim',
Kaj nun ĉe via Sankta Tablo
  Gracon donacu, kaj sen lim'.

## 195 *From Greenland's icy mountains*

*Missionary*, BCEGHIJMNUZ;
*Crüger* (*Herrnhut*), ABCEFGIJMPRSUWY

1 ĈE arktaj neĝomontoj,
Homplena orient',
Afrikaj sunaj fontoj,
Proksima okcident';
Ĉe valo kaj kamparo,
Rivero kaj arbar',
Nin vokas gefrataro
En ĉenoj de erar'.

2 Nin ravas birda sono,
Allogas ĉiu flor',
Troviĝas ja malbono
Nur en la homa kor':
Kaj vane riceviĝas
De l' homo ĉiu bon';
Li blinde genuiĝas
Al ligno kaj al ŝton'.

3 Ĉiele lumbenitaj,
Ĉu rifuzadu ni
Al homoj nesavitaj
La scion pri l' Mesi'?
"Vin savis Krista amo,
Akceptu lin en ver'!"
Sonadu la proklamo
En ĉiu land' sur ter'.

4 Ruliĝu, mara ondo,
Kaj ventoj, blovu vi,
Ke venku tra la mondo
La Kristevangeli'.
Ĝis laŭ fervora preĝo
Revenos Krist' al ni,
Savinto, Dio, Reĝo—
Kaj ĉie regos li.

## 196 *God is working his purpose out*

(Ĥab 2/14)
*Benson*, ABCEFGILNY; *Purpose*, EJLMS

|DIO laboras, e|fektivigante la |ce-lon de · si-a bon|volo.
|Dio laboras, por |plenu-madi l' es|peron de · si-a po|polo.
|Pli kaj pli proksim|iĝas la tempo, dum |jaro sekvas |jaron,
Kaj la |tero pleniĝos de l' |kono de Di', kiel |akvo plen-igas la |maron.

|De oriento ĝis |okcident', kie|ajn hompiedo |paŝas,
La |buŝoj de multaj send|itoj nun la |vorton de Dio mal|kaŝas.
|Ĉiuj landoj aŭs|kultu lin! Li al|vokas la tuthom|aron,
Ke la |tero pleniĝu de l' |kono de Di', kiel |akvo plen-igas la |maron.

|Kiel povas la|bori ni, por for|igo · de mi|zero,
Por |homojn fratigi, la |regnon venigi de l' |Princo de Pac' al la |tero?
|Kion ni povas |fari nun, por ak|cel-i la gloran mil|jaron,
Kiam |tero pleniĝos de l' |kono de Di', kiel |akvo plen-igas la |maron?

Sekv|ante al Je|suo Krist', ni |mar-ŝu kun forto |Dia,
Ke |brilu tutmonde la |glora lum' de la |vero evange|lia.
|Kontraŭ peko ba|talu ni, por |sa-vi la kaptit|aron,
Ke la |tero pleniĝu de l' |kono de Di', kiel |akvo plen-igas la |maron.

|Vana estos |nia labor', se |Dio ĝin ne |benos.
|Se li ne viv|igos la semon, ri|kolto ne-niam |venos.
Sed |pli kaj pli proksim|iĝas la tempo, dum |jaro sekvas |jaron,
Kaj la |tero pleniĝos de l' |kono de Di', kiel |akvo plen-igas la |maron.

## AMO KAJ SERVO AL LA HOMARO

## 197 *Is thy cruse of comfort failing?*

*Halmore* (*Worship Song*) E. Moss



Alternativo: *Sunset*, U

ĈU la kruĉo malpleniĝas dum la jaroj de malsato?
Por vi ambaŭ ĝi sufiĉos, dividite kun la frato.

Amo Dia vin provizos, repleniĝos via mano;
Kio ne satigus unu, por du estas reĝa pano.

## AMO KAJ SERVO AL LA HOMARO

Ĉar la amo estas greno: ĝin donante, vi riĉiĝas;
En garbejo ĝi pereas, sed semite multobliĝas.

Ĉu la ŝarĝo estas peza? Ĉu treniĝas paŝoj viaj?
Portu ŝarĝon de najbaro: vin fortigos manoj Diaj.

Ĉu, dormante sur la montoj, en la neĝo vi frostiĝas?
Frotu korpon de alia: tiel ambaŭ kunvarmiĝas.

Ĉu vi falis en batalo? Helpu flegi la aliajn:
Balzamante ties vundojn, vi sanigos ankaŭ viajn.

Ĉu malplena via koro? Sole Dio ĝin satigos;
Sole fonto ĉiamkura la sopirojn kvietigos.

Sole amo estas vivo, egoismo estas morto:
Nur el servo kaj donado fontas vera vivo-forto.

## 198 *O brother man!*

*Intercessor*, ABCGILMPRSY;
*Londonderry Air* (*Saviour of the world*), BLMNS

HOMFRATO, amu kore fraton vian!
  Ĉar paco fontas el la kompatem':
Adori estas ami fraton sian;
  Himnado, preĝ'—rideto, bonfarem'.

La religio kiun Kristo konas
  Al korrompitoj venas kun esper';
Perditojn trovas, helpon ame donas
  Al orfoj kaj vidvinoj en mizer'.

Sekvadu do al sankta la ekzemplo
  De lia bonfarado kaj homam';
La mondo estos vasta Dia templo;
  La tuta vivo, ĝoja dankopsalm'.

Milito mortos tiam de la tero,
  Katenoj krevos per la Dia grac';
Fortretos am' la fajron de kolero,
  Kaj tie plantos arbon de la pac'.

## 199 *Gracious Spirit, Holy Ghost*

(1 Kor. 13)

*Charity*, ABCGIJLMPU

1

HO Spirito, via kono
Gvidas nin al ĉia bono,
Sed la plej celinda dono
Tamen estas amo.

2

Se mi ŝajne havus ĉion:
Fortan fidon, lingvoscion,
Tamen havus mi nenion
Se forestus amo.

3

Senprofite mi suferus,
Tutan havon foroferus,
Al bruliĝo min liverus,
Se forestus amo.

4

Amo estas kompatega,
Tolerema, humilega,
Pli ol morto potencega:
Donu al ni amon.

5

Profetado neniiĝos;
Lingvoj, scio, ja ĉesiĝos;
Amo ĉiam plifortiĝos:
Tial donu amon.

6

Fido cedos al vidaĵo;
Ombron sekvos realaĵo;
Esperadon plenumaĵo:
Ĉiam restos amo.

7

Fid', espero, am', en ĉio
Trovas sin en harmonio;
Sed plej granda el la trio,
Kaj plej bona, amo.

8

Ho Spirito nin gardanta,
Subflugile protektanta,
Benu nin per devenanta
El ĉielo amo.

## 200 *When wilt thou save the people?*

*Commonwealth*, BCFMN; *Kendal*, ES

KIAM vi savos homojn,
Ho kompatema Di'?
Ne tronojn, estrojn, kronojn,
Sed homojn savu vi!
Florojn de via Patra kor',
Ne lasu ilin velki for—
El mallumeco kaj doloro
Savu la homojn!

Ĉu krimo nasku krimon
  Eterne pli kaj pli?
Triumfon de malbono
  Ĉu, Patro, volas vi?
"Ne", diras montoj, suno, mar';
Pasos la nuboj de erar',
Kaj ĝoje kantos tuthomaro!
  Savu la homojn!

Kiam vi savos homojn?
  Ĝis kiam ploros ni?
La homojn, Dio, homojn,
  Ne tronojn, savu vi!
Viajn infanojn sur la ter'
Savu el povo de l' infer';
El peko, premo, malespero,
  Savu la homojn!

## 201 *Comrades we, whom love is leading*

*Himno al Ĝojo* (adaptita) Beethoven



Alternativo: *Bethany*, BCGHMNPUZ

KAMARADOJ amgvidataj, ombrojn ni forlasas nun—
Anoj de matena lumo—kun vizaĝoj al la sun'.
Tra nebula nigra nokto, kruta estas nia voj';
Sed vidiĝas tra la nuboj montoj de eterna ĝoj'.

Dio, se al ni doniĝis suno super val' kaj mont'—
Se ni trinkis vivan akvon el neniam seka font'—
De spirito amforgesa egoisma savu nin:
En servado al aliaj ĉiu ĝoju perdi sin.

Restas koroj en katenoj, mortas floroj de la am',
Kie suno ne penetras, estingiĝas Dia flam';
Kie homoj vianome en milito buĉas sin,
Kaj la homa avideco ree krucumadas vin.

Ho Savinto, vi ja mortis, por katenojn rompi for;
Ĉe malluma Getsemano vi eltrinkis de dolor';
En potenco de humilo vi fariĝis triumfant';
Ŝanĝis teran lamentadon al ĉiela ĝoja kant'.

Fontas amo Dia nur el Dia kompatem';
Fluas la ĉiela vino el komuna vinberprem'.
Via kruco nin inspiru sekvi kaj obei vin;
Prenu nin, kaj per Spirito kaj per fajro baptu nin.

## FRATECO INTERNACIA

**202**

*England, arise*, F

HO kamaradoj en la batalado
   Savi la mondon el militturment',
Ĉiam memoru nian sanktan celon,
   Daŭre inspiru vin la amosent':
      Ĉiu vera id'
      De fratama fid'
Trovas amikojn ja en ĉiu gent'.

Saman naturon el komuna fonto
   Ĉe la nacioj ĉie trovas ni;
Sama patrino nutras nian vivon,
   Noblan destinon jam ebligis ŝi;
      Kaj en ĉiu land'
      Sonas la demand':
"Ĉu ne infanoj ni de sama Di'?"

Ni homaranoj falsan patrujamon
Ĵetu fervore el la brusto for;
Ondoj de amo fine estingadu
Flamojn militajn en la homa kor':
Vere restos ni
Disa famili',
Ĝis de milito batos morta hor'.

Tenu fidele nian pacateston,
Kaj la perforto mortos en respond';
Korojn kunplektu trans naciajn limojn,
Gentojn ligante en amika rond'.
Jen por vi kaj mi
La batala kri':
"Paco kaj justo en libera mond'!"

## **203** *This is my song, a song of all the nations*

*Jen mia preĝo*
*Finlandia*, BGP

JEN mia preĝo, Dio de l' nacioj,
Ke venu paco al la tuta ter';
Jen mia hejmo, lando de la koro,
Sanktejo mia, revo kaj esper'.
Sed same batas koroj alilande,
Kun samaj revoj, amo al liber'.

Kaj tie same verdas trifolio;
Ĉielo bluas kiel mara ond';
La sama suno lumas al pinarboj,
Kaj oceano brilas en respond'.
Ho Eternulo, aŭdu mian preĝon,
Kaj donu pacon al la tuta mond'.

Ĉiela Patro, venu via regno!
Tra l' tuta tero regu via leĝ'.
En unueco ĉiuj vin servadu,
Leviĝu Krist', la tuthomara Reĝ'!
Al vi mi donas min kun danka koro;
"Fariĝu via vol'!"—Jen mia preĝ'.

## 204 *No frontiers exist in the world of true brothers*

*La vera frataro* — Harrison Hill



El *The British Esperantist*, Jan. 1914;
F (Suplemento, 1920)

NE ekzistas landlimoj por la vera frataro,
  La vasta frataro tra tuta la mond';
Nek monto nek valo, nek lando nek maro
  Dividos nin longe de frata la rond'.

Ne bezonas armilojn tiu granda frataro,
  Ĉar amo kaj vero sufiĉas por ĝi,
Per ĉia bonfaro sur monda kamparo
  Ĝi venkos, estante fidela al si.

Vekiĝu, homaro! Vi estas frataro,
  La suno briladas por tuta la rond';
Agadu vi frate, amante, amate,
  La monda frataro por tuta la mond'.

Ho! Forto de l' mondo; Ho! Patro de l' rondo,
  La rondo gefrata, la ama ĉenar';
Vastiĝu la rondo tra tuta la mondo,
  Ĝis fine fratiĝos la tuta homar'!

## 205 *Moscow*, ABCGHILMPRSY

1 HOMOJ el tuta mond'!
Vivu en frata rond'
  Ĉiu naci'!
Longe la popolar'
Staris kun armilar':
Nun estu tuthomar'
  Pacimperi'.

2 Ni preĝas tie ĉi,
Ke ĉiam sekvu ni
  Vojon de bon';
Ĉiam al frata kri'
Kore respondu ni;
Paco, regadu ĝi
  Kun amokron'.

3 Patro en la ĉiel',
Venu la glora cel',
Monda fratar':
Mortu malamo for;
Staru por kunador'—
Amon en ĉiu kor'—
La naciar'.

4 Ĉie de ter' kaj mar'
Ĝojo kaj laŭdkantar'
Sonu ĉe ni!
Kantu la plena kor'
Kun anĝelara ĥor':
"Estu al Dio glor',
Paco al vi!"

## PACO TUTMONDA

### 206 *God the omnipotent*

*Russia(n anthem)* (*Rephidim*), ACHIMNPY

DIO majesta, kiu ordonas
Ventojn kaj fulmojn, regante en glor':
Vi el ĉielo la mondon disponas:
Donu la pacon al ni, ho Sinjor'!

Dio potenca! juste kolera,
Montru kompaton pri nia dolor'.
Ne nin forlasu en horo danĝera:
Donu la pacon al ni, ho Sinjor'.

Dio kompata! Ni honte konfesas:
De via vojo vagadis ni for:
Sed vi pardonon post pento promesas:
Donu pardonon al ni, ho Sinjor'.

Dio plensaĝa! La mondon ni vidos
Ĝoja, libera, pro via favor';
Tra la mallumo la regno rapidos:
En via tempo ĝi venos, Sinjor'.

Nin do timigas nenia danĝero;
Vin ni laŭdados, kun fido en kor':
Ĉie regados la paco sur tero:
Ĉiu nacio vin laŭdos, Sinjor'.

## ALVOKO PACISMA

### 207 *JESUO PAROLAS*

*Hereford*, ABCGIJLRU

INFANOJ, ho infanoj miaj!
Ĉu vi ne aŭdas min vokantan?
Ho, levu sin okuloj viaj!
Aŭskultu, aŭdu min plorantan.

LA NACIO

Ja vane pacon vi sopiras,
Preĝante el la tuta mondo,
Se tamen ĉiu nur deziras,
Ke venka estu *lia* rondo.

Soldatoj, interbatalante,
Murdante unu la alian,
Petegas, laŭte min vokante,
La helpon kaj la benon mian:

Kaj ĉiu kredas sin la prava,
Ĉar "sankta estas la afero"—
Proklamas la malvenkon sklava,
Semante pacon sur la tero!

Infanoj! viaj vortoj pikas
La koron mian sangadantan,
Kaj viaj preĝoj ne efikas:
Mi aŭdas preĝon nur amantan.

"Pardonu" estis mia vorto,
"Pardonu viajn malamikojn."
Nur amo estas vera forto:
Ĝi sola havas bonefikojn.

Pripensu, do, infanoj miaj!
Ĉesigu vian bataladon.
Min ne atingas vortoj viaj;
Mi ne aŭskultas malamadon.

Denove nun vi min krucumas,
Per akra glavo min tranĉante;
Ne miajn vortojn vi plenumas,
Kunhomojn tiel mortigante.

**LA NACIO**

**208** *And did those feet in ancient time*

*Jerusalem* (*Parry*), ACFJPRSY

ĈU antaŭ longe paŝis Li
En mezo de la amikar'—
La Diŝafido—tie ĉi
Sur Anglaj montoj kaj kampar'?
Ĉu nigrajn montojn ĉirkaŭ ni
Briligis Divizaĝa lum'?
Ĉu Jerusalem estis vi,
Infera fabrikeja fum'?

Alportu sagojn de dezir',
  Kaj arkon el flamanta or',
Kun fajra ĉaro de aspir'
  Kaj mia lanc'—Ho nuboj, for!
Laboros mi sen tim' aŭ trem'
  Kun glavo preta por komand',
Ĝis staros Nov-Jerusalem'
  En Angla bela verda land'.

## 209 *England arise!*

*England, arise,* F

FRATOJ, leviĝu! Pasis for la nokto,
  Novan matenon jam rigardu vi!
Foren, inkuba sonĝo de doloro,
  Vidu, la tago brilas tie ĉi!
    Montoj, kampoj, nun
    Kantas sub la sun':
  "Ĝoju, la tago venis jam al ni!"

Kie ploradas geinfanoj viaj,
  Kun la vizaĝoj palaj de malsat';
Urboj mallumaj, kies geetuloj
  Vivas sen ĝojo, amo, aŭ kompat';
    Ĉiu aĉa dom'
    Kie ĝemas hom'
  Kriu: "La tago venis jam al ni!"

Aŭdu, popoloj! vokas viaj valoj,
  Vibras ĉielo pro alaŭda kri':
Ĉu vi restadu en hontinda dormo?
  Karan patrujon malkonfesu vi?
    Sonu ĉiam pli
    Tiu laŭta kri':
  "Vidu, la tago venis jam al ni!"

Kune antaŭen, veraj patriotoj,
  Malgraŭ danĝero, moko, kaj ĉagren';
Fortaj pro fido, amo, kaj libero,
  Por laborado en la ĝojmaten'!
    Kiel kanta ond'
    Sonos tra la mond':
  "Fratoj, la tago venis jam al ni!"

## 210 *O beautiful our country!*

*Ewing*, ABCILMNPRUYZ; *Aurelia*, BCEGHIJMPRSW

HO bela patrolando!
Ne estu via cel'
Nur riĉo de l' komerco,
Kaj grenkampara bel'!
Sed mizerulojn levu
Al ĝojo kaj esper';
Por subpremitoj estu
La pordo al liber'.

Volonte niaj patroj
Oferis sin pro vi,
Suferis kaj laboris,
Ne pensis nur pri si.
Ilia vivo lumas
Ankoraŭ kiel sun';
Ilia sango fluas
En via vivo nun.

Ho bela patrolando!
Ni amas vin en ver',
Kaj preĝas, ke vin benu
Frateco kaj Liber';
Kun Justo via sceptro,
Kaj Juro via tron';
Kaj Paco la juvelo
Plej brila sur la kron'.

## 211 *Now pray we for our country*

*King's Lynn*, CLRSUY; *Thaxted*, BCMSY

NI preĝas, nia lando,
Ke longe restu vi
Pro justo kaj feliĉo
La gloro de l' naci'.
Ho benu kaj beniĝu!
Kaj vivu ĉiu hom'
Ĝojplene, de l' palaco mem
Ĝis plej humila dom'.

Kun amo ni laboros
Por vi laŭ plena fort',
La koron kaj trezoron
Donante ĝis la mort'.
Vi estu pioniro
De paco kaj liber';
La tuthomaro benu vin,
Juvelo de la ter'!

## 212 *Nous voulons Dieu*

*Gott Will's Machen*, R; *Strathfield* (muziko ĉe 107)

NI volas vin, ho granda Dio!
Jen estas de l' kristana kor'
La ĉiam redirata krio
De fideleco kaj ador'.

Ni volas vin en niaj domoj,
Por ke, dum ĝojo kaj dum pen',
Sur niaj karaj familioj
Restadu ĉiam via ben'.

MATENO

Ni volas vin en la lernejoj,
  Por ke el nia junular'
Restadu pia ĉiu membro
  De la fidela Kristanar'.

Ni volas vin en la armeoj,
  Por ke soifo al la glor'
Nek pacdeziron nek homamon
  Estingu en soldata kor'.

Ni volas vin ĉe l' tribunaloj,
  Por ke honesta juĝistar'
Regigu ĉie la justecon
  Por la feliĉo de l' homar'.

Ni volas vin ĉe l' parlamentoj,
  Por ke en ĉiu ŝtatafer'
Vi estu super ĉiu reĝo
  La vera Reĝo de la ter'.

## MATENO

## 213 *Come, my soul, thou must be waking*

***Sunrise*** E. Pettman



Alternativoj: *Meine Armuth*, BJLMRY; *Warwick*, CL

HO, vekiĝu mia koro
  Ĉe la gloro
    De la leviĝanta sun';
Kaj al Dio la Kreanto
  Sonu kanto
    De anima danko nun.

Frumatene lin preĝadu,
Oferadu
La incenson de la kor';
Ĉar li benis vin konstante,
Vin gardante,
Dum senhelpa nokta hor'.

Li rigardu kun favoro
Al laboro
Kies celo plaĉas lin;
Sed malhelpu vian faron—
Metu baron—
Se li ne aprobas ĝin.

Diajn donojn bone uzu;
Ne rifuzu
Lian vokon aŭdi nun.
Tra la nokto li vin gvidos,
Kaj vi vidos
Tagon de sennuba sun'.

Kiam sonos morta horo,
Sen doloro
En la dormo pasu for
Al eterna pura helo
De l' ĉielo;
Estu ĝoja via kor'.

Gloro, laŭdo, kaj honoro,
Kun adoro,
Estu al sanktega Di';
Patro, Filo, kaj Spirito,
Laŭ merito,
Dum eterne regas li.

## VESPERO. NOKTO

**214** *Glory to thee, my God, this night*

*Tallis' Canon*, ABCHILMPRUYZ

AL vi vespere gloras mi
Pro ĉiu bena lumradi';
Min sub flugiloj viaj nun
Protektu ĝis matena sun'.

Pro via Fil' mi petas vin
Pri ĉiu pek' pardoni min,
Ke kun la mondo kaj kun vi
En plena paco estu mi.

Instruu min vivadi, ke
Nur lito ŝajnu la tombej';
Kaj morti, ke ĉiela glor'
Min vestu en la juĝa hor'.

Ripozu la anim' sur vi;
Kaj venu dolĉa dorm' al mi,
Ke mi vekiĝu en seren'
Por via servo en maten'.

Se nokte maldormemas mi,
Trankvilajn pensojn donu vi:
Malbonajn sonĝojn pelu for,
Kaj restu pura mia kor'.

Al Dio laŭdu tuta ter',
Lin laŭdu la ĉiela sfer';
Laŭdadu ni sen intermit'
Al Patro, Filo, kaj Spirit'.

## 215 *Hear our prayer, O heavenly Father*

*Sussex*, BCEGJLMPRSUY;
*Drakes Boughton*, CW; *Sunset*, U

AŬDU nian preĝon, Patro,
  Antaŭ ol ekdormos ni;
Gardu nin anĝeloj sanktaj,
  Dum ni kantas tie ĉi.

Grandaj estas niaj pekoj,
  Sed pli granda via kor';
Helpu nin forlasi ilin,
  Kaj pardonu nin, Sinjor'.

En danĝeroj de la nokto
  Viaj manoj tenu nin;
Prenu hejmen al ripozo
  Ĉe la pilgrimada fin'.

Forton por estontaj tagoj
  Kompateme donu vi;
Gardu nin, protektu, benu,
  Ĝis ĉielon iros ni.

Estu gloro kaj honoro
  Al vi, tri, sed unu Di';
Vin kun dankoplena koro
  Nun kaj ĉiam laŭdos ni.

## 216 *Ere I sleep*

*Evensong*, GM; *Thanet*, CGLPU; *Ballards Lane*, CL

BALDAŬ venos dormohoroj:
  Do al Di'
  Levu mi
Dankon pro favoroj.

Dio, pro kompato via
  Nun al vi
  Tie ĉi
Sonu kanto mia.

Miajn paŝojn vi gvidadis;
  Preĝis mi,
  Aŭdis vi,
Farojn sanktigadis.

Min subtenu sur la vojo
  Via grac',
  Vera pac',
Enanima ĝojo.

Dum surtera vivo mia
  Gardu min
  Ĝis la fin'
Per potenco via.

Kiam venos morta horo
  Restu vi
  Apud mi,
Prenu min al gloro.

## 217 *Now God be with us*

*Diva servatrix (Bayeux)*, ABCEIPRSW;
*Integer vitae (Flemming)*, BCN; *Cloisters*, AGLMPU;
*Christe Sanctorum*, ABIJLPRSUY

DIO, alestu, ĉar la nokto venas!
Per lumo kaj mallumo vi nin benas;
Sub via ombro kuŝos ni en vero
  Ekster danĝero.

Forkuru nun malbona penso ĉia;
Dumnokte restu Protektanto nia;
Korpe, anime, Dio, nin defendu;
  Anĝelojn sendu.

Ni havu piajn pensojn ekdormante,
Kaj en matena horo vekiĝante;
La tutan tagon ni por vi laboru,
  Kaj vin adoru.

Helpon nenian havas ni, krom via;
Sed ni fariĝis viaj, Patro nia.
Nin en soleco vi neniam lasos,
  Nek preterpasos.

Patro! De vi la nomon ĉiu benu,
La vol' fariĝu, kaj la regno venu;
Nin dum la vivo gardu kaj pardonu;
  Fine nin kronu.

## 218 *God who madest earth and heaven*

*Ar hyd y nos* (*All through the night*), ABCEFHIMRSY; *Temple*, P

DIO de ĉiel' kaj tero,
  Kies favor'
Donas dormon de vespero
  Post taglabor';
Nun ripozon ame sendu,
Anĝelaro nin defendu,
Sanktaj sonĝoj nin atendu
  Dum nokta hor'.

Laborantajn aŭ dormantajn
  Gardu nin, Di';
Subtenadu nin mortantajn,
  Restu kun ni.
Kiam sonos juĝa horo,
Ne forlasu nin, Sinjoro,
Prenu al ĉiela gloro
  Hejmen kun vi.

## 219 *Now the day is over*

*Eudoxia*, ABCGIJLMPRSU; *Lyndhurst*, GP; *Pastor Pastorum*, AGJLU

1 JEN la tag' finiĝas,
Nokto venas nun,
Ombroj de l' vespero
Sekvas post la sun'.
Nun mallumo kreskas,
Brilas la stelar',
Birdoj, bestoj, floroj,
Dormas en arbar'!

2 Dio, ripozadon
Donu al lacul':
Sin per via beno
Fermu la okul'.
Sonĝojn pri ĉielo
Sonĝu infanar'.
Gardu la maristojn
Sur la blua mar'.

3 Ĉiun suferanton
Helpu en dolor',
La pekonton tenu
En la tenta hor'.
Dum la tuta nokto,
Mi petegas vin,
Kovru per flugiloj
De anĝeloj min.

4 Kiam mi vekiĝos,
Tiam estu mi
Freŝa kaj senpeka,
Pura antaŭ vi.
Al la Patro, Filo,
Kaj Spirito, ni
Laŭdu je eterne,
Tri, sed unu Di'.

## 220 *The day thou gavest, Lord, is ended*

*St. Clement*, ABCGJLMNPRUY

LA tago donita de vi jam finiĝis,
Alvenas mallumo laŭ via ordon';
Al vi niaj himnoj matene leviĝis,
Vesperon sanktigos de laŭdo la son'.

Ni dankas vin, ke l' Eklezio maldorma,
Dum lumon reportas la terruliĝad',
Vigladas tra tuta la mondo rondforma,
Ĉesiĝas neniam la daŭra preĝad'.

Sur ĉiu mondparto nun laŭ via leĝo
Laŭvice la tagon anoncas lumiĝ',
Neniam silentas la voĉo de preĝo,
Al laŭdo neniam alvenas finiĝ'.

La suno por ni la ripozon ordonas,
Sed vekas la fratojn en helokcident';
Kaj horon post horo novlaŭdoj eksonas,
Mirindan rakonton disportas la vent'.

Jes, vere, Sinjoro, forpasos neniam
(Kun tronoj surteraj) reĝeco de vi:
Ĝi staros konstante kaj kreskos por ĉiam,
Ĝis ĉiu konfesos la regon de Di'.

## 221 *The day is past and over*

*St. Anatolius*, ABCEFGJLMP; *Hominum amator*, ELRY

1

LA tago nun forpasis:
Ni dankas vin, Sinjor'.
Senpeka dum la nokto
Restadu nia kor'.
*Jesuo, ni petegas vin;*
*Dum la mallumo gardu nin.*

2

Finiĝis taga ĝojo:
Ni preĝas nun al vi,
Ke dum la nokta horo
Senkulpaj restu ni.

3

Finiĝis taglaboro
Kun himno de vesper';
Kuŝiĝos ni kaj dormos
Sen timo pri danĝer'.

4

Protektu nin anime,
Ĉar vi, kaj sole vi,
Konscias la danĝerojn,
Tra kiuj pasos ni.
Jesuo, ame aŭdu nin
Kaj gardu ĝis la vivo-fin'.

## 222 *Father in high heaven dwelling*

*Evening hymn*, BCGMNP; *Evangelists*, ALY

PATRO en ĉiela sfero,
Per la kanto de vespero
Ni deziras laŭdi vin;
Nin konstante via mano
Nutris per la taga pano,
Amoplene gvidis nin.

Benu nin pardono via
Pri nuntaga peko ĉia,
Vant', fiero, kaj envi';
Mondmakulojn foren lavu,
Savu nun, kaj ĉiam savu,
Ho Ŝafid' de Kalvari'!

Kontraŭ la satanaj provoj,
Kontraŭ malamikaj povoj,
Ŝildu ĝis la vivofin';
Dum la nokto nin defendu,
Pacon al la koro sendu;
Anĝelaro gardu nin.

Donu, ho Spirito Dia,
Ke per sereneco via
Nun pleniĝu ĉies kor';
En trankvilo ripozante,
Vian amon konfidante
Pace ĝis matena hor'.

## 223 *Abide with me*

*Eventide*, ABCIJMNPRSUZ; *Ellers*, ABCEGHILMPUY

RESTU kun mi: subiras jam la sun';
Kreskas mallumo; nokto venas nun.
Foras amikoj, ombroj kreskas pli:
Forta Helpanto, ho restadu vi!

Homa vivtago baldaŭ mortas for;
Ĝojoj ne daŭras, pasas monda glor';
Ŝanĝon kaj velkon ĉie vidas ni:
Ho Senŝanĝulo, ĉiam restu vi.

Ne timeginda, Reĝo de reĝar';
Sed kompatema, Fonto de benar';
Preta aŭskulti al senforta kri':
Pekulamiko, tiel restu vi.

Restu kun mi dum ĉiu vivmoment':
Sen via graco cedus mi al tent'.
Blinde mi vagus, se ne gvidus vi:
En ĉia sorto restu do kun mi.

Timas neniun mi, kun via ben';
Ne havas pezon larmoj kaj ĉagren';
Super la tombo ja triumfos mi;
Venkos la morton—se nur restos vi.

En fina horo, kiel gvida stel'
Trans la mallumon montru al ĉiel':
Ombroj forkuras, jen matenradi'!
En viv', en mort', ho Dio, restu vi.

## 224 *Now all the woods are sleeping*
## *The duteous day now endeth*

*Innsbruck*, ABCEGIJMPSUW
*Libera traduko el la Germana de P. Gerhardt.*
*Anglaj tradukoj, kaj iomete la melodio, diferencas en diversaj himnaroj.*

SILENTAS tuta tero;
Krepusko de vespero
  Etendas ĉie sin:
Sed nokto nin ne ĝenos,
Ĉar Dio mane tenos,
  Kaj dum mallumo gardos nin.

La luno nun leviĝas,
Steletoj ekvidiĝas
Sur nigra firmament':
Lin laŭdu nia koro
Kun danko kaj adoro
Pro ĉiu bena tagmoment'.

Tro ofte ni teruloj,
Mizeraj pekemuloj,
Vivadas en malĝoj';
Strebante al vanaĵoj,
Cedante al tentaĵoj,
Vagante for de l' rekta voj'.

Ni petas vin, ho Dio,
Pardonu nin pri ĉio;
Kompate helpu nin
Servadi vin fervore,
Amadi vin tutkore,
Jam nun kaj ĝis la vivofin'.

Kaj kiam en vespero
De l' vivo sur la tero
Taglumo mortos for;
Ekbrilu novmateno
De ĝojo kaj sereno
Eterne en ĉiela glor'.

## 225 *Saviour, breathe an evening blessing*

*Lugano (Florence)*, EP; *Sicilian Mariners*, CGHIJMNZ; *Salvator (Jewson)*, HM

SPIRU benon, ho Sinjoro,
Antaŭ ol ripozos ni;
Pekon pentas nia koro,
Savon, sanon, donu vi.
Se la nokto nigra estos,
Ĝi ne kaŝos nin de vi;
Ĉiam vi gardanto estos,
Sendanĝere dormos ni.

Se ĉirkaŭas nin detruo,
Flugas malamika sag';
Tamen amo de Jesuo
Gardas nin dum tuta tag'.
Se ni en la nokto mortos,
En la dormo pasos for,
Al ĉielo li nin portos:
Hejmo de eterna glor'.

# 226 *The springtide hour*

*Avondale* (adaptita) J. Booth



El *Congregational Church Hymnal*, 1887

1 FOLIE, flore,
Printempahore
Ĝojadas tuta tero;
En verdarbaro
La birdetaro
Kantadas pri somero;

2 El tuta mondo
En laŭda ondo
Sonadas Dia gloro—
Sed malgraŭ ĉio
Ne vibras io
En mia vintra koro.

3 En sankta paco
La Dia graco
Briladas al la tero;
Dezerton venas,
Animon benas,
La roso de vespero—

4 Sed tra la jaro
La kreitaro
Vin laŭdas ĝoja-kante
Sen eĥo ia
El koro mia;
Silentas ĝi konstante.

5 Ho Dio, venu,
Amvente benu
Glacian koron mian!
Elvoku florojn
Kaj spicodorojn,
Forspiru vintron ĝian;

6 Ke kun la mondo,
En ĝoja rondo,
Himnante laŭdon vian,
Nun mia koro
Por via gloro
Aldonu kanton sian.



L

## 227 *MATENO PRINTEMPA*

*Swanwick* Leonard I. Gentle



KIAM mateno, ruĝe ridante,
  Vekas la birdojn, ili tre frue
  Sub la fenestro, dolĉe sed brue
Vokas min laŭdi, Dion dankante.

Tiam, post preĝo, preta por ĉio,
  Gaje mi iras fari la devojn
  (Intermiksante iom la revojn),
Plene fidante helpon de Dio.

Ho! la printempa, bela aero!
  Kiel mi ĝojas, ĝin enspirante!
  Tuta naturo, revekiĝante,
Kantas pri amo, vivo, espero.

Ĉio rapidas gaje sin vesti
  Verdfoliare por la somero.
  For la malamo! Venu al tero
Paco kaj ĝojo, longe por resti!

Ĉu malespero povas ekzisti,
  Kiam la suno tiel varmigas?
  Ĝiaj ridetoj ploron sekigas:
Ilin nenio povas rezisti.

Ha! kiu volus plendi pri io,
  Dum lin karesas ame la vento?
  Mi do pleniĝu de danka sento,
El tuta koro kantu al Dio.

## 228 *LA VERDA LIBRO DE DIO*

*Deirdre*, BEJMRY; *Doksologio* (vidu 278)

VERDAN libron verkas Dio
  En printempo de la jaro;
Klare skribas li en tio,
  Veron por la saĝularo.

Skribas en la vasta tero,
  En floreto, en folio,
Pri la vivo kaj espero,
  Pri natura harmonio.

Verda libro, ornamata
  De la suna lumigado,
De la floroj parfumata;
  Plena de la Dilaŭdado!

Verda libro donacata
  Al la homa legantaro
Ree estas malfermata
  En printempo de la jaro.

# SOMERO

## 229 *Summer suns are glowing*

*Ruth*, BCFGMP; *Norfolk Park*, JM

1 SUNOJ de somero
  Brilas al la ter';
Ĝoja lumo fluas
  Ĉien en aer';
Ĉio sentas ĝojon
  Pro la belradi';
Mondo kantas laŭdon
  Per milvoĉa kri'.

2 Dio bonfaradas
  Al la tuta ter';
Lia amstandardo
  Flirtas en liber'.
Larĝa kaj profunda
  Kiel la ĉiel'
Estas amo lia,
  Kun eterna hel'.

3 Dio, al ni blindaj
  Vidon donu vi;
Kaj pro amo via
  Ni vin amu pli.
Kiam nigraj nuboj
  Superombras nin,
Levu la vualon,
  Kaj malkaŝu vin.

4 Ĉiam ni vin fidas,
  Kia ajn la sort';
Sen vi nigras vivo,
  Kun vi helas mort'.
Lum' de lumo, brilu
  Sur pilgrima voj';
Gvidu nin antaŭen
  Al senfina ĝoj'.

## AŬTUNO. SEMADO KAJ RIKOLTO

### **230** *To thee, O Lord, our hearts we raise*

*Golden sheaves*, ABCEGILMP; *Bishopgarth*, BGHIJMNPU

AL vi, Sinjoro, levas ni
  Himnaron de adoro;
Laŭtiĝas danka melodi'
  El ĉiu ĝoja koro.
Pro l' ora vesto de l' kampar'
  La montoj gaje sonas,
Kaj pro la dika grenondaĵ'
  Eĉ valoj kanton donas.

Kun kora danko portis ni
  En festa kunularo
La unuaĵojn tien ĉi:
  Donacojn por l' altaro.
Por via graco petas ni,
  Favoron vian aman;
La teran panon donas vi,
  Ho, donu porĉiaman!

La tagan ŝarĝon portas ni;
  Laboro ofte ĝenas;
Sed kun la lasta sunradi'
  Ripozo fine venas.
Post rikoltado estu ni
  De Kristo akceptitaj;
Kaj kiel ora garb' de li
  Grenejon difinitaj.

Ho lando de la sanktular'
  En gloro beateca,
Kun vasta ora grenkampar',
  Rivero kristaleca!
Jam nun anĝeloj helpas nin
  Laŭtigi ĝojkantadon,
Sed tie festos ni sen fin'
  Ĉielan rikoltadon.

## 231 *We plough the fields*

*Wir pflügen (Arator, Dresden),* ABCEGHIMNPRU

NI plugas la kamparon,
  Kaj semas nia man',
Sed kreskon donas Dio
  Laŭ sia propra plan':
Li sendas neĝon vintran,
  Kaj varmon de somer',
Venteton kaj sunbrilon,
  Kaj pluvon por la ter'.

*Dio ĉion donas*
  *Al ĉiu sub la sun';*
*Do danku ni kun laŭta kri'*
  *Pro amo lia nun.*

La apudvoja floro,
  Vespera hela stel',
La kreitaro venas
  De Dio en ĉiel'.
Obeas lin la ventoj,
  La birdojn nutras li,
Kaj ĉiutagan panon
  Donadas li al ni.

Ni dankas vin, ho Patro,
  Pro tiom da bonaĵ',
Pro semo kaj rikolto,
  Pro sano kaj manĝaĵ'.
Al vi ni povas doni
  Nenion pro la bon',
Sed estu niaj koroj
  Por ĉiam via tron'.

## 232 *Now the year is crowned with blessing*

*Morgenleid*, BGIMN

NUN alvenis la rikolto—
Dia ĉiujara ben';
Kaj ni levas dankokantojn
En ĝojplena laŭdrefren'.
Pace nun la tero fruktas
Post la tagoj de labor';
Oraj spikoj gaje dancas,
El la valoj sonas ĥor'.

*Al la Patro ĝoje venas*
*Kun la rikoltaĵoj ni:*
*Dio la homaron benas;*
*Ĉion bonan donas li.*

Nudaj kampoj de printempo
Vestis sin en verda glor';
Sunradioj, dolĉaj ombroj,
Alternadis laŭ la hor';
Poste, en somera helo
Maturiĝis fruesper';
Fine, nun, aŭtuna gloro
Ridas sur la tuta ter'.

Ĉu ne kantu ni plenkore,
Dum la tagoj pasas for,
Pri estonta plena ĝojo—
Enĉiela Di-ador'?
Vidu! en la nubo brilas,
Por memoro, kaj sen ĉes',
Arko de la interligo,
Signo de la Dipromes'.

## 233 *O sing to the Lord*

1 NUN kanto al Dio,
Donanto de ĉio,
Kun laŭta ĝojkrio
Leviĝu de ni.

2 La vintro kaj luno,
Somero kaj suno,
Printempo, aŭtuno,
Devenas de li.

3 Pro fruktoj de l' jaro,
Ondanta kamparo,
Kaj ĉia bonfaro,
Ni danku al Di'.

4 La valoj ridante,
Montaroj eĥante,
Kun homoj kantante,
Laŭdadas al li.

*Westmeath* O. A. King



El *Congregational Church Hymnal*, 1887

5 Soifaj anime,
Ni petas sentime,
Ke gracon senlime
Li donu al ni;

6 Ĝis nin al ĉielo
De lumo kaj helo
En ĝojo kaj belo
Li prenos al si.

## VINTRO

## 234 *Across the sky the shades of night*

*The Golden Chain*, BGM;
*Allein Gott* (*To God on high, Elberfeld*), EJMPS

JEN ombroj de la vintra nokt'
Ĉielon transflugantaj:
Ho Vivo, Lumo, nun al vi
Ni venas adorantaj.
Dum pasas for la jara fin',
Pro via am' ni dankas vin,
Denove ĝin petantaj.

El plena koro preĝas ni,
Humile kliniĝante,
Kun viaj benoj en memor',
La pekojn konfesante;
Petante, ke la nova jar'
Nin trovu via sekvantar'
Per benoj nin kronante.

Al karaj forpasintoj nun
Ni trovas nin pensantaj,
En Paradizo jam kun vi,
Nin ame rigardantaj;
Ni petas, ke en vivofin'
Vi tie rekunigu nin
Kun ili atendantaj.

Ni kantas en la nuna hor'
Kun danko kaj ĝojado,
Pri via amo, povo, glor',
Kaj patra kompatado.
Ni rifuĝejo trovis vin
En tagoj, kiam premis nin
Aflikto kaj plorado.

Ho Dio, ni petegas vin,
Nin kio ajn atendu,
Dumvive same gvidu nin,
Protektu kaj defendu:
Kaj kiam vivo pasos for,
Akceptu nin al via glor';
Ĉielan pacon sendu.

## NOVJARO

## 235 *Come, let us anew*

*Derbe*, BM

1 DENOVE, kaj ĝoje,
Ni paŝu survoje
||: Kun fida mien' :||
||: Neniam laciĝu :||
Ĝis Krista reven'.

2 Ni viglu konstante,
Al Dio servante;
Kun saĝa fervor',
Espera persisto,
Kaj ama labor'.

3 Pri ĉiu vivhoro
Pereos memoro;
Ĉar tempo kaj san'
Forglitas, kaj velkas
Potenco kaj plan'.

4 Forflugas la sago;
Forpasas la ago;
Kaj nia destin'
Rapide alvenas,
Ĝis nepra la fin'.

5 Ho, ke ni kun vero
Ĉe Dia apero
Respondu al li:
"Mi finis la taskojn
Donitajn al mi"!

6 Ĉe morta la horo,
Ke nia Sinjoro
Alvoku al ni:
"Vivadu en ĝojo
Eterne kun mi".

## DANKO ĈEMANĜA

*Old 100th*, ABCEHIJMNPRU

236 ĈETABLE estu, ho Sinjor',
Akceptu laŭdon kun ador':
Nin benu nun, kaj donu vi,
Ke festu en ĉielo ni.

237 AKCEPTU nian dankon, Di',
Pro la manĝaĵo antaŭ ni:
Anime ankaŭ via man'
Nin nutru per ĉiela pan'.

238 NI dankas vin pro ĉiu ben',
Sed pleje pro Jesua ven'.
Ĉielmanaon donu vi,
La vivan panon, nun al ni.

*Doksologio* (himno 278)

239 HUMILEGE pro ĉi tio
Danku ni al sankta Dio;
Kaj pro ĉio ricevita
Estu lia nom' benita.

## EDZIĜO

240 *O Perfect Love*

*O Perfect Love*, BCFGIMPU;
*Strength and Stay*, ABCFGILMW

AMO perfekta, super hompensado!
Ĉe via tron' humile preĝas ni:
Restu senfine amo kaj benado
Al ambaŭ kunigitaj nun de vi.

Ĝoje kunvivu ili sur la tero;
Benu al ili amo kaj fidel';
Ilin inspiru fido kaj espero;
Brave kuniru ili al la cel'.

Venku doloron via sankta ĝojo,
Brilu sur ilin via pacostel';
Estu por ili post la monda vojo
Amo kaj viv' eternaj en ĉiel'.

## 241 *Holy Father, in thy mercy*

*Cairnbrook*, ABCDFGJLNU

SANKTA Patro kompatema!
Ho aŭskultu vi!
Pri amatoj malproksimaj
Preĝas ni.

Ho Savanto, ilin gvidu,
Kaj en ĉia sorto
Tenu sur la ĝusta vojo
Via vort'.

En malĝojo kaj danĝero,
En soleca horo,
Amo via ĉian timon
Pelu for!

Ili spertu vian savon
Ĝoje kaj sen fino;
Ĉiutage ili laŭdu,
Amu vin.

Ho Spirito sanktigadu
Ilin via graco;
Post laciga batalado
Estu pac'!

Patro, Filo, kaj Spirito,
Tri—sed unu Dio!
Ilin benu, gardu, tenu
Apud vi.

## 242 *Star of peace*

*Star of Peace* (*The Best Book*), BNPZ

STELO paca! Al laculoj
Brilu via radiar';
||: Vojon de l' piloto lumu
Sur blua mar' :||

Stel' espera! Vian benon
Sendu al la maristar';
Benu al ŝipano ĉiu
Sur blua mar'.

Stelo fida! Dum ventego
  Brilu tra la nebular';
Savu ilin de pereo
  Sur blua mar'.

Patro nia! Nin gvidadu
  Hejmen al ĉielanar',
Post vivado kaj laboro
  Sur blua mar'.

## 243 *Lord, the wind and sea obey thee*

*Quem pastores laudavere*, ABCEIJMPRSUY;
*Charing*, EIRS

VIN obeas vento, maro,
Suno, luno, kaj stelaro;
Kun humila petegaro
  Ankaŭ ni adoras vin.

Benu ĉiun vojaĝanton;
Oceano-transiranton;
De la hejmo formigranton—
  Gardu ĉiun de ruin'.

Estu ĉiuj postlasitaj
Al ni reunuigitaj;
Pli amindaj, Kristimitaj,
  Tiam ili trovu nin.

Sur la vojo nin direktu;
Se ni pekas, nin korektu;
De malbono nin protektu;
  El danĝero savu nin.

Dum la tuta vivo nia
Sekvu nin la beno Dia;
Kaj per gvida mano via
  Ĉiam kondukadu nin.

Dio, ame vin klinante,
Homanimojn kompatante,
Plipretigu nin konstante
  Por ĉielo en la fin'.

## 244 *A voice is heard on earth*

(*Hymnal Companion*)
*Requiem* (muziko ĉe 113)

AMATO pasis for! La parencaro
  Surtere funebradas:
Sed supre, kun la sankta savitaro
  Feliĉe li festadas.

Lamente ĝemas tura sonorilo,
  Plorantoj peze vojas:
Sed sur la oraj stratoj en lumbrilo
  La ĉielanoj ĝojas:

"El nokto de la morto nova frato
  Alvenis la matenon;
Saluton al vi, longe atendato!
  Al hejmo bonan venon!"

## 245

*Saxony* (*New Hymnal*, 1905) J. G. Ebeling



## FUNEBRO

KIAM doloro
Regas en koro,
Venas Helpanto,
Nia Savanto;
Tion konstante ni pruvis ĉe li;
Kiam sufero
Troviĝas sur tero,
Aman konsolon
Kaj gvidan kontrolon,
Bonan esperon li donas al ni.

Se ĉiu plano
Falas el mano,
Ĉar kun perforto
Nigra la morto
Karan amaton forprenis de ni;
Post la noktiĝo
Alvenos tagiĝo;
Post suferado,
Anima ĝemado,
Ĝoja vivado, Jesuo, ĉe vi.

Nune ni ploras,
Koroj doloras,
Sed amo via
Ja restos nia,
Pacon vi donos al ĉiu el ni;
Vidon levante,
Kaj ame pensante
Al la estonto,
Denova renkonto;
"Ĝis la revido" ni diros al *li*.

**246** *Now the labourer's task*

*Requiescat*, AIMP; *Liebster Jesu*, ABEGIJLPRS;
*St. Mark*, M

VENIS fino al labor',
Paco al la batalinto;
Kaj la hejmon de la kor'
Trovis nun la vojaĝinto.
*Patro, sur la sino via*
*Dormu nun amato nia.*

Jam sekiĝis tera plor',
  Jam klariĝis dubo ĉia;
Juĝon pri la vivlabor'
  Juste faras amo Dia.

Ŝafojn, kiuj vagis for,
  La Paŝtisto hejmen prenas;
Ŝirmas en eterna glor',
  Kien lupoj ne envenas.

Sub la kruco ĉiu kor',
  Kiu pentas pekon sian,
Ĉe piedo de l' Sinjor'
  Elkonscias amon lian.

Nun nenio povas plu
  *Lin* ĉagreni per minaco;
Bone gardas *lin* Jesu',
  Tenas en perfekta paco.

"Tero refariĝu ter' ",
  Diras ni el fida koro,
Atendante kun esper'
  Por la releviĝa horo.



## 247 *PREĜO SUB LA VERDA STANDARDO*

AL vi, ho potenca senkorpa mistero,
  Fortego, la mondon reganta,
Al vi, granda fonto de l' amo kaj vero,
  Kaj fonto de vivo konstanta,
Al vi, kiun ĉiuj malsame prezentas,
  Sed ĉiuj en koro egale vin sentas,
Al vi, kiu kreas, al vi, kiu reĝas,
    Hodiaŭ ni preĝas.

Al vi ni ne venas kun kredo nacia,
  Kun dogmoj de blinda fervoro:
Silentas nun ĉiu disput' religia
  Kaj regas nur kredo de *koro*.
Kun ĝi, kiu estas ĉe ĉiuj egala,
  Kun ĝi, la plej vera, sen trudo batala,
Ni staras nun, filoj de l' tuta homaro
    Ĉe via altaro.

# LA INTERNA IDEO

*Preĝo* Harrison Hill



Homaron vi kreis perfekte kaj bele,
Sed ĝi sin dividis batale;
Popolo popolon atakas kruele,
Frat' fraton atakas ŝakale.
Ho, kiu ajn estas vi, Forto mistera,
Aŭskultu la voĉon de l' preĝo sincera,
Redonu la pacon al la infanaro
De l' granda homaro!

Ni ĵuris labori, ni ĵuris batali,
Por reunuigi l' homaron.
Subtenu nin, Forto, ne lasu nin fali,
Sed lasu nin venki la baron;
Donacu vi benon al nia laboro,
Donacu vi forton al nia fervoro,
Ke ĉiam ni kontraŭ atakoj sovaĝaj
Nin tenu kuraĝaj.

LA INTERNA IDEO

La verdan standardon tre alte ni tenos;
  Ĝi signas la bonon kaj belon.
La Forto mistera de l' mondo nin benos,
  Kaj nian atingos ni celon.
Ni inter popoloj la murojn detruos,
  Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos
Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero
    Ekregos sur tero.

**248**

## *LA ESPERO*

*La Espero* (F. de Ménil)

EN la mondon venis nova sento,
  Tra la mondo iras forta voko;
Per flugiloj de facila vento
  Nun de loko flugu ĝi al loko.
Ne al glavo sangon soifanta
  Ĝi la homan tiras familion:
Al la mond' eterne militanta
  Ĝi promesas sanktan harmonion.

Sub la sankta signo de l' espero
  Kolektiĝas pacaj batalantoj,
Kaj rapide kreskas la afero
  Per laboro de la esperantoj.
Forte staras muroj de miljaroj
  Inter la popoloj dividitaj:
Sed dissaltos la obstinaj baroj
  Per la sankta amo disbatitaj.

Sur neŭtrala lingva fundamento,
  Komprenante unu la alian,
La popoloj faros en konsento
  Unu grandan rondon familian.
Nia diligenta kolegaro
  En laboro paca ne laciĝos,
Ĝis la bela sonĝo de l' homaro
  Por eterna ben' efektiviĝos.

## 249 *KANTO DE L' LIGO*

A. Trickett



FRATOJ, manon donu kore,
Kaj senzorge, sendolore
  Belan horon festu ni!
Ĉion teran forĵetante,
Daŭru forte kaj konstante
  Nia bela harmoni'!

Ni al Dio kantu gloron;
La spiriton kaj la koron
  Kial donis la ĉiel'?
Serĉi lumon per vereco,
Serĉi virton per justeco,
  Estu nia sankta cel'!

Homoj en la oriento,
Homoj en la okcidento,
  En la sud' kaj en la nord'!
Alte teni homan nomon,
Kore ami ĉiun homon,
  Estu nia liga vort'!

## POR ESPERANTA KUNVENO

## 250 *All Saints*, ABCEGIMPRSUY; *St. Leonard* (*Bach*), BCEGJLMRS

HO Kreinto de l' homaro!
  Nin rigardu tie ĉi;
Benu la Societanojn
  Kunvenintajn antaŭ vi:
    *Aŭdu preĝojn el la kor',*
    *Nin rigardu kun favor'!*



M

## POR ESPERANTA KUNVENO

Ho Savinto de la mondo,
  Kiu loĝis sur la ter',
Kaj al ni ekzemplon donis
  Per laboro kaj sufer'!

Konsolanto de mortontoj!
  Kies amo en la hom'
Enloĝante, lin inspiras,
  Ke li estu sankta dom':

Patro, Filo, kaj Spirito!
  Gardu, benu, helpu nin;
Por ke niaj Societoj
  Plaĉu kaj gloradu vin:

## 251

*Ellers*, ABCEFHIMPUY; *Julius*, LU;
*Old 124th*, ACEFIMPRSWY (ripetu lastan linion);
*Song 1*, ABCEFIJMPRSU (ripetu liniojn 3 kaj 4)

PER unu kor' kaj unu lingvo, Di',
Ni petas vian benon tie ĉi
Por ni kaj niaj fratoj trans la mar',
Kaj por la tuta Esperantistar'.

Donu al ni en nuna la kongres',
Ke celu ni al bono kaj progres';
Ke ĉiu penso, ago, kaj parol',
Akordu plene kun la via vol'.

Kun danko, ke ĝis nun vi benis nin,
Ni por la estonteco fidu vin;
Laboru kune sub la verda stel',
Atingu fine al la glora cel'.

## 252

*LA VOJO*

Muziko de L. Harding, havebla
ĉe la B.E.A. Biblioteko (6d.)

TRA densa mallumo briletas la celo,
  Al kiu kuraĝe ni iras.
Simile al stelo en nokta ĉielo,
  Al ni la direkton ĝi diras.
Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
Nek batoj de l' sorto, nek mokoj de l' homoj,
Ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita
  Ĝi estas, la voj' elektita.

Ni semas kaj semas, neniam laciĝas,
Pri tempoj estontaj pensante.
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas—
Ni semas kaj semas konstante.
"Ho, ĉesu!" mokante la homoj admonas,
"Ne ĉesu, ne ĉesu!" en kor' al ni sonas:
"Obstine antaŭen! La nepoj vin benos,
Se vi pacience eltenos".

Se longa sekeco aŭ ventoj subitaj
Velkantajn foliojn deŝiras,
Ni dankas la venton, kaj, repurigitaj,
Ni forton pli freŝan akiras.
Ne mortos jam nia bravega anaro,
Ĝin jam ne timigas la vento, nek staro:
Obstine ĝi paŝas, provita, hardita,
Al cel' unu fojon signita!

Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
Ni iru la vojon celitan!
Eĉ guto malgranda, konstante frapante,
Traboras la monton granitan.
L' espero, l' obstino, kaj la pacienco—
Jen estas la signoj, per kies potenco
Ni paŝo post paŝo, post longa laboro
Atingos la celon en gloro.

## INTERNACIA KONGRESO ESPERANTISTA

**253** *Bavaria* (muziko ĉe 132)
*Wiltshire*, ABCEGHIMNPRY

EL multaj landoj kaj nacioj
Hodiaŭ ni alvenas;
Kaj antaŭ vi, komuna Patro,
Al via nomo benas.

La montoj kaj la vasta maro
Naciojn apartigas;
Malsamaj lingvoj kaj kutimoj
Profunde nin disigas.

Sed ni hodiaŭ vian gloron
Per unu lingvo laŭdas,
Kaj ĉiun preĝon, ĉiun kanton,
Samlingve oni aŭdas.

Per unu voĉo ni petegas:
  "Donacu vi favoron,
Por ke ni estu veraj fratoj
  Kaj havu unu koron.

"Malamo kaj ĵaluzo mortu;
  Milito ekstermiĝu;
La tuta mondo en konsento
  Per amo unuiĝu".

**254**

*Stuttgart*, ABCEGIMNPRUY; *Merton*, ABEGIJLRSWY; *St. Catherine* (*Jones*), JM

PATRO nia! ni alvenis
  Trans la tero, trans la mar';
Sed per unu lingvo laŭdas
  Vin, la Patron de l' homar'.

Kunlaboro, amo frata,
  Estas nia gvida stel';
La forigo de milito
  Estas nia sankta cel'.

Malaperis nun antikva
  Interhoma la baril';
Unu lingvo nin kunligas,
  La komuna komprenil'.

Patro! Niajn korojn ankaŭ
  Ligu kune pli kaj pli,
Por ke ni frataro estu—
  Unu vera famili'.

Ho, donacu vian benon
  Nun al ni kaj nia rond',
Ke laboro nia sankta
  Semu amon tra la mond'.

## ZAMENHOFA TAGO

*HIMNO DE DANKO*

**255** *Brother, thou hast not died*

El *The British Esperantist*, Sept. 1917 — Harrison Hill



1

MAJSTRO, ne mortis vi,
Nur velkis korpo via;
L' animon kreis Di',
Kaj ĝi restadas lia.
Ankoraŭ vivas vi
Sub ama zorgo Dia.

2

Dio inspiris vin
Per saĝo pacienca;
Li same gvidu nin
Per sia fort' potenca,
Por ke ni sekvu vin
Laŭ vero la esenca.

3

Ĉio ja, kion vi
Por beno al homaro
Zorge elpensis; ĝi,
Kun ama memoraro,
Postrestas nun al ni,
La via kolegaro.

4

Majstro! Por ĉiam ni
Kun danko en la koro
Memoros tie ĉi
Pri via vivlaboro,
Ĝis en Ciono ni
Revidos vin en gloro.

*Korekto: Ĉe la melodio en la sesa mezuro aldonu naturigilon antaŭ la A.*

## POR INFANOJ

**256** *Above the clear blue sky*

*Children's voices*, MP; *Eastview*, BCL

1

ĈE l' glora Dia tron',
Kun dolĉa harpludad',
Aŭdiĝas ĝoja son'
De anĝelarkantad':
Haleluja!
En laŭta kri'
Al alta Di':
Haleluja!

2

Nun en la ĝojkantar'
Kuniĝu ankaŭ ni,
Ĉar de la infanar'
Akceptas laŭdon li.
Haleluja!
Jes, tie ĉi
Himnadu ni
Haleluja!

3

Instruu nin, Sinjor';
Kompate helpu nin,
Ke ĉiu juna kor'
En vero amu vin:
Haleluja!
Kantados ni
Per danka kri'
Haleluja!

4

Aŭdiĝu via vort'
De ĉiu sur la ter';
Per ĝia sankta fort'
Foriĝu la mizer';
Haleluja!
Kaj pli kaj pli
Laŭdkantos ni
Haleluja!

## 257

*North Coates*, ABCGIJLMP; *Castle Eden*, JM

1 EL la bela mondo
Niajn korojn ni
Levas dankoplene,
Dio, nun al vi.

2 Dankon pro la ĝojo,
Kiun pli kaj pli
Ni geknaboj trovas
Ĉie ĉirkaŭ ni.

3 Nun pri niaj pekoj
Ho pardonu nin:
Donu vian helpon,
Ke ni servu vin.

4 Ĉiam kun sincero
Ni obeu vin;
Dum la tuta vivo
Kondukadu nin.

## 258 *Come, sing with holy gladness*

*Ellacombe*, ABCGHIJMNPRSW; *Holmbridge*, M

1

EKSONU niaj voĉoj
Kun ĝojo kaj fervor';
Laŭtiĝu la hozanoj
Al Kristo, la Sinjor'.
Ho knaboj, kantu gaje
En ĥoro de laŭdad',
Kaj dolĉe vi, knabinoj,
Respondu per himnad'.

2

Konvenas, ke infanoj
Aklamu lin per kant',
Ĉar de la infanaro
Li estas la Savant'.
Jesuo estas Frato,
Amiko, kaj Sinjor';
Do knaboj kaj knabinoj,
Lin laŭdu kun fervor'.

3

Ho knaboj, por Jesuo
Laboru ĉiam vi;
Jozefon sur la tero
Ĉarpente helpis li.
Knabinoj, lin imitu,
Kaj estu via kor'
Purega kaj amema
En ludo kaj labor'.

4

En Nova Jerusalem
Kunludos infanar'
Sur stratoj lume gloraj
Ĉe la kristala mar'.
Pretigu nin, Jesuo,
Ke iam pasu ni
Tra l' ora portalaro,
Por kanti antaŭ vi.

## 259 *Away in a manger*

*Cradle song (Away in a manger)*, BCFGHIJKMPRV

EN bova fojntrogo anstataŭ litet'
Ripozis la dolĉa Jesua kapet':
La steloj rigardis el nuba vual'
Al eta Jesuo dormanta en stal'.

La bovoj blekadis post taga labor';
Sed kuŝis Jesuo sen plendo aŭ plor'.
Jesu', mi vin amas! Ho, restu kun mi:
Protektu min ĝis la matena radi'.

Ho kara Jesuo! Ne iru vi for,
Sed restu proksime por ĉiam en kor'.
Benadu infanojn sur ter' tie ĉi,
Ĝis vivo ĉiela, en gloro kun vi.

## 260 *Childhood's years are passing o'er us*

*St. Mabyn*, BCFGJP; *Drakes Boughton*, CW;
*Shipston*, BCEGJLMPRSU

FORPASADAS la juneco,
  Lernotagoj glitas for;
Kaŝas sin en estonteco
  Vivdanĝeroj kaj dolor'.

Kristo, kiu loĝis iam
  En la mondo, kiel ni,
Nin sanktigu, gardu ĉiam,
  Kaj nin tenu apud vi.

Aŭdu! la Savinto vokas,
  "Ho, infanoj, sekvu min!"
Eĉ se nin aliaj mokas,
  Ni fidele servos lin.

Kiam tere ni neniam
  Plu kunvenos por ador';
En ĉielo ni por ĉiam
  Kantos kun anĝela ĥor'!

## 261 *Loving Shepherd of thy sheep*

*Buckland*, ABCEGIJLMPR; *Innocents*, ABCGHIJMNPRY

1

HO Paŝtisto, preĝas mi,
Ŝafideton gardu vi;
Granda estas via fort',
Ŝirmu min laŭ via vort'.

2

Vian vivon donis vi;
Mortis, ke vivadu ni;
Kaj vi portas nun, Sinjor',
Signojn de la krucdolor'.

3

Ĉiutage laŭdu mi,
Vin obeu tie ĉi,
Kiel supre anĝelar'—
Ĝoja la ĉielanar'.

4

Rekta la mallarĝa voj',
Kies fino estas ĝoj':
Tenu min sur ĝi, Sinjor'
Ne min lasu vagi for.

5

Kien vi kondukos min,
Mi konstante sekvu vin;
Fine, antaŭ Dia tron',
Benu min eterna bon'.

## 262 *Jesus loves me, this I know*

*Jesus loves me*, BGILPZ

1

JESU-KRISTO amas min,
La Biblio diras ĝin:
Apartenas mi al li,
Febla mi, sed forta li.

||: *Jes, li min amas!* :||
*Jesuo amas min.*

2

Li min amas! Kaj por mi
Sian vivon donis li;
Loĝos li en mia kor',
Lavos ĉiun pekon for.

3

Li min amas! Scias li,
Ke malforta estas mi;
Ĉiam li subtenos min,
Protektados ĝis la fin'.

4

Li min amas! Restos li
Tutan vojon apud mi;
Se mi vere fidos lin,
Al ĉielo prenos min.

## 263 *When he cometh*

*When he cometh (Jewels)*, GHLPZ

KIAM venos la Savanto
Li taksos juvelojn,
La juvelojn multekostajn
Amatajn de li.

*Kiel steloj matenaj,*
*Ornamaĵoj plej helaj,*
*Ili brilos en belo,*
*La gemoj de l' kron'.*

Li kolektos, li kolektos,
La gemojn de l' regno,
Tute verajn kaj brilantajn,
Amatajn de li.

La infanoj, geinfanoj,
Amantaj Jesuon,
Ili estos la juveloj
Amataj de li.

## 264 *Jesus, high in glory*

*Glenfinlas*, ABCIJLMPSY

1
KRISTO en ĉiela glor'!
Vidu, aŭdu nin,
Kiam surgenue
Ni adoras vin.

2
Kvankam sankta estas vi,
Ĉiopova Reĝ';
Tamen vi aŭskultos
Al humila preĝ'.

3
Nur infanoj estas ni
Sur la tera voj';
Gvidu nin, Jesuo,
Al ĉiela ĝoj'.

4
Nin protektu, ho Sinjor',
En la tenta hor';
Ame nin pardonu,
Lavu pekojn for.

5
Kiam al ĉiela hejm'
Vokos vi ĉe l' fin',
Ĝoje ni respondos:
"Ho, akceptu nin!"

## 265 *Jesus, Friend of little children*

*Westridge*, BCFIJLMS; *Derwent*, GJM

KRISTO, vi infanojn amas,
Kaj mi amas vin.
Via patra mano ĉiam
Tenu min.

Gvidu min sur bona vojo,
Gardu de danĝer'.
Ja vi mem infano estis
Sur la ter'.

Ĉiupaŝe min konduku
En la estontec',
Ke mi kresku en la vero
Kaj saĝec'.

Ho, neniam min forlasu!
Mi bezonas vin
De l' komenco de la vivo
Ĝis la fin'.

## 266 *Jesus, tender Shepherd, hear me*

*Evening prayer*, FJMP; *Sharon*, BCFLNZ; *Dijon*, GN; *Sussex*, BCEFGJLMPRSUY

KRISTO, ŝafideton benu,
Aŭdu mian preĝon nun;
Dum la nokto apudvenu,
Gardu ĝis matena sun'.

Apud mi vi ĉiam restis,
Ĝis la nuna tagofin';
Min varmigis, nutris, vestis:
Mi humile dankas vin.

Benu mian amikaron,
Viŝu ĉiun pekon for;
Fine en la sanktularon
Prenu min al via glor'.

## 267 *Around the throne of God in heaven*

*Glory* (*Newtown*), BHMP

MILOPE ĉirkaŭ Dia tron'
  Staradas infanar',
Ĝojega pro la pekpardon',
  Feliĉa sanktular',
    *Kantante "Gloro, gloro!"*

Troviĝas ĉiu beatul'
  En brila lumoglor',
Kun blanka robo sen makul';
  Malĝojo estas for:
    *Kaj li kantas "Gloro, gloro!"*

Antaŭe ili sur la ter'
  Loĝadis, kiel ni;
Sed nun en la ĉiela sfer'
  Laŭdadas antaŭ Di'.
    *Ili kantas "Gloro, gloro!"*

Kaj kiel tiu infanar',
  Laŭ kiu glora voj',
Aniĝis al ĉielanar'
  En amo, paco, ĝoj',
    *Por kantadi "Gloro, gloro!"* ?

Jesuo venis al la mond':
  Infanojn amas li.
Pro lia savo tiu rond'
  Nun staras tie ĉi,
    *Kantante "Gloro, gloro!"*

Surtere ili amis lin
  Kaj servis kun fervor';
Kaj nun kun ĝojo trovas sin
  En anĝelara ĥor'.
    *Kantante "Gloro, gloro!"*

Jesuo, ni petegas vin,
  Aŭskultu el ĉiel';
Kaj prenu nin post vivofin'
  Al ĝia sankta hel',
    *Kaj ni kantos "Gloro, gloro!"*

## 268 *Little drops of water*

*Eudoxia*, ABCGHIJLMPRZ;
*Gott ein Vater*, BEGPW; *Ernstein*, CGP

1 MULTO da sableroj,
Akva gutetar',
Faras belan teron
Kun la granda mar'.

2 Same la momentoj,
Malgraŭ la etec'
Formas vastajn daŭrojn
De la eternec'.

3 Etaj bonfaraĵoj,
Vortoj de amem',
Edenigas teron
Je ĉielemblem'.

4 Sed la eraretoj
Grade logas nin
For de virta vojo
Al perea fin'.

5 Etaj amosemoj
El infana man'
Kreskas por benaro
Ĉe la idolan'.

6 Etaj voĉoj kantas
En anĝela ĥor';
Dio, nin pretigu
Por ilia glor'.

## KANTIKOJ

## 269 *VENITE*

(Psalmo 95)

M. C. Butler



VENU! Ni **kan**tu al la |Eter|nulo,
Ni ĝoje kriu al la **ri**fu|ĝe · jo de |nia |helpo.
Ni venu antaŭ lian viza**ĝ**on |kun glo|rado,
Per **psal**moj ni |kriu |al li |ĝoje.

Ĉar la Eternulo **e**stas |granda |Dio,
Kaj granda **Re**ĝo |super |ĉiuj |dioj.
Li **ha**vas en |sia |mano
La profun|daĵojn |de la |tero.

Al li apartenas la altaĵoj |de la |montoj;
Al **li** |apar|te · nas la |maro:
**Li** |ilin |faris,
La sekan **te**ron |liaj |manoj |kreis.

**V**enu! |Ni kli|niĝu,
**Ni** |ĵetu |nin sur|teren,
**Kaj** |ni ge|nuu
Antaŭ la **E**ter|nulo |ni · a kre|into;

Ĉar **li** estas |nia |Dio,
Kaj **ni** |estas |li · a po|polo:
La popolo de |li · a ŝa|fejo,
**Kaj** la |ŝa · foj de |lia |mano.

Gloro al la **P**atro, kaj |al la |Filo,
**Kaj** al |Sankta |la Spi|rito;
Kiel estis en la ko**men**co, |estas|nun,
Kaj ĉiam **es**tos, e|terne. |A—|men.

## 270

*JUBILATE DEO*
(Psalmo 100)

G. Thalben-Ball



*Tono Pariza 1*



ĜOJE kriu al la Eter**nu**lo la |tuta |tero!
Servu al li kun ĝojo * **V**enu antaŭ |li · an
vi|za · ĝon kun |kanto.

Sciu, ke la Eter**nu**lo |estas |Dio;
Li nin kreis * kaj al li ni apartenas * Lia
**popo**lo kaj |ŝa · foj de |li · a paŝ|tejo.

Eniru liajn pordegojn |kun dan|kado;
En liajn |kortojn |kun laŭ|dado.

Gloru lin! Benu |lian |nomon,
Ĉar la Eter|nulo |estas |bona.

Lia korfavoro |est · as e|terna,
Kaj de generacio al generacio * daŭras |lia |fide|leco.

Gloro al la Patro, kaj |al la |Filo,
Kaj al |Sankta |la Spi|rito,
Kiel estis en la komenco, |estas |nun,
Kaj ĉiam |estos, e|terne. |A—|men.

## 271 *PSALMO 150*

Stanford



P. Humphreys



Alternativo: *Macfarren*, B 808, C 869, P 791

GLORU Dion en |li · a sank|tejo,
En la firmaĵo de lia |forto |gloru |lin.

Gloru lin pro liaj po|tencaj |faroj,
La lia granda po|tenco |gloru |lin.

Gloru lin per sono |de trum|peto,
Per psaltero kaj |harpo |gloru |lin.

Gloru lin per tambu|rino kaj |danco,
Per kordinstrumentoj kaj |flutoj |gloru |lin.

Gloru lin per tin |tan · taj cim|baloj,
Per laŭtaj cim|baloj |gloru |lin.

Ĉio spiranta |gloru |Dion!
Ha|—le|lu—|ja!

Gloro al la **Patro**, kaj |al la |Filo,
**Kaj** al |Sankta |la Spirit':
Kiel estis en la ko**men**co, |estas |nun,
Kaj ĉiam **es**tos, e|terne. |A—|men.

# 272

*MAGNIFICAT*
(Luko 1/46-55)

H. Walford Davies



Alternativa ĉanto ĉe 269

MIA animo al**ti**gas la |Eter|nulon,
Kaj mia spirito **ĝo**jis en |Dio |mi·a Sa|vanto.

**Ĉar** |li ri|gardis
La humi**le**con de |sia |servan|tin'.

**Ĉar** |jen de |nun
Ĉiu genera**cio** |nomos |min fe|liĉa.

Ĉar la Potenculo **fa**ris al |mi gran|daĵojn,
Kaj **sank**ta |estas |lia |nom'.

Kaj por ĉiu generacio **es**tas bo|neco |lia
**Al** |la ti|mantaj |lin.

Li montris **for**ton per |sia |brako,
Li dispelis fierulojn * en la **pen**so |de i|lia |kor'!

Li detro**ni**gis |poten|culojn,
**Kaj** al|tigis |humi|lulojn.

Malsatulojn li ple**nig**is |per bo|naĵo,
Kaj ri**ĉu**lojn li mal|plenaj |sendis |for.

Li helpis Izra**el**on |si · an ser|vanton,
Memo**ran**te |sian |korfa|voron;

Kiel li pa**ro**lis al |niaj |patroj,
Al Abraham **kaj** al |li · a i|dar · o e|terne.

Gloro al la **Pa**tro kaj |al la |Filo,
**Kaj** al |Sankta |la · Spi|rit':
Kiel estis en la ko**men**co, |estas |nun,
Kaj ĉiam **es**tos, e|terne. |A—|men.

## 273

*NUNC DIMITTIS*
(Luko 2/29-32)

*Tono Pariza II*



*Tonus Peregrinus*



Alternativo: *Felton*, B 783, C 787, P 824

NUN, ho Eternulo * vi el**la**sas |vi · an ser|vanton
Laŭ |via |vort' en|pac'.

Ĉar miaj okuloj **vi**dis |vian |savon,
Kiun vi preparis * **an**taŭ la vi|za · ĝo de
|ĉi · u po|pol';

Lumon por mal**ka**ŝo |al la |gentoj,
Kaj gloron de **vi**a po|polo |Izra|el.

Gloro al la **Pa**tro, kaj |al la |Filo,
**Kaj** al |Sankta |la Spi|rit';
Kiel estis en la ko**men**co, |estas |nun,
Kaj ĉiam **es**tos, e|terne. |A—|men.

## 274 *God be with you till we meet again*

*God be with you* (*Till we meet*), BGHNZ; *Randolph*, BCEFGMPSY; *Dominus Vobiscum*, A

ĜIS revido estu Di' kun vi!
Kondukadu kaj subtenu,
Kiel sian ŝafon benu;
Ĝis revido estu Di' kun vi!

*Estu Di' . . . kun vi . . .*
*Ĝis Jesuon vidos ni . . . ,*
*Estu Di' . . . kun vi . . . ,*
*Ĝis revido estu Di' kun vi!*

Ĝis revido estu Di' kun vi!
Sub flugiloj vin ŝirmadu,
Per manao provizadu;
Ĝis revido estu Di' kun vi!

Ĝis revido estu Di' kun vi!
Dum konsternoj de l' vivado
Restu lia konsolado;
Ĝis revido estu Di' kun vi!

Ĝis revido estu Di' kun vi!
Amo lia vin fortigu,
Mortan ondon senvenkigu;
Ĝis revido estu Di' kun vi!

## 275 *Lord, dismiss us with thy blessing*

*St. Thomas* (*Webbe, Wernburgh*), ABCEFGIJLMPRSW; *Dismissal*, BCEGIMPSUZ

NIN irontajn, Dio, benu;
Pacon donu al la kor';
Amo via nin subtenu,
Sava graco kaj favor'.
||: Nin fortigu :||
Nun por nia vivlabor'.

Ni vin petas, kun dankado
Pro la Kristevangeli',
Ke la fruktojn de l' savado
En la vivo montru ni.
Ho Sinjoro!
Kun ni ĉiam restu vi.

Kiam fine en oreloj
Sonos la alvoka kri',
Per flugiloj de anĝeloj
Ĝoje iru ni al vi,
Kaj eterne
Kun Jesuo estu ni.

## 276 *Lord, keep us safe this night*

*Vespers* Beethoven



Alternativo: *Narenza,* ABEGIJLMNPRU

NUN iru ni, Sinjor',
Kun via patra ben':
Anĝeloj nokte gardu nin
Ĝis lumo de maten'.

## DOKSOLOGIOJ

## 277 *Praise God, from whom all blessings flow*

*Old 100th,* ABCEHIJMNPRU

AL Dio laŭdu tuta ter',
Lin laŭdu la ĉiela sfer';
Laŭdadu ni sen intermit'
Al Patro, Filo, kaj Spirit'.

## 278

*Doksologio (El Ordo de Diservo, 1907)* *J. C. Rust*



ESTU nun laŭdata Dio
Ĉiam, ĉie, kaj de ĉio;
Sur la tero de l' homaro;
De l' ĉiela anĝelaro.
Estas li vivdona fonto,
La beninto kaj benonto,
Patro, Filo, kaj Spirito:
Gloru lin sen intermito!

## POR LEGADO

### *NIA MAJSTRO (OUR MASTER)*

## 279 *Immortal love*

**Preskaŭ** ĉiu Brita himnaro enhavas **himno(j)n konsistanta(j)n** el elektitaj strofoj el ĉi tiu **poemo. Jen traduko** de la tuta poemo; sed laŭ **malsama** metriko. Vd. 130, 131, 180.

AM' eterna, infinita,
  Amo ja sen baro;
Tuta, kvankam dividita;
  Ĉiam alta maro!

Niaj lipoj super ĉio
  Unu nomon benas;
Kiel venis ĝi de Dio
  Sole am' komprenas.

Blovu, Dia vent'! Forblovu
  Nubojn de la tero!
Brilu, Dia Lum'! Nin provu,
  Gvidu al la vero!

Kial amon priserĉadi
  Tie kaj ĉi tie?
Vane estas disputadi—
  Amo estas ĉie.

Ni ne devas ĉieliri
  Por Jesuon vidi;
Nek profundegaĵojn ŝiri
  Por lin kore fidi.

Sankta pano, sango bera,
  Ne rekreos lin;
Jam ne plu laŭ form' ekstera
  Li konigas sin.

## POR LEGADO

Li ne venas kiel reĝo
  Al sopira tero;
Lacas multjarcenta preĝo,
  Velkas mondespero;

Al okulo kaj orelo
  De l' malgaja mondo
Tombo mutas; la ĉielo
  Volbas sen respondo.

Homsistemoj sablaj estas,
  Mortas la litero;
Sed eterne Amo restas
  La spirita vero.

Per la *vivo*—Petra pento,
  Amo de Johano—
Pli ol per ekstera sento
  Kredas la Kristano.

Ĉe la paco enanima,
  Pento de la koro;
Ja sin montras tre proksima
  Kristo la Sinjoro.

Li ne estas iu mita
  El la legendaro,
De poetoj prirevita
  Ĉe fabela maro.

Ne! ankoraŭ ama, viva,
  Helpas li en vero;
Staras nun sur mont' Oliva,
  Galilea tero.

Lin atingas nia ĝemo,
  Se espero vanas;
Lin tuŝante en hompremo,
  Ni denove sanas.

Junaj, ni per li konstante
  Niajn preĝojn diras;
Kaj maljunaj, ni, mortante,
  Lian nomon spiras.

* * *

Majstro! Nin vi same reĝas,
  Malgraŭ nom' aŭ sekto;
Ni vin amas kaj alpreĝas:
  Normo de perfekto!

## POR LEGADO

Nian pekon vi konstante
Juĝas kaj malamas;
Amo via, nin tirante,
Kontraŭ ĝi ekflamas.

Staras nia viv' malbela
Nuda sub okulo
Akrevida, pura, hela,
De vi, Eternulo!

Nur sanige vi nin batas;
Dolĉa la doloro:
Nin punante, vi kompatas,
Amas via koro;

Kaj se ni, malfortaj, blindaj,
Volas servi vin
Per talentoj ja malindaj,
Vi akceptas nin.

Vi malfortojn de l' homaro
Portis ĝis la fin';
Interhoma malbonfaro
Pli doloras vin.

Kie amo dolĉe flamas
Dio montras sin;
Se aliajn ni malamas,
Ni malamas vin.

Plenradike amo via
Kresku en la koro:
Same estas ĝi plej Dia
Kaj plej homa floro.

Kiel tra la blankaj nuboj
Suno ekvidiĝas;
Kun vi malaperas duboj—
Fido vid' fariĝas.

Tiel, al la homokulo,
Karne vualita
Montras sin la Eternulo:
Dio malkaŝita.

Ni malsame vidas, aŭdas,
Preĝas, sur la tero:
Sed vin same amas, laŭdas,
Vojo, Vivo, Vero.

## POR LEGADO

Polemiko silentiĝos
  Antaŭ Dia trono:
En ĉielo nur aŭdiĝos
  Sankta unisono.

Ne per vortoj montras sin
  Amo, sed per faroj;
Simpla fido trovas vin
  Malgraŭ dogmaj baroj.

Servo sinforgesa restas
  Nia alta sorto:
Fort' sen vi malforto estas,
  Vivo estas morto.

Sen vi gajno nur perdiĝas,
  Vanas la laboro;
Kun vi ombroj sunheliĝas,
  Kruco estas gloro.

Estas vi unika celo,
  Savo, Lumo, Vero;
Kun vi estas la ĉielo,
  Sen vi la infero.

Vanas brua argumento
  Pri naturo via:
Gravas pli la kora pento,
  Ol flatado ĉia.

Zorgu la bigoto, kiu
  Citas vian nomon:
Vere amas vin neniu,
  Malamante homon.

Nia Frato kaj Sinjoro,
  Kiel vin servadi?
Ne per nomo, rito, moro—
  Simple vin sekvadi!

Ne per brulofero pia
  Ni pri vi atestas;
Sed per am' al frato nia,
  Ĉar li via estas.

Plej sincera litanio—
  Danko kaj amado:
Sakramenta liturgio—
  Ĝoja bonfarado.

## POR LEGADO

Vanas bronza sonorado
  Kaj incensa fumo,
Volbaj navoj, belfasado,
  Kandelabra lumo.

Nur el amo de la koro,
  Fida kaj sincera,
Venas laŭdo kaj adoro—
  Obeado vera.

280

## *DIES IRAE*

*Judicium*, Y

TAGO juĝa, tag' de ploro!
Mond' solviĝos en vaporo!
Longe profetita horo!

Kia tremo, kia honto,
Kiam venos la Juĝonto—
Ĉionvida esploronto!

Eĥos la trumpeta sono
Tra la tomba regiono:
Vokos ĉiujn al la Trono.

Mort', naturo, konsterniĝos;
Kreitaro eltombiĝos—
Por respondo nun stariĝos.

Libro estos alportita;
Kaj pri ĉio enskribita
Mondo estos eljuĝita.

Kiam la Juĝist' sidiĝos,
Kaŝitaĵoj videbliĝos;
Ĉiu kulpo malkovriĝos.

Kion pledu mizerulo?
Kiu mia propetulo,
Kiam tremos eĉ justulo?

De pekuloj la Savonto,
Reĝ' majesta, kun volonto
Savu min, Kompato-Fonto!

Pensu nun pri via veno
Por min savi el Geheno:
Ne min lasu sub malbeno!

Vi min serĉis lacakore;
Elaĉetis krucdolore:
Ĉu do estu vanlabore?

## POR LEGADO

Ho Juĝonto, Justegulo,
Lavu min de pekmakulo
Antaŭ tago de kalkulo!

Mi konfesas ĉe la juĝo
Mian kulpon kun hontruĝo:
Dio, estu vi rifuĝo!

Pekulinon vi pardonis;
Al ŝtelisto savproponis,
Eĉ al mi esperon donis.

Ja sen indo preĝo mia:
Sed pro kompatemo via
Ŝirmu min de puno Dia.

Min kun viaj ŝafoj metu,
Inter kaproјn ne forĵetu,
Dekstraflanken min dekretu.

Malpiuloj konfuzitaj
Tiam estos kondamnitaj:
Voku min kun la benitaj!

Humilege kliniĝantan,
Korprofunde nun petantan
Savu min al vi preĝantan!

En plorplena tago tiu
El la cindroj venos ĉiu,
Staros antaŭ juĝo via.
Nin indulgu, Dio nia!
Savu nin redempta graco,
Benu per eterna paco.

# KONSILOJ

(*Sugestoj laŭspertaj, ne reguloj*)

**Pri Diservo Esperanta**

Notu la principojn sur p. iii (par. 2).

Kutime la kondukanto mem aranĝas laŭ sia bontrovo la formon de la Diservo kiun li kondukos.

Ne limigu la elekton de himnoj al la ses plej konataj. Esploru la eblaĵojn de la tuta libro.

Ne timu ĉantojn, ekz., 12, 114, 269-273; aŭ himnojn kun metriko neregula, ekz., 42, 196. Ili ne estas malfacilaj.

**Al la orgenisto aŭ pianisto**

Akiru du-tri el la himnaroj stelitaj sur pp. iv-v.

Se himno havas plurajn tradukojn, ekz., 8, 9; 142, 143; atentu, ke ĉiu traduko havas propran melodion.

Ĉe la fino de himno ofte oni kantas Amen (=Tiel estu!), laŭ la kadenco IV-I. Tio plej konvenas, kiam la himno estas preĝo.

Utiligu de tempo al tempo muzikon instrumentan (orgenan aŭ alian); aŭ solkanton aŭ antemon; aŭ eron el oratorio aŭ kantato.

**De muzika vidpunkto** multaj himnoj havas apartan interesan. Ekz., *Oxford* 4 (modela konstruo); *Judicium* 280 (solenega konglomeraĵo de suspendoj). Notu ĉe *Strathfield* 107, kaj *Sunrise* 213, kiel la melodio konvenas al la neordinara metriko kiel ganto al la mano.

**Himno estas uzebla diversmaniere. Ekz.,**

(*a*) **Por primedito, aŭ ĉe privata preĝo.** Ekz., 57, 82, 97, 133, 134, 197, 226, 279.

(*b*) **Por publika legado aŭ deklamo.** Ekz., 71, 74, 117, 207, 227, 279.

(*c*) **Kiel solkanto.** Ekz., *Pastor* 114 (la lastan strofon kantu ĉiuj); *Gundulf* 142 (por soprano aŭ tenoro transponu al Bb aŭ C); *Saxony* 245 (ĉe funebro).

(*d*) **Kiel solkanto kun refreno por ĉiuj.** Ekz., 12, 70, 151, 155, 178; kaj la infanaj himnoj 50, 262, 263, 267.

(*e*) **Kiel solkanto laŭ aparta aranĝo.** Ekz., 45 (muziko de Loewe), 55 (muziko de Gounod).

(*f*) **Kiel solkanto por juna infano.** Ekz., 259, 266.

(*g*) **Por kantistaro aŭ kvarteto.** Ekz., 46, 56, 57, 77, 118, 276, 278.

## KONSILOJ

**Maniero de kantado**

Kompreneble, tio varias laŭ la himno mem kaj la cirkonstancoj. Kantu gaje kaj vigle *Fatherland* 146, *Childhood* 159, *Westmeath* 233, *Trickett* 249; mallaŭte kaj preĝeme *Sarmen* 51 (komencu mallaŭte, sed kresĉendu ĝis la fino de la strofo); tre malrapide *Heinlein* 46, *Doksologio* 278, *Vespers* 276.

**Ĝenerala regulo:** Ne kantu tro malrapide.

---

## PETO

La Kuratoroj de la Himnaro invitas proponojn por la plibonigo de la verko en estonta eldono.

# INDEKSO DE MELODIOJ

(k.t.p. signifas, ke la melodio havas diversajn nomojn.)

# INDEKSO DE MELODIOJ

# INDEKSO DE MELODIOJ

# INDEKSO DE MELODIOJ

# INDEKSO DE KOMENCAJ LINIOJ

*Originala verko en Esperanto.

## INDEKSO

# INDEKSO

# INDEKSO

INDEKSO

# INDEKSO

## INDEKSO

# INDEKSO

# INDEKSO DE TITOLOJ

## KOMUNA DANKO

*Ĉiopova Dio, Fonto de ĉia bono. Ni, viaj neindaj servantoj, donas al vi plej humilan kaj elkoran dankon pro via favoro kaj kompato al ni kaj al ĉiuj homoj. Ni dankas vin pro nia kreo kaj protekto, kaj pro ĉiuj bonoj de la nuna vivo; sed super ĉio, pro via netaksebla amo en la redempto de la mondo per nia Sinjoro Jesuo Kristo; pro la rimedoj de graco, kaj la espero al gloro. Kaj, ni vin petas, donu al ni tian konscion pri viaj benoj, ke niaj koroj estu vere dankaj, kaj ke ni vin laŭdu, ne nur per niaj lipoj, sed ankaŭ per niaj vivoj; dediĉante nin al via servo, kaj irante antaŭ vi sankte kaj juste dum nia tuta vivo; per Jesuo Kristo nia Sinjoro; al kiu, kun vi kaj la Sankta Spirito, estu honoro kaj gloro, eterne. Amen.*

---

## PREĜO DE KRISOSTOMO

*Ĉiopova Dio, kiu permesas, ke unuanime ni faru al vi niajn komunajn preĝojn, kaj promesas, ke kiam du aŭ tri kunvenos en via nomo, vi plenumos iliajn petojn: plenumu nun la dezirojn kaj petojn de viaj servantoj, kiel estos plej konvene por ili: donante al ni en ĉi tiu mondo scion pri via vero, kaj en la estonta mondo vivon eternan. Amen.*

---

## BENDIROJ

*La Eternulo vin benu kaj vin gardu; La Eternulo lumu al vi per sia vizaĝo, kaj vin korfavoru; la Eternulo turnu sian vizaĝon al vi, kaj donu al vi pacon.*

*La graco de la Sinjoro Jesuo Kristo, kaj la amo de Dio, kaj la kuneco de la Sankta Spirito, estu kun vi ĉiuj.*

*La paco de Dio, kiu superas ĉian intelekton, gardu viajn korojn kaj animojn en la kono kaj amo je Dio kaj je lia Filo Jesuo Kristo nia Sinjoro; kaj la beno de Dio ĉiopova, la Patro, la Filo, kaj la Sankta Spirito, estu al vi, kaj restu kun vi por ĉiam. Amen.*